# Adoru Kantante

## Evangelia Himnaro




Kristana
Esperantista Ligo
Internacia (K.E.L.I.)
1971

# Adoru kantante

Rondkanto por 3 voĉoj

Hermann Stern, 1970

2.

A - do - ru kan - tan - - - te, a - do - ru kan -

3.

tan - - - - - te, kan-tan - - - te, kan - tan - te!

Por nia libro speciale komponita de Eklezia Muzikdirektoro Stern, ĉefkomisiito por la preĝeja kantado en la Virtemberga Evangelia Eklezio

# Antaŭparolo

Jesuo kaj Liaj disĉiploj kantis himnojn, ĉefe psalmojn, kiam ili ĉeestis Diservojn en la Templo en Jerusalem, kaj plejeble psalmojn kaj aliajn himnojn, kiam ili ĉeestis Diservojn en iu sinagogo. Ili kantis himnon intime en la supra ĉambro (Mark. 14:26 = Mat. 26:30). La plej fruaj Kristanoj kantis himnojn (Efes. 5:19. 20; Kol. 3:16). Tute nature, do, la kantado de himnoj baldaŭ fariĝis kutimo en Kristanaj Diservoj. Egale nature, Kristanoj, kiuj fariĝis Esperantistoj, kaptis okazojn kunveni por Diservoj en la internacia lingvo, kaj ili bezonis konvenajn himnojn en tiu lingvo. Komencis aperi, do, en diversaj Eŭropaj landoj, modestaj himnaroj. Du el ili fariĝis tre popularaj en siaj respektivaj sferoj — „Himnaro Esperanta“ en Britujo kaj „Evangelia Kantaro“ en Svedujo.

Ĉiujaraj kongresoj de la Kristana Esperantista Ligo Internacia komencis okazi en 1948 en Tostarp, Svedujo. En ili la kantado de himnoj ludis gravan kaj grandan rolon. Pro tio, ke en la unuaj jaroj la Svedaj KELI-anoj multnombre ĉeestis la kongresojn, estis nature, ke oni uzis ĉefe la Svedan libron „Evangelia Kantaro“; sed en kaj post 1958 pli da Britoj ĉeestis, ol antaŭe, kaj oni komencis uzi la Britan libron „Himnaro Esperanta“ paralele kun „Evangelia Kantaro“.

Jam en 1949 la KELI-Jarkunveno en Bournemouth starigis „Kantaran Komisionon“ por prepari internacian kantaron, sed en 1952 ties laboro ĉesiĝis kaj en 1957 oni malfondis la komisionon. Parto de ĝia materialo tamen servis kiel bazo por la nuna libro. (Detalojn vidu en „Nia Historio“ de H. A. de Hoog, p. 124—126.)

En la kongreso de 1952 aperis ĥoro de kongresanoj, kiu prezentis diversajn erojn, sed ĉefe gvidis la kantadon en la Diservo kaj edifaj kunvenoj. Ĥoro fariĝis regula trajto de postaj kongresoj, kaj el tio, kaj el la ĝenerala amo kanti, precipe en harmonio, rezultis la deziro havi komunan internacian Himnaron kun muziko en kvar-voĉa aranĝo.

Ĉi tiu deziro fokusiĝis en la Jubilea Kongreso en Bishop's Stortford, Anglujo, en 1961, kiam la KELI-Jarkunveno decidis eldoni tian libron, kaj elektis tiucele Himnaran Komisionon kun kvin membroj, civitanoj de kvin landoj, inter ili du membroj de la Akademio de Esperanto. Tiu Komisiono laboris dum preskaŭ naŭ jaroj, elektante melodiojn kaj himnojn el multaj nacioj kun la helpo de kunlaborantoj en pluraj landoj. Oni celis havi melodiojn kaj himnojn bone-konatajn kaj amatajn en diversaj landoj. Oni celis ankaŭ, ke la fina kolekto reprezentu kiel eble plej juste la diversajn eklezaijn tradiciojn kaj gustojn troveblajn inter Protestantaj adorantoj. Tamen ankaŭ la nuna konsisto de la membraro de KELI, kiu ne estas simple proporcia al la monda Kristanaro, prave speguliĝas en la farita elekto.

La Komisionanoj decidis, ke ilia unua tasko estu la kolektado de taŭgaj melodioj. El tiuj akceptitaj ne ĉiuj havas la saman muzikan valoron, sed ĉiuj jam alportis grandan benon al miloj da homoj tie, kie ili estas uzataj. Tro banalan muzikon tamen ni ne allasis, kaj ankaŭ pri la kvar-voĉaj aranĝoj ni strebis al plejeble alta kvalito. Krom en du-tri kazoj la melodioj aperas en siaj originalaj formoj, eĉ kiam la evoluo popularigis en diversaj landoj aliajn (inter si malsamajn) formojn. Ekzemple, n-ro 94, „Old Hundredth“. Al la kantanto la originalaj formoj baldaŭ rivelos sian superan forton kaj sian pli grandan belecon laŭ ritmo kaj melodio.

Por eviti pagon por permeso uzi kopirajtajn kvar-voĉajn aranĝojn de tradiciaj kaj popolaj melodioj, ni petis kelkajn kompetentajn muzikistojn fari por nia libro specialajn kvar-voĉajn aranĝojn, aŭ permesi la uzon de iliaj verkoj. Ili volonte konsentis. Pro ilia valora kaj lerta helpo ni tre kore dankas al S-ro Charles Palmer, Britujo, por numeroj 37, 52, 105, 162 kaj 173; al Ges-roj Harold kaj Monica Jenner, Britujo, por numeroj 44 kaj 145; al Pastoro T. Ilmari Haapalainen, Finnlando, por numeroj 160, 178, 187, 207, 214 kaj 257; al S-ro Friedrich Hänssler (senior), Germanujo, por numeroj 97, 209, 226 kaj 228; al S-ro Péter Balla, Hungarujo, por numeroj 128 (melodio + aranĝ.) kaj 190 (mel.); al Prof. Dr. Kálmán Csomasz Tóth, Hungarujo, por numeroj 77 (mel. + ar.), 133 (mel. + ar.) kaj 190; al S-ro Adriaan Engels, Nederlando, por numero 67; al S-ro Bertil Wallin, Svedujo, por numero 108 (mel. + ar.); kaj al S-ro Hermann Stern, Germanujo, por la rondkanto pri la titolvortoj de nia libro.

Post elekto de melodioj oni devis konsideri proponitajn tekstojn ne

nur taŭgajn por la melodioj, sed ankaŭ taŭgajn laŭ enhavo kaj laŭ lingvaĵo. La anoj de la Komisiono tre zorge kontrolis la enhavon kaj la tekston de ĉiuj elektitaj himnoj, kaj multaj bezonis plibonigon aŭ poluradon. Tio kaŭzis tre multe da korespondado kun aŭtoroj kaj eldonintoj. Plej varmaj dankoj estas ŝuldataj (kaj nun donataj) al la ankoraŭ vivantaj aŭtoroj kaj tradukintoj de la himnoj en ĉi tiu libro. Ili ĉiuj volonte kaj senplende konsideris kaj diskutis la proponojn faritajn al ili.

Multaj el la himnoj estas prenitaj, kun permeso, el la jam ekzistantaj himnaroj: Evangelia Kantaro kaj ĝia Aldono (Svedujo); Evangelia Kantaro Eklezia (Germanujo); Himnaro Esperanta, 5-a eldono (Britujo); kaj Cent Himnoj (Norvegujo). Al la redaktoroj kaj eldonintoj de tiuj libroj ni esprimas elkorajn dankojn.

Por faciligi la praktikan uzon de la libro, kaj por liveri historiajn datojn verŝajne deziratajn de iuj, ni donas plurajn indeksojn. La resuma grupigo laŭtema de la himnoj (sur p. 7), kaj la envicigo de ili sub la diversaj rubrikoj, estas iom arbitraj. Serĉante himnon por difinita temo laŭ tiu tabelo, oni do konsideru ne nur la koncernan rubrikon mem, sed ankaŭ parencajn. Ekzemple, la Sveda himno „Nun tago benata" ĉe ni troviĝas inter la maten-himnoj (n-ro 225), kvankam samrajte ĝi povus aperi inter la Kristnaskaj.

Ĉe ĉiu himno ni klopodis principe citi titole la komenc-vortojn en la originala lingvo de la verkinto, kies nomo kaj vivjaroj aperas sub la koncerna teksto. Tamen, se la Esperanta versio estas farita helpe de, aŭ laŭ, alilingva nacia traduko, ni aldonis ankaŭ ties komencvortojn (en la Indekso sur p. 270 inter krampoj) kaj citas inter krampoj la naci-lingvan tradukinton.

Maldekstre super la muziko ni indikas koncizan melodi-nomon, se eble laŭ la Brita-Usona sistemo. Listo de tiuj nomoj estas trovebla sur p. 278. Dekstre super la muziko staras la nomoj de la komponistoj, ofte identaj kun la aranĝintoj.

Plejan intereson por ordinara uzanto de la libro havas la lasta Indekso, kiu listigas ĉiujn tekstojn troveblajn en la libro. Tie, inter krampoj, oni havas la nomojn de la verkintoj de la vortoj en Esperanto, ĉu originalaj, ĉu tradukaj; pluraj nomoj signifas, ke la laste menciita prilaboris kaj pli malpli funde reviziis la tekston. Eĉ kie tio ne estas aparte notita, Prof. W. J. Downes donis, tra la tuta libro, apartan atenton al la lingvaĵo. Simile, pri la muziko aparte zorgis komisionano A. Burkhardt, kiu adaptis multajn el la Germandevenaj aranĝoj. Cetere, la nomita duopo Downes kaj Burkhardt redaktis la definitivan enhavon, komisie de kaj interkonsente kun la tri aliaj komisionanoj, kaj igis ĝin prespreta. Ili ankaŭ zorgis pri la presprovaĵoj kaj teknikaj detaloj. — La tasko estis, principe, provizi muzikon por kvarvoĉa ĥoro, kiu tamen estu samtempe uzebla ankaŭ por iu klavara instrumento (piano, orgeno). Ni forte deziras, ke oni uzu la libron ne nur dum kongresoj, en Diservoj kaj kunvenoj, sed ankaŭ, kaj eĉ pli ofte, hejme por si mem aŭ en la familio. Tio devigis adopti mezan stilon, ne specife ĥoran. Krom la rondkantoj, kiuj prezentas,

kun Kristana enhavo, novaĵon por iuj landoj, kelkaj aliaj numeroj ne estas por kvarvoĉa ĥoro, sed por unisona kantado kun laŭvola piano-akompano (ekzemple 37, 117, kaj aliaj).

Alternativajn melodiojn ni tre ŝpare indikis, kvankam la metriko allasus multe pli da interŝanĝ-eblecoj. Ni volus kuraĝigi la uzantojn alpaŝi ĝuste la ĝis nun fremdajn pecojn kaj ne nur elpreni la konatajn. La malkovro de aliaj — alispecaj kaj ankaŭ nekutimaj — formoj kaj enhavoj ja plej frape pruvos la ekumenan signifon de „Adoru Kantante".

Ni atentigas, ke la nomojn Ciono, Jerusalemo kaj Jesuo ni uzas jen laŭ asimilita, jen laŭ neasimilita, formo, el kio rezultas la tri skribmanieroj: Ciono, Jerusalemo, Jesuo; Cion', Jerusalem', Jesu' (kun akcento sur la lasta silabo); kaj Cion, Jerusalem, Jesu (kun akcento sur la antaŭlasta silabo).

Maldekstre ĉe la piedo de ĉiu himno, kiun ni prenis el la nomitaj libroj, staras indiko al la fonto kun la koncerna numero. Se la indiko aperas inter krampoj, tio signifas, ke la himno en nia libro iom diferencas laŭ teksto de tiu en la font-libro. La aŭtoroj aŭ eldonintoj en ĉiu kazo mem proponis, laŭ nia peto, la faritajn ŝanĝojn, aŭ afable aprobis niajn sugestojn. Ni indikas jene: —

| | |
|---|---|
| CH | Cent Himnoj, trad. H. A. Rosbach, Brumunddal, 1966. |
| EK | Evangelia Kantaro, eld. A. Wallin, Örebro, 1952. |
| EKA | Aldono al EK, eld. K. O. Sandgren, Östansjö, 1962. |
| EKE | Evangelia Kantaro Eklezia, trad. R. Hoppe, Auerbach, 1965. |
| HE | Himnaro Esperanta, eld. M. C. Butler, 5-a eldono, London, 1966. (por n-ro 63, 4-a eldono, London, 1954) |
| KKP | KELI-Kantaro „De Pietersberg", Oosterbeek, 1954. |

Se mankas tia indiko, tio signifas, ke la himno ne estis publikigita antaŭe en libro, do, aperis nur en gazeto, aŭ sur stencilita folio, aŭ estis tute nove tradukita por nia libro. Tial, multaj tradukoj kaj kelkaj himnoj originale verkitaj por ĉi tiu eldono, aperas publike por la unua fojo. Granda nombro el la melodioj, muzikaj aranĝoj, kaj himno-tekstoj estas kopirajtaj. Ĉe aparta uzo de ili, do, troviĝas leĝa risko. Oni estas avertita.

Permeson uzi kopirajtajn himnojn kaj muzikon donis la personoj kaj firmoj menciitaj sur p. 275, aparte de tiuj nomitaj supre en ĉi tiu Antaŭparolo. Steleto indikas, ke oni devis pagi por la permeso, sed plejparte nur nominalan sumon. Ni faris nian eblon komunikiĝi kun la posedantoj de ĉiuj kopirajtaj eroj, kiujn ni uzis, sed ĉe du-tri posedantoj ni malsukcesis, ĉar ili transloĝiĝis kaj ilia nuna adreso estas netrovebla. Se ni hazarde pekis kontraŭ ies kopirajto, ni petas pardonon, kaj ni alĝustigos la aferon post avizo pri la eraro.

Ni anoj de la Himnara Komisiono kaj niaj kunlaborantoj multe kaj longtempe laboris, ĉiam konsciaj pri la graveco de nia tasko kaj ĉiam dependantaj de la ofte kaj fervore petita helpo de Dio, por prepari ĉi tiun libron, sed ĝi ne povus esti eldonita sen la financa helpo de multaj donacintoj kaj antaŭmendintoj, plej multaj el kiuj restas nekonataj. Ni

elkore dankas ĉiujn, kiuj tiel kunhelpis. Apartan dankon ni ŝuldas al la estro kaj la kunlaborantoj de la firmo Friedrich Hänssler KG en Neuhausen-Stuttgart, unu el la plej renomaj muzikeldonejoj en Germanujo, kiuj dum pluraj jaroj akompanis la estiĝon de nia libro per konsiloj kaj helpo, kaj fine certigis teknike bonan prezenton de la verko.

Ni lanĉas ĉi tiun libron kun la fervora preĝo, ke ĝi servu al la pli granda gloro de Dio; ke ĝi venigu grandajn kaj oft-ripetatajn benojn al ĉiuj siaj uzantoj en kaj ekster KELI; kaj ke Dio grace uzadu ĝin por gajni animojn al Si kaj en Sian eternan Regnon.

Februaro 1970.

Å. Ahlrén, Svedujo;
A. Burkhardt, Germanujo;
W. J. Downes, Anglujo;
H. A. de Hoog, Nederlando;
H. A. Rosbach, Norvegujo.

# Tabelo de Enhavo

# Venu, kredantoj **1**

Bunessan — Antikva Gaela melodio

Ve-nu, kre-dan-toj, kan-tu al Di - o! Glo-ra Li es - tas pre-ter i - mag'.— Plej-po-ten-cu- lo, ĉi - on re- gan- ta, Lin kun fer - vo - ro ser - ĉu ni nun.—

2. Venu, kredantoj, kantu al Kristo! / Filo de Dio, nia Savant'. / Kvankam egala al la Di-patro, / Li enkarniĝis en Betlehem'.

3. Ne kiel reĝo inter riĉuloj, / sed kiel bebo de virgulin', / kiu Lin naskis ne en la hejmo, / sed sur la fojno en besta stal'.

4. Tamen anĝelo Lian alvenon / ĝoje anoncis al paŝtistar'. / „Gloro al Dio en la plejalto, / paco sur tero kaj Di-favor'.“

5. Kreskis la Bebo, kaj Li fariĝis / de l'Dia vero viva Perant', / Lumo de l'mondo, Pano de l'vivo, / Bona Paŝtisto por Sia greg'.

6. Por ni Li mortis, krucumiĝinte, / Dia Ŝafido, elaĉetaĵ'/ por la pekuloj de l'tuta mondo, / anstataŭanta ofer-viktim'.

7. Sankta Spirito, Dia Gvidanto, / lumon de l'vero verŝu sur nin. / Forta Helpanto, tenu nin firme, / por ke neniam vagu ni for.

8. Do ni al Patro, Filo, Spirito, / kantu fervore pri nia sav', / pri la mirinda, neesprimebla, / save-serĉanta amo de Di'.

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1967

## Herre Gud, ditt dyre navn og ære 2

Deus Fortis

Norvega popolmelodio

Sank-ta Di- o, Vi-a nom' kaj glo - ro en la mon-do

bri - lu en__ ho - - no - ro! Kaj en a - ni - mo sub

ŝarĝ' de ti - mo, de pek' kaj krimo, kun laŭd' sen li -mo en ko - ro!

2. Kaj se homoj povus eĉ forgesi / nomon gloran de l'Sinjor' konfesi, / aŭdiĝus sono / el osto, ŝtono, / pro Lia bono, / ke Dia kono / progresu. (Lk. 19:40)

3. Eĉ se mond' disiĝus je nenio, / eĉ se ĉiu mortus, restus Dio! / Kaj flugus miloj / inter la steloj / sur la ĉieloj / kiel anĝeloj / al Dio.

4. Montoj, valoj, ja al malapero / kondamniĝis ĝis la lasta ero! / Post tio puna / pro ĉio nuna, / de Dio suna / kreiĝas juna / la tero.

CH 95 Petter Dass, 1647-1707

## All creatures of our God and King 3

Lasst uns erfreuen Geistliche Kirchengesäng, Kolonjo 1623

Vi, kre- i - ta-ĵoj de l'Sín-jor',kun- kan-tu vi en vas-ta

ĥor':Ha-le -- lu -- ja! Ha-le-- lu -- ja! Ar-

dan-ta sun'kun or-ra-- di', ar - ĝen-ta lun' kun mild-ma-




2. Vi ŝtorma vent' kun pulsa pel', / Vi nuboj alte en ĉiel', / Lin laŭdegu, Haleluja! / Vi nov-maten' kun ben-promes', / vespero kun trankvil-kares', / Lin laŭdegu, Lin laŭdegu, / Haleluja, Haleluja,/ Haleluja!

3. Vi akvoj kun kristala flu' / muziku por Sinjor' Jesu', / Haleluja, Haleluja! / Potenca fajr' kun bena rol', / servanta laŭ la Dia vol', / Lin laŭdegu, Lin laŭdegu, / Haleluja, Haleluja, / Haleluja!

4. Patrino-ter', el kies sin' / abundon ĉerpas ni sen fin', / Lin laŭdegu, Haleluja! / Kaj en vi ĉiu frukt' kaj flor' / ateste al la Dia glor' / Lin laŭdegu, Lin laŭdegu, / Haleluja, Haleluja, / Haleluja!

5. Kaj homoj kun responda kor' / en frata rond' kaj kun fervor' / ĝoje kantu: Haleluja! / Portantoj de dolor', malĝoj', / Lin fidu sur la vivovoj', / Lin laŭdegu, Lin laŭdegu, / Haleluja, Haleluja, / Haleluja!

6. Kaj vi, bonkora, milda mort', / gvidanto al ĉiela sort', / Lin laŭdegu, Haleluja! / Per vi triumfis la Sinjor', / de nia savo la Aŭtor', / Lin laŭdegu, Lin laŭdegu, / Haleluja, Haleluja, / Haleluja!

7. Lin ĉio ajn de ĉia spec' / adoru kun kor-humilec', / Lin laŭdegu, Haleluja! / Al Patro, Filo kaj Spirit' / resonu ben' sen intermit', / Lin laŭdegu, Lin laŭdegu, / Haleluja, Haleluja, / Haleluja!

Laŭ S-ta Francisko de Asisi, 1181-1226,
en la Angla reverkis William Henry Draper, 1855-1933

# Allein Gott in der Höh sei Ehr **4**

Allein Gott — Nikolaus Decius, 1529

Al Di- o so - la es - tu glor' kaj dank'pro Li - a
ĉar li - be- ri - ĝis ni - a kor' de ĉi - u ajn mi-

gra - co, Fa - vo-re Li ri - gar- das nin;nun re- gas gran-da
na - co.

pac' sen fin'. Kon- flik- toj de- vis ĉe- si.

2. Vin benas nia laŭda preĝ'; / pro Via glor' ni dankas, / ke Vi eterne estas reĝ'; / potenc' al Vi ne mankas. / Pro Via forto sen mezur' / obeas homoj kaj natur'. / Ho, kia bona Estro!

3. Jesuo Kristo, sola Fil' / de Via Patro glora, / Vi, la unika kuracil' / por pek-malsan' dolora, / ŝafido Dia, Di-Sinjor': / Aŭskultu voĉon de l'angor', / kaj ĉiujn nin kompatu!

4. Spirito Sankta, alta don', / helpema konsolanto, / nun gardu ĉiujn de malbon', / al kiuj la Savanto / pardonis pro la krucdolor'. / Mizeron, timojn turnu for. / Ni firme Vin konfidas.

Nikolaus Decius, 1480-1529

# Mely igen jó az úr Istent dicsérni



el Psalmo 92

Psalmo 92

Hungara popolmelodio, 16a jarcento

Ki - el bo - ne es - tas, glo - ri Vin, Sin - jor', Plej-Al - tul', kaj laŭ - di nun en ĝoj - a - dor' Vi - an sank - tan no - mon per ju - bi - la kant', kaj pro-kla - mi vas - te ĝin en ĉi - u land';

2. kompatemon Vian jam en frumaten' / diskonigi; pensi eĉ post nokt-alven' / pri justeco Via. Harp' kaj violon' / Vin honoru, ĉia instrumenta son'!

3. Observante, ke fariĝas Via vol', / mi pleniĝas de mirinda grac-konsol'. / Mi prikantos ĝoje, kion Via man', / ho Kreinto, faras laŭ eterna plan'.

4. Kiel palmoj verdas ĉiuj, kiuj sin / al Vi kroĉas kun fidanta kor-inklin'. / Kiel cedroj sur la alta Lebanon' / la piuloj staras ĉe la Dia tron'.

5. Antaŭ ĉiuj homoj nun rakontu ni, / kiel justa estas nia granda Di'. / Li neniam trompis. – Kiuj fidas nur / tiun rokon, ĉiam vivas en sekur'.

Mihály Sztárai, -1575

# O worship the King



Psalmo 104

Hanover

William Croft, 1678-1727

A - do - ru ni nun la Re - ĝon de glor', kaj kan - tu ni kun laŭ - de - go — el — kor': po - ten - ca, am - ple - na, de ĉi - o la Font', ja Di' su - ve - re - na, e - ter - na Sa - vont'.

2. Prikantu do Lin, / reĝantan kun grac'. / Stelarojn sen fin' / Li kreas en spac', / kaj ankaŭ fulm-nubojn / minacajn laŭ form'; / Li rajdas kerubojn, / heroldojn de l'ŝtorm'.

3. Tutpova Vi, Di', / pratempe per vort', / intence por ni / kaj nia bon-sort', / establis la teron / per firma dekret', / kaj kaŝis misteron / en ĉiu floret'.

4. Al la kreitar' / ja mankas neni'. / Laterloĝantar' / klarvidas, ke Vi / provizas abunde / por ĉies bezon'. / Ni dankas profunde / pro ĉia am-don'.

5. Mallonga la viv' / de ni sur la ter'; / fatala la driv' / al fina mister'; / sed ne al Infero, / ĉar fido al Di' / kaj la Krist-ofero / nin savos de ĝi.

6. Leviĝas de l'ĥor' / anĝela la laŭd' / al Vi, Di-Sinjor', / kun ĝoja aplaŭd'. / Simile de l'tero / leviĝas, ho Di', / kun arda sincero / laŭdkanto al Vi.

Robert Grant, 1779-1838

# Praise the Lord, ye heavens adore Him 7

St. Oswald

John Bacchus Dykes, 1823-76

Ho an - ĝe - loj, la Sin - jo - ron a - do - ra - du en ĉi - el'!

Ĝo - je laŭ - du . Li - an glo - ron su - no, lu - no, ĉi - u stel'!

2. Laŭdu Lin, ĉar Li regadas, / de la universo Reĝ', / kaj la mondoj obeadas / al konstanta Lia leĝ'.

3. Laŭdu pri la gloro Dia! / Ne pereos Lia vort'; / venkos sanktularo Lia; / neniiĝos peko, mort'.

4. Estu Lia pov' laŭdata / de l'ĉiela anĝelar'; / Lia nomo adorata / de la tuta kreitar'.

HE 7

Foundling Hospital Collection, ĉ. 1804

# Jubile kantas mia kor' 

Festus — Adaptita de melodio en Gesangbuch de Freylinghausen, 1704

Ju - - bi - le___ kan - tas mi - a kor', tra -
flu - as min__ ĉi - e - la ĝoj'. Ren - kon - tis__ min Je -
su - o___ kaj Li___ res - tas kun__ mi___ sur la voj'.

2. Ne plu mi marŝas en mallum' / de erariga homa saĝ'. / Mi iras en la lum' de Di', / brilanta de la Krist-vizaĝ'.

3. La tagon ĝoje benas mi, / en kiu kun mirakla grac' / al mi Li montris Sin en glor', / kaj gajnis min el mort-minac'.

4. Ne plu kondamnon timas mi, / ne plu turmentojn de l'infer'. / Li mortis por mi sur la Kruc', / Li savis min per Sin-ofer'.

5. Pro Lia am' kaj mia fid', / fariĝis mi de Di' infan'; / ne povas ia ajn potenc' / forŝiri min el Lia man'.

6. Mi pensas kun mirego pri l' / promesoj de l'evangeli'. / Ne povas mi ne kanti, ĉar / plenumas ilin Krist' por mi.

7. Ĝojante, kaj kun danka kor', / de tag' al tag' mi servas Lin. / Por mi kaj por la gefratar' / plej glora estas la destin'.

Originale verkita en Esperanto de W.J.Downes, 1967

## Ye servants of God **9**

Melodio: Hanover, n-ro 6

1. Servantoj de Dio, / proklamu kun fort' / la nomon Jesuo / per bela akord'; / la nomon de l'nomoj, / konsolon de l'ter', / proklamu ĝin, homoj, / je ĉies esper'.

2. De l'trono sublima / regadas nin Di', / kaj tamen proksima / Li estas al ni. / En Kristo Li savis, / Lin laŭdu per kant', / de l'pekoj nin lavis / Jesu' la Savant'.

3. Kun Dio nun paco / pro Krist' la Sinjor', / tra l'Dia palaco / eksonas la ĥor'; / anĝeloj Lin gloras, / laŭdkantas sen fin', / savitoj honoras / kaj dankas nur Lin.

4. Nun ĉiuj Lin gloru / pro Lia potenc', / nun ĉiuj adoru / pro Lia pacienc'. / Per amo senfina / saviĝis la mond', / kaj danko senlima – / jen nia respond'.

Charles Wesley, 1707-88

KKP 4

## Halleluja, Amen **10**

Rondkanto por 2 voĉoj

Tradicia






# Ich singe dir mit Herz und Mund **11**

Nun danket all und bringet — Lyon 1547/Johann Crüger, 1598-1662

Kan - ta - das mi - a___ buŝ' al Vi, ho ĝoj' de mi - a kor', kaj sur la ter' pro - kla-mas pri l'bo - na-ĵoj de l' Sin - jor'.

2. Mi scias, ke l'eterna font' / de ĉiu graco Vi, / el kiu fluas por la mond' / la beno pli kaj pli.

3. De kiu venas la ĉiel' / en alta grandioz'? / De kiu por la kampa bel' / la pluvo kaj la ros'?

4. Kaj kiu ŝirmas nin en frost' / kaj kontraŭ la tempest'? / Pro kiu kreskas fruktoj, most' / kaj vino por la fest'?

5. De kie venas vivo-san' / al ni kaj al la plant'? / Kaj kiu tenas en la man' / la pacon por la land'?

6. Ho, mia Dio, estas Vi, / de kiu ĉiu fort'. / Vi estas ŝirmogard' por ni / kaj staras ĉe la pord'.

7. Vi nombras larmojn de kristan' / kaj kio premas lin. / Vi vidas larmon de infan' / kaj tuj sekigas ĝin.

8. Ek, ĝoje kantu, mia kor', / kaj kuraĝiĝu, hom'! / De Dio venas ĉiu flor', / la bon' en via dom'.

9. Do, lasu Lin nun agi plu / kaj ne kontraŭu Lin! / La paco estos Via ĝu', / eterne gardos vin.

(EKE 16) — Paul Gerhardt, 1607-76

# Eternulo, granda Dio



Rhuddlan

Kimra tradicia melodio

E - ter - nu - lo, gran-da Di - o, en ma-jes- to re - gas Vi
as - trojn en plen - har-mo-ni- o, flu- on de mond-his - to-ri'.
Do-nu sa - ĝon kaj ku - ra - ĝon, por ke re - gu Vi en ni!

2. Jen minacas nin potenco / de l'malbono sur la ter', / kaj insidas kun intenco / kapti nin por la infer'. / Donu saĝon / kaj kuraĝon, / por nin savi el danĝer'!

3. Ŝiras Eklezion Vian / kredataĵoj en sincer', / ĉar ne karitaton Dian / montras ni en Krist-liber'. / Donu saĝon / kaj kuraĝon, / unuigu nin en ver'!

4. Fondis regnon Vi, ho Kristo, / por bonfarto de l'homar'; / ĝin etendi kun persisto / strebu ni, la Di-idar'! / Donu saĝon / kaj kuraĝon / cele servi sen erar'!

5. Granda la honoro nia / partopreni en labor' / kun la mond-Savanto Dia — / Lin konfesas ni Sinjor', / en fidelo / ĝis ĉielo / kaj la promesita glor'!

Originale verkita en Esperanto de W.J.Downes, 1968

# Großer Gott, wir loben dich



Hursley

Vieno, 1774

Gran-da Di', ni laŭ-das Vin, Vi - - ajn ver - kojn ni ho - no - ras;
kun la mond' ni kli - nas nin, kaj pro Vi - a fort' Vin glo - ras.
Tra l'mil - ja - - roj res - tas Vi, la e - ter - - na sa - - ma Di'.

2. Antaŭ la eterna tron' / en la gloro de l' ĉieloj / sonas unuvoĉa ton', / ĉar savitoj kaj anĝeloj / kantas en potenca ĥor: / „Sankta, sankta, la Sinjor'."

3. Sankta, ho, Sinjor', Regant' / de l' ĉielaj regimentoj, / ĉiam estas Vi venkant'! / Ter', ĉielo, maroj, ventoj, / plenas do de Via glor', / tial laŭdas nia kor'.

4. Je honor' de l' Patro ni / ĉie, homo kaj infano, / kun la tuta Eklezi' / himnas pri la Dia amo. / Kaj je l' tron' de la Savant' / sonas nia laŭda kant'.

5. Ho, Spirito, sankta Reĝ', / kiu ĉiam nin instruas, / kaj konsolas; ni kun preĝ' / antaŭ Via glor' genuas. / Kun la Fil' kaj l' Patro Vi / ja eterne estas Di'.

Laŭ la latina himno „Te Deum laudamus"
Ignaz Franz, 1719-90

## Praise the Lord, His glories show — 14

Psalmo 150

Llanfair — Robert Williams, c. 1781-1821

L'E - ter - nu - lon laŭ - du_ ni, Ha - - - - le - - lu - ja!
a - do - rant - oj ti - e_ ĉi, Ha - - - - le - - lu - ja!

kun an - ĝe - loj en_ la_ glor', Ha - - le - lu - ja!

Kantu unisone

kan - tu_ kun ĝoj - ple - na_ kor', Ha - - - le - - lu - ja!

2. Mireginda Lia am'; / tial sonas la aklam' / el jarcentoj longe for, / kaj de ni en nuna hor'.

3. Ĝoju ni pri la donac' / de la Kristdonata pac'; / pri la rava perspektiv' / de la enĉiela viv'.

4. Ĝoju, ĉar el Patra man' / venas ĉiutaga pan'; / danku pro anim-trankvil', / elaĉeto per la Fil'.

5. Kun instiga elokvent' / sonu ĉiu instrument';/ ni kunkantu en ador' / laŭdon al la Di-Sinjor'.

Henry Francis Lyte, 1793-1847

## Angel voices ever singing 15

Angel Voices

Edwin George Monk, 1819-1900

Vin an-ĝe - loj— him - nas ĉi- am en ĉi - e - la glor';—

de la har-poj ja ne - ni - am ĉe - sas la so - nor',——




2. Vin la universo laŭdas / trans la okulvid' – / ĉu Vi efektive aŭdas / preĝojn de homid'? / Jes, Vi ĉiam nin atentas; / tion sentas / nia fid'.

3. Ni Vin dankas, Dio, kiu / tiel amas nin; / nun por Via laŭdo ĉiu / kantu en kombin' / sur la tero, en ĉielo, / kun la celo / glori Vin.

4. Danke ni al Dio donas / ĉion tie ĉi; / tamen, kion ni disponas / jam posedas Li. / El animo, voĉo, koro, / estu gloro / nun al Di'.

5. Adorado laŭ merito / estu al Jesu', / kun la Patro kaj Spirito, / sankta Triunu'; / ĝoja laŭdo sonu ĉiam / kaj neniam / ĉesu plu.

HE 10

Francis Pott, 1832-1909

# Rejoice today with one accord **16**

Melodio: Ein' feste Burg, n-ro 84

1. Hodiaŭ ĝoju ĉies kor', / elsonu gaja kanto; / laŭdata estu la Sinjor', / de l'mondo la Savanto. / Montriĝas Lia glor' / en ĉiu am-labor', / Li sola estas Di', / kompatis Li al ni; / sanktuloj Lin adoru.

2. Li el aflikto savis nin, / aŭskultis nian krion; / pri ĉio nur fidadu Lin, / kaj timos vi nenion. / Laŭtiĝu do la psalm' / de kora danka am', / kaj kune kantu ni / en ĝoja laŭd' al Li; / konstante Lin adoru.

strofo 3 = strofo 1

HE 18

Henry Williams Baker, 1821-77

# Holy, Holy, Holy! 

Nicaea — John Bacchus Dykes, 1823-76

1. Sank - ta, sank - ta, sank - ta! Di - o a - do - ra - ta!
Fru - e en ma - te - na ho - ro Vin al - pre - ĝas ni.
Sank - ta, Sank - ta, sank - ta! for - ta kaj kom - pa - ta!
En tri Per - so - noj u - nu glo - ra Di'!

2. Sankta, sankta, sankta! Ĉe la vitra maro / ĵetas la sanktuloj siajn kronojn antaŭ Vi! / Tuta kerubaro kun la serafaro / Vin adoradas, Eternulo Di'!

3. Sankta, sankta, sankta! Al la homokulo / peko vualadas nun la gloron de l'vizi'. / Nur ĉe Vi troviĝas plene, sen makulo, / amo perfekta, Ĉiopova Di'!

4. Sankta, sankta, sankta! Dio adorata! / De la tuta kreitaro sonas laŭdo-kri'. / Sankta, sankta, sankta! Forta kaj kompata! / En tri Personoj unu glora Di'!

(Apok. 4: 2-11)

HE 24

Reginald Heber, 1783-1826

# Lobe den Herren, den mächtigen

18

Lobe den Herren

Stralsund 1665/Halle 1741

Laŭ-du ni Di - on, ma-je-ste tro-nan-tan en glo - - ro.
Lin ĉi - o - po - van ni laŭ-du kun sank-ta fer - vo - - ro.

Stre - ĉu ĝis lim' for - tojn ni de la___ a -

nim'; in - da ja es - tu___ l'a - do - - - - ro!

2. Laŭdu ni Dion, ĉar bela Li kreis la teron. / Kaŝis en ĉio pri Li parolantan misteron. / En sorĉa hor' / povas respondi la kor', / kiam Li flustras la veron.

3. Laŭdu ni Dion, prafonton de ĉiu donaco. / Kiam Li kreis la mondon kun vigla sagaco, / zorgis Li pri / ne nur la tera medi', / ankaŭ pri l'homa korpaco.

4. Laŭdu ni Dion, en alta ĉielo la Reĝo. / Sian popolon Li gvidis per vivdona Leĝo. / Lin do kun ĝoj' / servos ni sur vivo-voj', / kun Li ligite per preĝo.

5. Laŭdu ni Dion, kompatis Li homan mizeron. / Volis kun justo nuligi propekan koleron – / Venis Jesu', / mortis kun sanga elflu', / por ni akiris liberon.

6. Laŭdu ni Dion, plejalta, potenca en amo. / Kantu plenvoĉe kaj danku per bela aklamo. / Nia ador' / pro la eterna favor' / brilu al Li kiel flamo!

(komparu HE 16) Sub inspiro de la himno de Joachim Neander, 1650-80, originale verkita en Esperanto de W.J.Downes, 1967

## Sei Lob und Ehr dem höchsten Gut **19**

Sei Lob und Ehr

Johann Crüger, 1598-1662

Ho - nor' kaj laŭd'al ni - a Di', ĉar pa - tre kun po- ten - - co
mi - ra-klojn ĉi - am fa - ris Li laŭ Si - a pro - vi - den - co.

Pro - fun-de Li kon - so - las nin, ke




2. La anĝelaro dankas Vin, / Sinjor' de l'alt-ĉieloj. / Sur tero kaj en mara sin', / tre fore inter steloj, / laŭdegas ĉio Vin, kaj en / konsento kantas ni Amen. / Al nia Di' honoro!

3. La universon tenas Li / konstante en la mano, / kun malavara simpati' / Li pensas al l'homaro; eternan regnon fondis por / fidantoj al la Di-favor'. / Al nia Di' honoro!

4. Kredantoj al la Dia Fil', / mortinta por la mondo, / Lin danku pro anim-trankvil' – / de l'vero Li la Fonto! / Do, falsajn diojn moku vi, / la Eternulo estas Di'. / Al nia Di' honoro!

5. Ho, venu al la Dia dom' / kun ĝojoplena koro! / Ĝojkantu ni al Lia nom' / en jubilanta ĥoro: / „Glorinda estas nia Di', / mirinde faris Li por ni!“ / Al nia Di' honoro!

(EKE 18) Johann Jakob Schütz, 1640-90

*Kantu al la Eternulo novan kanton; kantu al la Eternulo la tuta tero. Kantu al la Eternulo, gloru Lian nomon, proklamu de tago al tago Lian savon. Rakontu inter la popoloj Lian gloron, inter ĉiuj gentoj Liajn miraklojn. Ĉar la Eternulo estas granda kaj tre glorinda. Ps. 96: 1–4*

# Wij knielen voor Uw zetel neer



Gregor

17a jarcento, Herrnhut/Christian Gregor, 1723-1801

Ni an - taŭ Vi - a tron', Sin - jor', pre - zen - tas_ ni - an

pre - - ĝon, kun ĉi - uj, ki - uj_ en a - dor' ĉir -

kaŭ - as Vi - an se - - ĝon. Al Vi sin kli - nu

ĉi - u hom', ho, Di - a a - tes - tan - - to! Por




2. Sur kruco mortis Vi por ni, / kaj fluis Via sango; / per ĝi, la Viajn levas Vi / al pastra, reĝa rango. / Portanto de la glorokron', / Venkanto de la morto! / Tra l' tuta ter' eksonu ton' / de dank' pro Via forto!

3. El tomb' de mort' Vi levis Vin / por savo de l' nacioj. / Kaj iam, ĉe la mondofin' / en brilaj lumradioj, / sur nuboĉaro vidos ni / reveni Vin en gloro, / kaj kun la tuta eklezi' / Vin laŭdos en adoro!

4. La temp' senhalte fluas plu, / ĝis venos tiu horo. / Kaj jam krepuskas nova lum', / herold' de tiu gloro! / Jam sin trarompas granda ĝoj': / Li venos, venos tamen; / ĝojkantu nun. Haleluja! / Jubilu! Amen, amen!

Clara Feyoena van Raesfelt-van Sytzama, 1729-1807

# El la bela mondo

**21**

Melodio: Glenfinlas, n-ro 184

1. El la bela mondo / niajn korojn ni / levas dankoplene, / Dio, nun al Vi.

2. Dankon pro la ĝojo, / kiun pli kaj pli / ni geknaboj trovas / ĉie ĉirkaŭ ni.

3. Nun pri niaj pekoj / ho pardonu nin; / donu Vian helpon, / ke ni servu Vin.

4. Ĉiam kun sincero / ni obeu Vin; / dum la tuta vivo / kondukadu nin.

HE 257

Originale verkita en Esperanto de R.W.Eland

# Nun danket alle Gott



(Now thank we all our God)

Nun danket

Johann Crüger, 1598-1662

Nun Di- on dan-ku ni per ma- no, vo -ĉo, ko - ro!
Ĝo - je - gas tu - ta mond' pro Li - a bon-fa - - vo- ro.
De fru - a in - fa - - nec' Li be - nis nin sen fin', kaj
sur la te - ra voj' an - - ko - raŭ gvi - das nin.

2. Ni preĝu nun, ke Li / eterne apudestu; / en ĉiu ĝoja kor' / la paco bene restu; / per ama forta man' / Li ĉiam gardu nin, / ĝis fine en ĉiel' / ni danke gloros Lin.

3. Laŭdata estu Di' / la Patro, kaj dankataj / la Filo, la Spirit', / egale honorataj! / Al unu sola Di' / senĉese sonu ĥor', / el tero kaj ĉiel', / de amo kaj ador'.

Martin Rinckart, 1586-1649
(en la Anglan tradukis Catherine Winkworth, 1829-78)

HE 9

# Jag lyfter ögat mot himmelen



Okulojn levas

Oskar Lindberg, 1887-1955

O - - ku - lojn le - vas ĉi - - e - len mi, la
ma-nojn ku - ne mi plek - tas. In - - fan - a - mi - ko, al
Vi, ho Di', mi vo - lon, pen - son di - - rek - - tas.

2. Ĝojiĝe estas, al kara Di' / volonte danki kaj laŭdi. / Mi certe scias: min vidas Vi / kaj ne rifuzas min aŭdi.

3. Por ĉiu bono Vin dankas mi, / por amo, kono, akiro. / Mi dankas, Patro, por multe pli / sen nomo kaj sen eldiro.

4. La manon tenu Vi super mi / en Patra bon' sen ŝancelo. / Kreskigu min por la vivo, Di', / en regno de la ĉielo.

J.L.Runeberg, 1804-1877

EKA 45

Kun permeso de Nordiska Musikförlaget, Stockholm

# Tack, o Gud, för vad som varit

**24**

Dankon Di'

J. A. Hultman, 1861-1942

Dan-kon, Di', por Vi - a do-no jam pli fru - e ti - e
ĉi kaj por Vi- a sa - ma bo - no en la ho - ro nun ĉe
ni. Dan-kon por prin-tem-pa var - mo kaj mal - he - lo de l'aŭ-
tun', por jam for-ge - si- ta lar - mo,kaj por pa-co mi-a nun.

2. Dankon por la malkaŝita / kaj la manka interpret', / por la preĝo respondita / kaj la rifuzita pet'. / Dankon por la viv-mistero / kaj por help' en la bezon', / por la grac' kaj ĝia vero, / por la paciganta tron'.

3. Dankon por la vivĉielo / kaj la nub' sur ĝia fon', / por la Dia suna helo, / ankaŭ por la nigra ton'. / Dankon por la tent', batalo, / kaj por plenumita rev', / por la graco en fatalo, / por la peto sen ricev'.

4. Dankon por la roza krono / kaj la dornoj apud ĝi, / por ŝtuparo al la trono / kaj ĉiela hejmo, Di'. / Dankon por la krucsufero / kaj por fina beatec', / por la respondita ero, / por la tuta eternec'.

EKA 34 — Aug. Storm, 1862-1914

## Sentas mi solenan miron — 25

Melodio: Rhuddlan, n-ro 12

1. Sentas mi solenan miron / en profundoj de la kor' / pri la sankta Eternulo, / Reĝo en ĉiela glor', / kiu, kvankam homoj pekis, / amis ilin ĝis dolor'.

2. Li ne restis kun trankvilo / en senzorga forgesem', / sed kompatis la homaron / sub de pek' la anatem'; / kiel Patro volis havi / la infanojn en la hejm'.

3. Vokis Li per la profetoj, / montris Sin en histori'; / en pleneco de la tempo / mem homiĝis inter ni, / plenumante la promeson / pri la veno de l'Mesi'.

4. Volis Li starigi regnon / de ĉielo sur la ter'. / Li predikis kaj miraklis, / fine mortis kun sufer', / elaĉetis nin, kredantojn, / el teruroj de l'infer'.

5. Pro l'mirinda am' de Kristo / ja ĝojegas mia kor'. / Kredas mi l'evangelion / danke al la Di-Sinjor', / kiu tenas min sekure, / benas min tra ĉiu hor'.

6. Kiel vundas Lian koron / rifuzantoj de la grac', / kiu savus la animon / de fatala mort-minac'. / Sed kun amo necedanta / ilin vokas Li al pac'.

7. Piku nin kompato sama! / Kunlaboru ni kun Di' / savi homojn obstinantajn / en spirita apati'. / Ni kantigu la anĝelojn / pri la venkoj de l'Mesi'!

Originale verkita en Esperanto de W.J.Downes, 1969

# Lord of all being



Arizona

Robert Henry Earnshaw, 1856-1929

Di - o, re - ĝan - ta en ĉi - - el', ni vi - das
Vin en sun' kaj stel'; cen - tro, a - - nim' de
ĉi - u sfer', sed kun ni an - kaŭ sur la ter'.

2. Suno de l'vivo! Hele Vi / vojon lumigas antaŭ ni. / Stelo de l'nokto! Via glor' / esperon donas al la kor'.

3. Noktmezo, se Vi kaŝas Vin; / tago, se Vi surbrilas nin. / Arko ĉiela, Via ben'; / kaj nia peko, nubkurten'.

4. Dio de ĉio sur la ter', / Fonto de lumo, amo, ver', / antaŭ majesta Via tron', / malhela estas ĉiu kron'.

5. Per vero liberigu nin; / kun ardo ni adoru Vin; / en ĉiu koro brulu.flam' de sankta elĉiela am'.

HE 15

Oliver Wendell Holmes, 1809-94

# God the omnipotent

**27**

Russia (Rephidim) — Aleksis Fedoroviĉ Lvov, 1799-1871

Di - o ma - jes - ta, ki - u or - do - nas ven - tojn kaj
ful - mojn, re - ĝan - te en glor'; Vi el ĉi - e - - lo la
mon-don dis-po-nas: do - nu la pa - con al ni, ho Sin - jor'.

2. Dio potenca! juste kolera, / montru kompaton pri nia dolor'. / Nin ne forlasu en horo danĝera: / donu la pacon al ni, ho Sinjor'.

3. Dio kompata! Ni honte konfesas: / de Via vojo vagadis ni for: / sed Vi pardonon post pento promesas: / donu pardonon al ni, ho Sinjor'.

4. Dio plensaĝa! La mondon ni vidos / ĝoja, libera, pro Via favor'; / tra la mallumo la regno rapidos: / en Via tempo ĝi venos, Sinjor'.

5. Nin do timigas nenia danĝero; / Vin ni laŭdados kun fido en kor'; / ĉie regados la paco sur tero: / ĉiu nacio Vin laŭdos, Sinjor'.

HE 206 — Henry Fothergill Chorley, 1808-72

# Jag kan icke räkna dem alla



Neniam mi povos

Albert Lindström, 1853-1935

Ne - ni - am mi po-vos kal - ku - li la spertojn de Di-a fa -

vor'. La ros' i - lin vo - las spe - gu - - - li ma -

te - ne en nom-bro kaj glor'. Ne - ni - am mi po - vos kal -

ku - - li la sper - tojn de Di - a fa - vor'.

2. Simile al granda stelaro / sen nomo kaj sen numeral' / la amo briladas en klaro / eĉ inter la ombroj de l'val'. / Simile al granda stelaro / sen nomo kaj sen numeral'.

3. Kalkuli neniam mi povos, / sed ho, ke mi danku des pli! / La pruvon de amo mi trovas / en gracaj mirakloj al mi. / Kalkuli neniam mi povas, / sed ho, ke mi danku des pli!

Lina Sandell-Berg, 1832-1903

EKA 8 — Kun permeso de Nordiska Musikförlaget, Stockholm

# Helige Fader, kom och var oss nära — 29

Lobet den Herren — Johann Crüger, 1598-1662

1. Sank - ta Di - pa - tro, es - tu nun prok - si - ma. Sper - ton al - sen - du pri la fort' a - ni - ma. Vi, Do - na - can - to de la don' sen - li - - ma. Aŭ - du nin, Pa- - tro.

2. Krist', kiu mortis por ni ĉiuj, venu. / Aŭdu, ni vokas: Per la savo benu, / gvidu kaj portu, nin de fal' retenu, / Vi, nia forto.

3. Dia Spirit', al vero nin gvidanta, / venu malsupren, Vi kolombo sankta. / Benon inspiru al anim' preĝanta. / Amen, jes amen.

(EKA 3)

Jakob Timotheus Jakobsson, 1840-1912

# Du store Gud

**30**

Du store Gud

Sveda popolmelodio

Ho gran - da Di - o, ki - am mi ri - gar - das la mi - rin -
kaj ke sen - ĉe - se Vi - a a - mo ar - das por te - ni

da - ĵojn, ki - ujn kre - is Vi,
ĉi - on en plen - har - mo - ni';

Rekantaĵo 1-4

A - ni - mo mi - a glo - ras Vin per kant', ho gran - da Di', ho gran - da







2. Pri Vi parolas la somera vento, / kaj floroj odorantaj en kampar', / trilantaj birdoj en vespersilento / sennombraj voĉoj de la kreitar'.

3. Miraklojn vidas mi en la Biblio, / faritajn jam de tempo de Adam'; / dum ĉiuj jaroj de mondhistorio / ne ĉesis Via gracoplena am'.

4. Kaj kiam mi memoras pri la gloro / de mia savo per la Krist-ofer', / mi klinas min kun adorad-fervoro, / dankante Vin kun pura kor-sincer'.

5. Kaj fine falos ĉiuj tempvualoj, / kaj bonvenigos min Imanuel'; / ravege sonos la anĝel-ĥoraloj; / ekĝuos mi la gloron de l'ĉiel'.

Des pli mi laŭde gloros Vin per kant', / kaj dankos Vin, ho bona Di'. / Des pli mi laŭde gloros Vin per kant', / kaj dankos Vin, ho bona Di'.

Carl Boberg, 1859-1940

*Ho Eternulo, nia Sinjoro, kiel majesta estas Via nomo sur la tuta tero! Kiam mi rigardas Vian ĉielon, la faron de Viaj fingroj, la lunon kaj la stelojn, kiujn Vi estigis: Kio estas homo, ke Vi lin memoras? Kio estas homido, ke Vi pensas pri li?* *Ps. 8: 1. 3. 4*

# Veni, redemptor gentium



Melodio: Veni redemptor gentium, n-ro 87

1. Mondsavanto, naskis Vin / pura, sankta virgulin'. / Al Jesu' miraklo jen / decis esti la alven'.

2. La miraklon vidis ni, / agis la Spirit' de Di': / Viva Vort' sin vestis per / karno kiel hom' sur ter'.

3. Li naskiĝis, tamen sen / iu pek', kaj venis en / mondon kiel hom' kaj Di', / savon nun proponas Li.

4. Venis Li de Di' al ter', / iris pluen al infer', / sidas nun kun venka kron' / ĉe la Patro sur la tron'.

5. Venkis Vi per karna mort', / tia estas Dia fort'; / helpu dum atakoj de / la satana grand-arme'.

6. Lumon el ĉiela hal' / portis Vi al Via stal'; / nokto, morto kaj mizer' / ne plu regas sur la ter'.

7. Dio Patro kaj la Fil' / kaj Spirito en la bril': / Kun eterna laŭdo ni / dankos Vin, ho sola Di'!

CH 31 — Aurelius Ambrosius, episkopo de Milano, 340-397

# Macht hoch die Tür



Psalmo 24: 7-10

Macht hoch die Tür — Johann Anastasius Freylinghausen, 1670-1739

Vin le - vu, por - do kaj___ lin - tel'! La Re - ĝo ve - nas

de l'— ĉi - el', de ĉi - uj reg - noj la re - gant', por

ĉi - uj gen - toj la — Sa - vant'. Kun Li a - pe - ras

viv'— kaj sav'; ju - bi - lu do pro ĝoj'— kaj rav': Be -

na - ta — la — Sin - jor', — Kre - in - to kaj Aŭ - tor'. —

2. Li estas justa sen erar'; / mildeco estas Lia ĉar', / sankteco: Lia reĝa kron'; / la sceptro: amo kaj pardon'. / Li metas finon al mizer'. / Pro tio ĝoju ĉiu sfer': / Benata la Sinjor', / Savanto pro favor'.

3. Feliĉa urb', feliĉa land', / se tuŝas ĝin la Reĝa pland'! / Feliĉa ĉiu homa kor', / se ĝin plenigas Lia glor'. / Jen Li, la vera ĝojo-sun'; / premantaj ombroj fuĝas nun. / Benata la Sinjor', / konsol' en ĉiu hor'.

4. Ho venu nun, Jesuo Krist', / en mian koron kun insist'. / Eniru kun la graco-plen'; / nin tuŝu amo kaj seren'. / Spirito Sankta eĉ tra kriz' / nin gvidu al la paradiz'. / Al Via nom', Sinjor', / eterne sonu glor'!

Georg Weissel, 1590-1635

## Min själ berommer Gud med fröjd **33**

Magnificat, S. Luko 1

Al Di' sin levas — J. Olof Lindberg, 1921

grac - vi - zit', mal - fer - mis por - don

eĉ al mi pro a - mo, sen me - rit'.

2. Povrulojn Lia forta brak' / satigis per bonfar'; / tiranojn venkis en atak', / dispelis en amar'. / Spirite riĉajn for de Si / Li sendis kun malplen'; / fieran brilon ŝanĝis Li / al polvo de l' eben'.

3. Abundas Lia indulgem' / sen limo kaj mezur', / kaj kiu fidas al Li mem / iradas en sekur'. / La interlig' de Lia pac' / sur firma fundament' / validos pro senlima grac' / por ĉiu ras' kaj gent'.

4. Mistera restas Lia vol' / al nura homa pens', / sed al la Di-sindona kor' / sin montras ĝia senc'. / Ho, amu kun kreskanta fid' / mi Dion de la pac', / transdonu min al Lia gvid' / kun ĝojo pro l'donac'.

(EKA 5)

Carl Gustaf Boberg, 1859-1940

# En Frelser er oss født idag **34**

Melodio: Wie schön leuchtet, n-ro 43

1. Naskita estas la Savant', / eksonas la anĝela kant': / Al homoj Difavoro! / Por ni naskita estas Li, / kaj tial ĝoje kantu ni: / Al Dio laŭd' kaj gloro! / Anim', / sen tim' / vin purigu, / vin satigu / per la brilo / de la sankta reĝa Filo!

Birgitte Cathrine Boye, 1742-1824

# Det susar genom livets strid



Susuras

D. Ahlberg, 1869-1949

Su - su - ras tra la viv - ba - tal' ven - te - to de l'ĉi -
Kaj aŭ - das jam la hom-a - nim' Spi - ri - ton nun trans

e - la hal' kiel son' de har - po - to - noj.
ĉi - u lim' en te - raj,

2. di - saj zo - - - noj: Mal - fer - mu por - don, ĉi - u

gent', ĉar jen ad - vent', ho be - na ad - vent'.

2. Jesuo venas nun al ni / el malproksima hejm' de Di' / kaj frapas nian koron. / Li venas al malluma ter' / kun lumo de l'eterna sfer' / por doni Difavoron. / Tagiĝas jam en orient'. / Jen do advent', ho bena advent'.

3. Majesta iras Li en mond'. / Salutu Lin homara rond' / per ĝojokantoj klaraj. / Fidela kor' laŭdadu Lin, / ĉar venas nun por ŝirmi vin / flugiloj blankaj, karaj, / la antaŭsigno por atent'. / Jen do advent', ho bena advent'.

EK 6 — Carl Boberg, 1859-1940

## Kommt und laßt uns Christum ehren — 36

(Komt en laat ons Christus eren)

Quem pastores laudavere — 14a jarcento/Breslau 1555/ar. Michael Praetorius, 1621

Le - vu, fra - toj, vi - an ko - ron, for - mu nun po -

ten - can ĥo - ron, vi al Kris - to kan - tu glo - ron;

Li ja es - tas la Sa - vant'.

2. Kiel multe Li nin amas, / savon Li al ni proklamas, / kaj per graco nin ornamas. / Haleluja, laŭdu Lin!

3. Anĝelaro Lin honoris, / kaj paŝtistoj Lin adoris, / Dio nin en Li favoris. / Laŭdu Lin en eternec'!

4. Kantu ni pri Lia graco / kun la anĝeloj de l' lum-palaco: / „Glor' al Di', sur tero paco, / inter homoj Difavor'."

Paul Gerhardt, 1607-76
(modifita reverko en Nederlanda lingvo)

# Veni, veni Emmanuel **37**

(O come, O come Immanuel)

Veni Immanuel

Antaŭreformacia/Thomas Helmore, 1811-90
aranĝis Charles Palmer, 1968

Unisone

Ho ve - nu Vi, I - ma - - nu - el'! Sav - do - nu nun

al Iz - - - ra - el' plo - ran - ta so - la en










2. Ho Jiŝajido, levu Vin, / el ĉenoj liberigu nin, / kaj savu el la nigra mort'! / Ne venku nin infera fort'!

3. Ho venu Vi, Matena Sun'! / Dispelu noktajn nubojn nun; / lumante al mort-ombra voj', / gajigu nin per sankta ĝoj'.

4. Ŝlosil' Davida, venu Vi! / Malfermu hejmon antaŭ ni; / enlasu nin al Dia glor'; / malbonon ĉian baru for.

5. Ho venu Vi, la Leĝdonint', / el nubo de Sinaja pint'! / Jam nun al Via Izrael' / revenu Vi, Imanuel'!

Latina, el la 13a jarcento, en Psalteriolum Cantionum Catholicorum, 1710
HE 26 (en la Anglan tradukis John Mason Neale, 1818-66)

# Fröhlich soll mein Herze springen 

Fröhlich soll

Johann Crüger, 1598-1662

2. En kristnaska nokta horo / venis el / la ĉiel' / tiu la trezoro. / Por nin savi el la morto / kaj mizer', / al la ter' / venis Dia Vorto.

3. Ĉu nin Dio do malamas? / Tute ne, / vidu, ke / Lia amo flamas. / Li ja venas nun por porti / kiel hom' / ĉion krom / propra pek', kaj morti.

4. En la trogo nun Li kuŝas, / vokas al / sia stal' / nin kaj korojn tuŝas. / „Karaj fratoj, peko via / kaj la pun' / kuŝas kun / mi en trogo mia."

5. Are, ope nun rapidu / ĉiu hom' / al la dom', / la Savanton vidu! / Vi ne timu; Lia stelo / vojon al / Lia stal' / montras de l'ĉielo.

6. Kiu en mallumo iras: / Jen la voj' / al la ĝoj', / kiu vin ektiras / al la lumo de l' Sinjoro. / En la flam' / de la am' / ĉesos ĉiu ploro.

7. Nun la kanton pri l' Sinjoro / aŭdu vi. / Laŭd' al Di' / eĥu en adoro. / Eĥu ĉiam tiu kanto / de l' anĝel' / sur ĉiel': venis la Savanto!"

Paul Gerhardt, 1607-76

## Vom Himmel hoch da komm ich her **39**

Melodio: Vom Himmel hoch, n-ro 40

1. „Mi venas el la alt-ĉiel' / kun bona, nova histori'!" / Parolis tiel la anĝel', / ĝojkantis pri l'evangeli'.

2. „Jen elektita virgulin' / infanon belan naskis por / kompati kaj ĝojigi vin, / turmenton ĉian porti for."

3. „Li estas Kristo, la Sinjor', / Li volas levi el mizer', / konsoli homojn en dolor', / por pekoj esti la ofer'."

4. „Venigas savon Li al vi, / de Di' celitan de l'komenc', / ke partoprenu vi kun ni / la glorojn de la eternec'."

5. Kun paŝtistaro iru ni / la Bebon vidi en la stal'; / donaco Li de l'Patra Di', / al ni honoro sen egal'.

6. Sinjor'! Vi gastu kun bonven' / ĉe ni, plagitaj de fier', / de pekemeco kaj ĉagren' – / Ho, kiel danki Vin en ver'?

7. Ni laŭdu Dion, kun honor', / pro l'dono de l'amata Fil'. / Prikantis anĝelara ĥor' / eraon novan sen simil'.

Martin Luther, 1483-1546

# Her kommer dine arme smaa 

Vom Himmel hoch

Martin Luther, 1483-1546

Jen ve - nas ni al___ Vi - a stal', Je -
su - o___ el ĉi - e - la___ hal', kun pre - ĝo___ pri la
lu - mo - bril' sur voj' al___ Vi, ho Di - a___ Fil'.

2. Ni kisas teron antaŭ Vi / kaj laŭdas Vin per ĝojokri'! / Benita nokt', feliĉa hor', / dum Vi naskiĝis, ho Sinjor'.

3. La mondon regis la Satan', / sed Kristo per la sanga man' / en horo de la krucomort' / nin ŝiris el diabla fort'.

4. Sed kial, kial, Fil' de Di', / nur la malmultaj pensas pri / la amo, kiu tiris de / ĉielo Vin al nia ve'?

5. Ho, tiru nin al Via sin', / ke ni per kredo amu Vin / kaj sekvu sur ĉielo-voj' / al Vi en la eterna ĝoj'.

6. Kaj tial iam en ĉiel' / kun kanto, laŭdo de anĝel' / en ĥoro de sanktuloj ni / salutos Vin, ho granda Di'!

7. En aroj jam per nia kant' / ni laŭdas, gloras Vin, Savant'; / kaj preĝas: Mi kaj ĉiu hom' / Vin gloru en ĉiela dom'!

CH 10 — Hans Adolph Brorson, 1694-1764

## Mit Hjerte altid vanker — 41

Oslo — Norvega popolmelodio

La ko-ro ĉi - am_ es - tas en__ sta-lo de Je - su',
kaj ti-e pen - soj_ res - tas en__ ple-na, nu-ra ĝu'.

Nur ti-en mi so - pi - ras, nur ti - e ri - ĉas mi; Krist-
nas-ke mi de - zi - ras Vin__ vi - di, Fil' de__ Di'.

2. En la malluma stalo / forgesu mokon mi. / Ĝi estu reĝa halo, / naskiĝa lok' de Di'. / Kun dank' mi tie trovas / fojnujon de l'Sinjor', / kaj ĝin mi ĉiam provas / konservi en la kor'.

3. Palacoj devus stari / kun lumoj kaj kolor', / kaj ĉiuj devus fari / laŭ signo de l'Sinjor'! / Vi devus Vin ornami / per lumo kaj per bril'. / Stel-torĉoj devus flami / por Vi, la Dia Fil'!

4. Sed ne! Jesu' ricevas / nur pajlon, kaj en ĝi / vindita kuŝi devas / kristnaske Fil' de Di'. / Eĉ ĝin Li ne posedas, / ĝi estas nur almoz'; / de bestoj Li heredas / la lokon por ripoz'.

5. Nesteton la hirundo / ja havas, kaj paser'. / Leono en profundo / kaverna en la ter' / ripozon trovi povas; / sed por la forta Di' / neniu domon trovas, / en pajlo dormas Li.

6. Ho, venu nun, Sinjoro, / al mi, al mi, al mi! / Malferma estas koro, / ekloĝu nun en ĝi! / Al Vi ĝi apartenas, / ĝin Vi aĉetis sur / la kruc', do hejmen venas / kaj restu, restu nur.

7. La liton mi ornamos / per verda palmfoli', / ĉar sole Vin mi amos, / Jesuo, Fil' de Di'! / Ĝis mia morta horo, / dum ĝuo kaj dolor', / en mia peka koro / loĝadu Vi, Sinjor'.

CH 14 — Hans Adolph Brorson, 1694-1764

# Hark, the herald angels sing — 42

Mendelssohn — Felix Mendelssohn-Bartholdy, 1809-47
ar. W. H. Cummings, 1831-1915



Pro kom-pat' pe - kul - ojn Di'___ re - pa-ci - gas nun kun Si!"

Ho-moj tra la tu - ta te - ro re - so - ni - gu tra l'e - te - ro

l'an-ĝel-kan-ton pri la ven' de la___Beb' en Bet - le - hem'!

Aŭ-du! kan-tas an-ĝel-ĥor': „Nun nas - ki - ĝis la Sin-jor'!"

2. Krist', eterne la Sinjor', / adorata en la glor', / je la horo de destin' / Ido de la Virgulin'; / karne vualita Li / estis homiĝinta Di', / inter ni kun sava cel' / venis Li, Imanuel.

3. Li, ĉiela Princ' de Pac', / Li, la suno de justec', / grace donas al l'anim' / lumon, vivon, preter lim'. / Venis Li de Sia trono, / ke ne devu morti homo, / sed ke li naskiĝu por / vivo en eterna glor'.

Charles Wesley, 1707-88

# Var hälsad, sköna morgonstund!



Wie schön leuchtet

Philipp Nicolai, 1556-1608

Sa - lu - ton, glo - ra fru - ma - ten', al ki - es
Ho gran - da tag', mi - - rin - da tag', en ki - u

ve - no, ki - es ben' pro - fe - toj nin in - vi - - tis!
Di - a fa - vor - ag' la te - ron re - vi - zi - - tis!

Ju - no kan - tas kun mal - ju - no en ko - mu - no:

Te - raj pre - ĝoj al plej gran - da el la re - ĝoj.

2. Li ploros, same kiel ni. / En la mizer' komprenos Li, / helpanto senkompara. / Nin donos scion pri Di-vol' / kaj dolĉon mildan de konsol' / por la kalik' amara. / Luktos, / larmos / pro doloro, / ke l'homkoro / paci povu, / hejmon malfermitan trovu.

3. Li venas, nia savo, pac', / ke sun' ekluma de la grac' / neniam plu sin kaŝu. / Paŝtisto nia estos Li, / ke Liaj restu ĉiam ni / kaj Liavoje paŝu. / Kore, / fore, / alimonde, / beatronde / ni jubilos, / glorigite Lin similos.

EK 7 — Johan Olof Wallin, 1779-1839

# In der Wiegen **44**

(He smiles within His cradle)

In der Wiegen

Melodio el la „Geistliche Nachtigall" de Corner, 1649
Aranĝita de Monica kaj Harold Jenner. 1968

Ri - de - tas Li en Si - a lu - lil', la Beb'kun he - la vi - zaĝ'.

Ra - di - ojn Li re - sen - das de bril' el font' de lu - mo kaj saĝ' la Beb' kun bri - la vi - zaĝ'

2. La Bebon ni prezentas al vi: / Jen Kristo, nia Sinjor'! / Portanto Li de paco kaj am'; / rapidu vi en akord' / al Kristo, nia Sinjor'!

3. L'Infano kuŝas en la lulil', / kaj se balancus vi Lin, / ĝin faru nur kun dolĉa movet' / kaj kun humila inklin'; / laŭ Lia kara patrin'!

4. Pli kara Vi ol kiu ajn Beb', / plej kara Bebo al mi! / Senfina amo, Dia potenc', / por savo pulsis en Vi; / ĝi pulsu save en mi!

Aŭstra Kristnaska Karolo, 1649
(en la Anglan tradukis Robert Graves, 1895-

## Adeste fideles **45**

(O come, all ye faithful)

Adeste fideles — verŝajne de John Francis Wade, ĉ. 1711-86

Al - es - tu, fi - de - laj, ĝo - je tri - um - fan - taj. Ve - nu, ho ve - nu vi al Bet - le - - hem! Vi - du nas - ki - tan Re - ĝon de an - ĝe - loj! Ni ve - nu kaj a - do - ru, ni ve - nu kaj a -




2. Dio el Dio, Lumo el la Lumo, / tamen naskita el la virgulin'; / Dio en vero, Die generita: / ni venu kaj adoru, k. t. p.

3. Ĝoje kantadu ĥoro anĝelara; / kantu la aŭloj de ĉielo mem: / „Gloro al Dio en supera alto!" / Ni venu kaj adoru, k. t. p.

4. Ame ni danku al la Dia Bebo, / kies naskiĝon gaje festas ni: / Vorto eterna, nun enkarniĝinta: / ni venu kaj adoru, k. t. p.

HE 27

Latina, 18a jarcento.
(en la Anglan tradukis Frederick Oakeley, 1802-80)

# Ehre sei Gott in der Höhe

**46**

Rondkanto por 4 voĉoj

Ludwig Ernst Gebhardi, 1787-1862




(S. Luko 2:14)

# Les anges dans nos campagnes



(Shepherds, in the field abiding)

Iris

Franca Kristnaska melodio, 16a jarcento

Ho paŝ - tis - toj_ Bet - le - he - maj!_ Di - ru ,_ ki - on_

vi - - dis vi? Ki - am ve - nis_ la an - ĝe - lo,_

ki - on_ ti - am_ di - ris li? „Glo - - - - - -

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - ri - a

in ex - cel - sis De - - - o! Glo - - - - - - -





2. „Vidis ni en fojna trogo – / laŭ la diro de l’anĝel’ – / Jesueton, homan bebon, / tamen, Reĝon de ĉiel’.

3. Tiam himnis anĝelaro / ĝojan kanton de esper’: / „Glor’ al Dio en la alto, / paco al la tuta ter’.“

4. Ho paŝtistoj! ni vin dankas. / Ni adoru Lin kun vi. / Al Jesuo, Reĝ’ de Gloro, / same laŭdu ankaŭ ni.

La Anglan version verkis
George Ratcliffe Woodward, 1848-1934

HE 35

# Sæle jolekveld! **48**

Melodio: Arnstadt, n-ro 131

1. Ĉarma Kristvesper’! / Aŭdu: en l’ aer’ / sonas de l’anĝela ĥoro, / kiel en naskiĝa horo, / la tutsama kant’: / „Venas la Savant’!“

2. Ĉarma Kristvesper’! / Jen al nia ter’ / nun Jesuo Krist’ alvenas, / nin per Sia paco benas, / kiel en ĉiel’ / ĝuas ĝin anĝel’.

3. Ĉarma Kristvesper’! / Dion laŭdu per / brila, sankta flamo klara, / kiu el loĝej’ homara / donas signon pri / nia fid’ al Di’.

4. Ĉarma Kristvesper’! / En plej alta sfer’ / la anĝeloj Dion laŭdas, / ĉar la tuta tero aŭdas / pri la ĝoj’ de Di’ – / kantu ankaŭ ni!

Elias Blix, 1836-1902

CH 11

# Away in a manger

Cradle Song

Melodio de William James Kirkpatrick. 1838-1921

arangîta de Charles Palmer, 1968

En bo - va fojn - tro - go an - - sta - taŭ __ li -

tet'__ ri - po - zis la__ dol - ĉa Je -

su - a ka - pet'.__ La ste - loj ri -

gar - dis el__ nu - ba vu - al'__ al__




2. La bovoj blekadis post taga labor', / sed kuŝis Jesuo sen plendo aŭ plor'. / Jesu', mi Vin amas! Ho restu kun mi; / protektu min ĝis la matena radi'.

3. Ho kara Jesuo! Ne iru Vi for, / sed restu proksime por ĉiam en kor'. / Benadu infanojn sur ter' tie ĉi, / ĝis vivo ĉiela, en gloro kun Vi.

HE 259 Anonima

# Ĉe l'Kristofesto ĝojas ni 50

Melodio: Golden Sheaves, n-ro 113

1. Ĉe l'Kristofesto ĝojas ni / pri Kristo, infaneto. / En Betlehem' naskiĝis Li, / kaj kuŝis en trogeto. / Ŝafistoj apud Betlehem' / anĝelajn voĉojn aŭdis; / do ili venis vidi Lin, / kaj ĝoje Dion laŭdis.

2. Al Betlehem', serĉante Lin, / la Saĝaj Viroj iris; / ĉar bela, brila stelo pri / Jesuo antaŭdiris. / En domo ili trovis Lin, / kaj tie, adorante, / sin klinis teren antaŭ Li, / donacojn prezentante.

3. Al Dio laŭdu ankaŭ ni, / ĉar Jesu-Kristo venis; / fariĝis viro sur la ter', / kaj al la homoj benis. / Ĉiela Reĝo estas Li, / do venu, adorante! / Kun amo ni servadu Lin / fidele kaj konstante.

HE 41 Originale verkita en Esperanto de E. Gregory

# Little Jesus



Ĉeĥoslovaka melodio „Hajej Nynjej"
Aranĝita de Monica kaj Harold Jenner, 1968

Rocking

E-ta Je-su en lu - lil', dor-mu_ Vi; pel-tan ves - ton do - nos_ ni. Ni Vin lu - los, lu - los, lu - los; ni Vin lu - los, lu - los, lu - los. Ke ĝi te - nu var - ma Vin, ĉir - kaŭ_ Vin ni_ vol - vos_ ĝin.

2. Kara Bebo en sekur' de l'lulil', / dormu dolĉe en trankvil'. / Ni Vin lulos, lulos, lulos; / ni Vin lulos, lulos, lulos. / Servos ni per preta man' / Vin, Vi kara Di-infan'.

Ĉeĥa Kristnaska Karolo.
(en la Anglan tradukis Pearcy Dearmer, 1867-1936)

# Once in royal David's city

52

Irby

Henry John Gauntlett, 1805-76
ar. Charles Palmer, 1968

En la re - - ĝa Bet - le - hem - o
ti - e al Ma - - ri' nas - ki - ĝis

i - am es - tis bov - do - met';
Kris - to, ki - el in - fa - - net';

kaj por ŝi - a sank - ta fi - lo

tro - go es - tis la lu - - li - lo.

2. Dio la ĉielon lasis / por alveni tie ĉi; / bovinejo Lin ŝirmadis, / sur la fojno kuŝis Li. / Kaj Li loĝis kun pekuloj / kaj humilaj malriĉuloj.

3. Li aŭskultis kaj atentis / la parolojn de l'patrin', / kuŝis kontraŭ ŝia brusto, / amis kaj obeis ŝin. / Tiel same estu ni / obeemaj, kiel Li.

4. Ĉar Li estis la ekzemplo / por infanoj sur la ter', / same vivis Li, malgranda / kaj senforta, kun sufer'. / Jes, Li konas nian koron, / ĉiun revon, ĝojon, ploron.

5. Kaj pro Lia granda amo / ni mem vidos Lin en glor'; / la iama infaneto / nun reĝadas, la Sinjor'; / kaj ni ĝoje sekvos Lin, / kien ajn Li gvidos nin.

6. Li ne estos en stalaĉo / kun la bovoj apud Li, / sed kronita en ĉielo / ĉe la dekstra man' de Di'. / Tie ni, kun anĝelaroj, / laŭdos dum eternaj jaroj.

HE 32 — Cecil Frances Alexander, 1818-95

# Fra fjord og fjære — 53

Paa Gud alene — H. O. C. Zinck, 1746-1833

De val' kaj fjor - do ek-so-nas „Glor'al Di'". De mont' ĝis

bor - do ho-di-aŭ kan - tos ni. La so - no - ri - lo







2. Kaj ĉiu homo / nun iru sur la voj' / al Dia domo, / al la eterna ĝoj'! / Ĉar nun ni festas / Kristnaskon per ador', / Jesuo estas / en la premita kor', / kaj beno restas, / dum ĉesas ĉiu plor'.

3. En la fojnujo / ridetas Fil' de Di'. / Kun halelujo / paŝtistoj tuj ĉe Li / genuas. Preĝo / kaj mirho, dolĉodor': / ofer' de reĝo, / alvenas ja eĉ or'. / Pro sav' el leĝo / ĝojegu ĉiu kor'!

4. Ho, dankon, Dio, / pro veno al kaban'! / pro pac', pro ĉio, / precipe pro l'Infan'! / Ho, Kristo, benu, / kreiĝu lum' al ni! / Kun varmo venu, / degelu kor-glaci'! / Kaj ĉiu prenu / la gracon nur per Vi!

5. Ekstere neĝo / kaj frosto regas nun, / sed de la reĝo / ĉiela nova sun' / de amo, graca / ekbrilas sur ĉiel', / al homo laca / ĝi estas luma cel': / Je fino paca / Kristnasko en la hel'!

CH 12 Magnus Brostrup Landstad, 1802-80

*Infano naskiĝis al ni, filo estas donita al ni, kaj la regado estos sur lia ŝultro, kaj lia nomo estos: Mirinda, Konsilisto, Potenculo, Patro de Eterneco, Princo de Paco.* *Jes. 9: 6*

# No koma Guds englar



Blix

Norvega popolmelodio

Nun ve - nas an - ĝe - loj kun kant' en a - er', kaj
Le - vi - ĝas laŭd - kan - to do an - kaŭ el ter', ĉi -

pa - con kaj be - non pro - - po - - - - - nas.
e - len al Di - o ĝi so - - - - - nas:

Bon - ve - na al ni, in - fa - no de Di'! La

re - ĝon de l'pa - co ni laŭ - - - - das.

2. Al paco surtera alvenis la reĝ' – / nur benon kaj savon Li celis, – / al homoj ligitaj sub ŝarĝo de l'leĝ', / ĉar ĝojon la peko forŝtelis. / Li donas al vi la pacon de Di'; / la reĝon de paco ni laŭdas.

3. En nokto plej nigra eklumis ĉiel' / pro brilo de l'stelo preluda. / En vintro malvarma, burĝon' kreskis el / branĉeto senviva kaj nuda. / Krist' venis al ter' kun sun' de somer'! / La reĝon de l'paco ni laŭdas.

4. Ekstere nun regas la vintra glaci' / kaj nudas l'arbaro malhela. / Jiŝajan arbstumpon elektis nun Di', / ekkreskis branĉeto plej bela. / Verdiĝas sur ĝi vivplena foli'. / La reĝon de l'paco ni laŭdas.

5. Kaj tial laŭdkantas infanoj de Di' / per ĉiuj la lingvoj de l'tero. / En tur', sonoriloj atestas pri ĝi, / la ĝojo pro vivo kaj vero. / Ni kantas en ĥor' pri pac' de l'Sinjor; / la reĝon de l'paco ni laŭdas.

6. La paco min sekvu ĝis tago de mort', / min helpu en ĝoj' kaj doloro' / Mi preĝu mortante per ĝemo kaj vort' / kaj pia deziro en koro: / En paco de Di' ekdormu nun mi. / La reĝon de l'paco ni laŭdas.

(CH 13) Elias Blix, 1836-1902

# Leanabh an Aigh **55**

(Child in the manger)

Melodio: Bunessan, n-ro 1

1. Beb' de Maria / en stala trogo – / Kreinto nia, / Estro kaj Di'; / Lin anĝelaro / laŭdas ĉiele – / nia pekaro / restas sur Li.

2. Ame Li portis / homan malforton; / vivis kaj mortis / sur nia ter' – / Li, la Savinto / de la homaro, / forta Venkinto / kontraŭ infer'.

3. Jam profetita / homa infano, / surtronigita / supre en glor'. / Estro reganta / la universon – / sed nin gardanta / en Sia kor'.

HE 29 Gaela himno de Mary Macdonald, 1817-90
(en la Anglan tradukis Lachlan Macbean, 1853-1931)

# Stille Nacht, heilige Nacht



Stille Nacht

Franz Gruber, 1787-1863

Pa - ca nokt', sank - ta nokt'! Mu - tas nun eĉ la vent' jen maldor-mas nur am-ple-na par';ĉar-ma knabo kun bukla ha-rar', dor- mu plu en si - lent'!— Dor- mu plu en si - lent'!—

2. Paca nokt', sankta nokt'! / Tra l'aer' vibras kant', / al paŝtistoj proklamas anĝel': / Li kondukos vin al la ĉiel', / Li, de l'mondo Savant'.

3. Paca nokt', sankta nokt'! / En la mond' Fil' de Di'! / Am' radias al ni el ĉi kor'. / Por elsavo nun sonas la hor': / Krist' naskiĝis por ni!

Joseph Mohr, 1792-1848

# Brightest and best **57**

Epiphany Hymn — Joseph Francis Thrupp, 1827-67

Fi - lo plej he - la de ho - ro ma - te - na, al ni a -
pe - ru ĉe l' ruĝ - ho - ri - zont'; stel' o - ri - en - ta, he-
rol - do tag - ve - na! Gvi - du al ni - a in - fa-na Sa - vont'.

2. Sur la lulilo ros-gutoj briladas, / kuŝas la Bebo en stal' de bovar'; / sed la dormanton anĝeloj gardadas, / Estron kaj Reĝon de l'tuta homar'.

3. Kio plej plaĉos al nia Savanto? / Spicoj Edomaj kaj luksa ofer'? / Perloj de l'maro, aŭ gemoj de l'monto, / mirho arbara aŭ oro de l'ter'?

4. Vane ni celus per tia adoro / gajni favoron de Li – Eternul'; / Li plej deziras la servon de l'koro, / preĝon vidvinan kaj de malriĉul'.

5. Filo plej hela de horo matena, / lumu al ni ĉe la ruĝ-horizont'; / stel' orienta, heroldo tagvena! / Gvidu al nia infana Savont'.

HE 43 — Reginald Heber, 1783-1826

# Gloria, laus et honor **58**

(All glory, laud, and honour)

St. Theodulph — Melchior Teschner, 1584-1635

Al Vi, Sin - jo - ro, es - tu ho - no-ro, laŭ - do, glor’,
al ki - u dol - ĉe kan-tis la in - fa - na - ra ĥor’.
„Ho fi - lo de Da - vi - do! Ho Iz - ra - e - la reĝ’! Me -
si - o pro-fe - - ti - ta en Di - a sank - ta leĝ’!“

2. Vin laŭdas anĝelaro / en la ĉiela mond’; / kaj sur la tero homoj / kantadas je respond’. / Hebreoj palmobranĉojn / portadis antaŭ Vi; / kaj preĝojn, himnojn, laŭdojn / prezentas ankaŭ ni.

3. Kantadis ili antaŭ / la kruco-agoni’; / kaj nun al Vi tronanta / jen nia melodi’. / La laŭdo de infanoj / ĝojigis Vin, Sinjor’; / ho, nian kanton ankaŭ akceptu kun favor’.

HE 54 Theodulph de Orleans, ĉ. 750-821
(en la Anglan tradukis John Mason Neale, 1818-66)
La himno estas kantebla en ses strofoj, kun strofo 1 kiel refreno

# O Welt, sieh hier dein Leben



(Lam Gods, dat zo onschuldig)

Innsbruck

Heinrich Isaak, ĉ. 1460-1527/ar. J. S. Bach, 1685-1750

Sur kru - co Vi__su - fe - ris, la__ vi - von Vi o-
fe - - ris en mal - ho - no - ra mort'. Blas -
fe - mojn Vi aŭs - kul - - - tis, sol - da - toj Vin in -
sul - - - tis, sed res - tis Vi sen plen-do - - vort'.

2. Ĉi morton mi meritis, / sed Vi eĉ ne hezitis / min tiri el mizer'. / Savanto Vi fariĝis, / per Vi mi restariĝis, / ne plu minacas mortriver'.

3. Dolorojn, vundojn, batojn, / skurĝadon kaj malsatojn / suferis Vi pro mi. / Angoron Vi eltenis, / kaj tamen Vi nur benis / kaj miajn pekojn portis Vi.

4. Grandega amofluo / nin pelas al Jesuo, / peranto de l'homar'. / Per ĝojo Li min zonis, / eternan vivon donis, / tirante min el peko-mar'.

5. Ŝafid', al Vi doloris, / Vin homoj maladoris, / por kiuj mortis Vi! / Ho, donu al mi pacon, / ĉielan Di-donacon. / Konduku hejmen min, ho Di'!

Latinan „Agnus Dei" de 1526 prilaboris Nikolaus Decius, ĉ. 1485-1546
Paul Gerhardt, 1607 -76/ (reverko en Nederlanda lingvo)

# O Haupt voll Blut und Wunden **60**

(O Sacred Head)

Passion Chorale — Hans Leo Hassler, 1564-1612/ar. J. B. Bach, 1685-1750

Ho Sank - ta Kap', kro - - ni - - ta per
san - gan - ta kaj vun - - di - - ta, mem -
pi - ka dor - no - kron',
vo - la o - fer - don'!
Vin mo - kas sol - da -
ta - - ro, dum vi - vo flu - as for, sed




2. Vin lasas ĉiu forto, / paligas Vin dolor', / alproksimiĝas morto, / rompiĝas Via kor'. / Ho amo vere Dia! / Vi mortas ja por mi! / La peko estis mia, / la punon prenas Vi!

3. Sen vortoj mia koro / por taŭga dank-esprim' / pri tiu mort-doloro, / kompato ja sen lim'. / Mi restu Via ĉiam, / fidela ĝis la fin'; / neniam, ho neniam / mi ĉesu ami Vin!

4. En mia lasta horo, / Savanto, montru Vin, / kaj ĉe la mort-angoro / rapidu savi min. / La brakojn etenditajn / en kruca malhonor' / mi vidu malfermitajn / por preni min al glor'!

HE 56 Paul Gerhardt, 1607-76
(en la Anglan tradukis James Waddell Alexander, 1804-59)

# Das sollt ihr, Jesu Jünger, nie vergessen **61**

Melodio: Herzliebster Jesu, n-ro 63

1. Vi, ho Savanto, iris al doloro, / tial nun iros ni al Via gloro. / La sangofluo de la kruc' nin savis, / pekojn forlavis.

2. Tial, kristanoj, sciu kaj memoru: / per unu pano Kriston ni honoru; / nin la kaliko ame interligu / kaj unuigu.

3. Kiel fratar' ni iru vojon nian, / helpu malfortajn, unu la alian, / eĉ al pekulo helpu en kompato / kiel al frato.

4. Helpu la amo ankaŭ al ĉi tio, / sed tiun amon mem Vi kreu, Dio. / Estu nun grego unu kun paŝtisto / Jesuo Kristo!

(CH 62) Johann Andreas Cramer, 1723-88

# Ein Lämmlein geht



An Wasserflüssen Babylon

Wolfgang Dachstein, ? -1553

Ŝa - fi - don ti - e vi - das mi la mon - dajn pe - kojn por - ti.
En pa - ci - en - co i - ras ĝi pro ni - a ŝul - do mor - ti.

Li i - ras vo - jon al pe - re', mo - ki - ta, tor - tu -

ri - ta de la ho - moj sur la te - ro. Li por - tas ĉi - on;

Li - a am' al ĉi - u fi - lo de A -




2. Amiko estas la ŝafid', / Savanto de l'homaro. / Lin Di' elektis pro l'perfid', / pro peko, krim', kaj eraro. / „Ekiru, kara Filo, jen / al tiu gento, kiu en / infero punon portos. / Kruela estos tiu pun', / Vi savi povas ilin nun, / sed sange tiam mortos."

3. „Jes, Patro, jes, el mia kor', / mi pretas laŭ Via volo. / Nun venu veoj kaj dolor', / se vivos Via popolo." Ho, kia amo, tian ni / nur trovis ĉe la Fil' de Di'; / ĝi gvidas Lin al morto! / Ho amo! Tra la morta val', / tra tombo al ĉiela hal' / nin gvidos via forto.

4. Mi kantos nokte kaj dum tag' / pri am' kaj bono Via, / kaj portos min per ĉiu ag' / al ĝoj-ofero pia. / Dum mia viv' en ĉiu hor', / al Via glora nom', Sinjor', / dankeme mi laboras, / kaj ĉiun bonon, kiun Vi / en Via amo sendos, Di', / eterne mi memoros.

5. Grandiĝu tial, mia kor', / al trezorejo vera! / En vi kaŝiĝos la trezor' / pli granda ol la tera. / Ĉar perloj, gemoj, pura or', / kaj mirho kun la dolĉodor' / ja senvaloraj estos. / Sed Via sango, Via mort', / juveloj de la Dia vort', / eterne samaj restos.

6. En sango de Jesuo mi / la vivon mian trovas. / Se mond' min vundas, tie ĉi / mi ripozadi povas. / Ĝi helpas al anima vund'; / en nigra nokto kaj profund' / redonas ĝi la vidon. / Se en la monda uragan' / senkuraĝiĝas Di-infan', / la sang' fortigas fidon.

7. Kaj Lia sango festkostum' / ĉe Lia trono estos, / dum mi en mondo de la lum' / post tera vivo festos. / Gi estos krono de l'fidel', / ĝin portos mi en la ĉiel', / ateston pri la rango / de la sanktuloj, kiuj nun / ĉe l'trono brilas kiel sun' / — ĉar ĉion donas la sango.

Paul Gerhardt, 1607-76

# Herzliebster Jesu, was hast du verbrochen? 63

(Ah, holy Jesus, how hast Thou offended?)

Herzliebster Jesu — Louis Bourgois, 1510-61/Johann Crüger, 1598-1662

Je - su a - ma - ta! ki - el Vi o - fen - dis, ke pe - ka ho - mo ju - ĝi Vin pre - - ten - dis? De ĉi - u for - la - sa - ta kaj mo - ka - ta, a - - flik - te - ga - - ta!

2. Sed kiu kulpas pri sufero tia? / Ho ve! Vi mortas pro perfido mia; / ja estas mi la Via perfidinto / kaj krucuminto.

3. Porŝafe la Paŝtisto sin oferas; / la sklavo pekis, kaj la Fil' suferas; / por homa pardonigo, malgraŭ ĉio, / propetas Dio!

4. Por mi, Jesuo kara, Vi kliniĝis; / por mi en homa formo enkarniĝis; / por mia savo konis Vi doloron / kaj mort-angoron.

5. Mi povos Vin repagi ja neniam, / sed Vin adoras, kaj alpreĝos ĉiam: / Memoru en kompato amon Vian, / ne pekon mian!

HE 57

Johann Heermann, 1585-1647
(en la Anglan tradukis Robert Bridges, 1844-1930)

# When I survey the wondrous Cross — 64

Rockingham — Arangîta de Edward Miller, 1731-1807

La kru - con ri - gar - dan - te, mi mi - re - gon
sen - tas en___ la kor', ĉar ti - e en___ mort -
a - go - ni' o - fe - ris Sin___ la Princ'_ de glor'.

2. Senvaloriĝas monda gajn', / kaj pri fiero hontas mi; / ne fanfaronas iam ajn, / krom pri la mort' sur Kalvari'.

3. Vanaĵoj logis min kun ĉarm', / nun ilin faras mi ofer'; / humile kaj kun penta larm' / mi ĝojas en la sav-mister'.

4. Rigardu! Sangas vundoj plu – / malĝojo kun la amo mem! / Ĉu iam estis tia flu'? / El dornoj tia diadem'?

5. Se tutan mondon donus mi, / tro eta estus la donac'; / postulas amo tia ĉi / tutcedon al la Dia grac'.

HE 58

Isaac Watts, 1674-1748

# Christ ist erstanden 

Christ ist erstanden — 12a jarcento/Wittenberg 1533

1. Kri - sto le - vi - - ĝis___ post la___kruc - tur - men -
2. Se Li ne le - vi - - ĝus, la mon - do jam pe - re - -

to. Ju - bi - le ĝo - ju ĉi - es kor'; nin kon - so - las Krist - Sin -
us.___ Ek - de ti - u pas - ka tag' va - nas la sa - tan - a -

jor'. Ky - ri - e - - leis.
tak'. Ky - ri - e - - leis.

3. Ha - le - lu - ja, ha - le -

lu - ja, ha - le - lu - ja. Ju - bi - le ĝo - ju

ĉi - es kor'; nin kon - so - las Krist - Sin - jor'. Ky - ri - e - leis.

Germana, el la 12a jarcento

## Coelos ascendit hodie 66

(Gen Himmel aufgefahren ist)

Franck

Melchior Franck, 1580-1639

Ĉi - e - len i - ris la Sin - jor', ha - le - lu - - ja, Je - su - o Krist' en re - ĝa glor', Ha - le - lu - ja!

2. Nun ĉe la dekstra Dia man', / haleluja, / Li regas laŭ eterna plan'. / Haleluja!

3. Pro tio ni kun ĝoja bru', / haleluja, / kantadu laŭdon al Jesu'. / Haleluja!

4. Nun al la Sankta Triunu', / haleluja, / ni donu gloron ĉiam plu. / Haleluja!

Latina, el la 15a jarcento
(Germana teksto en Frankfurt/Oder, 1601)

# Finita jam sunt proelia

(The strife is o'er, the battle done)

William Henry Monk, 1823-89
laŭ Giovanni Pierluigi da Palestrina, 1525-94
ar. Adriaan Engels, 1965

Victory

Ha - le - lu - ja! Ha - le - lu - ja! Ha - le - lu - ja! 1. Ne plu ba - ta - lo, luk-to, do - lor'; fi - nan tri - um-fon fes - tas la kor'; ni, ju - bi - lan - te, kan-tu en ĥor': ha - le - lu - ja!

2. Ĉian potencon perdis la mort'. / Ne plu la tombo nia finsort'; / danke kaj laŭte sonu la vort': / Haleluja!

3. Ĉar Kristo en la tria maten' / glore leviĝis, for la ĉagren'. / Sonu tutmonde ĝoja refren': / Haleluja!

4. Por ni suferis Kristo sur ter', / nin elaĉetis el malesper'; / tial ni kantu nun en liber': / Haleluja!

HE 65

Latina, 17a jarcento
(en la Anglan tradukis Francis Pott, 1832-1909)
Kun afabla permeso de la aranĝinto

# The Day of Resurrection 68

Ellacombe — Mainzer Gesangbuch ĉ. 1833

La ta - go_ re - le - vi - ĝa! Ho mond'kun laŭ-ta kri' pro-

kla - mu_vi la Pas - kon de ĝo - jo kaj de Di'. De—

mor - to al vi - va - - do, de— te - ro al ĉi - el', nin

kon - du - ka - dis Kris - to tri - um - fe_ al la cel'.

2. El peko kaj malbono / puriĝu ĉiu kor', / por ke ni vidu Kriston / en releviĝa glor'; / por ke „Bonvenon" Lian / finfine aŭdu ni; / kaj, ĝin aŭdinte, kantu / kun laŭta venkokri'.

3. Čielo, jubiladu; / kaj tero, ĝoju vi; / La tuta mondo festu / kun ĉio ajn en ĝi; / la Universo kantu / en gaja melodi'! / Ĉar releviĝis Kristo, / senfine laŭdu ni.

HE 64 Johano de Damasko, ĉ. 750
(el la Greka en la Anglan tradukis John Mason Neale, 1818-66)
Alternativa melodio: St. Theodulph, n-ro 58

## Vad ljus över griften 69

Sur tomb' kia lumo

Dana manskribo, ĉirkaŭ 1530

Sur tomb' ki- a lu - mo. Li vi - vas, ho mir'! Jen do la ple-
An - ĝe - le glo - ra - ta a - pe -ras en bril', al ho-mo be-

nu - mo de l'Skri - ba el - dir'.
a - ta, ven - kan-ta la Fil'.
For es -tas la ŝto - no, si -

ge - lo en split', kaj fu - ĝis gar - dan-toj pro Li - a Spi -




2. Tie ĉi kontraŭ lumo batalis mallum'. / Sed venkis la lumo post Lia krucum'. / Venkita la morto! Triumfas la fid'! / Por ĉiu homsorto – espero kaj gvid'. / Do kiun plorante vi serĉas, virin'? / Ne trovos vi inter mortintoj Lin. / Jesuo leviĝis. Haleluja!

EKA 20 F.M.Franzén, 1772-1847

# Han er opstanden, store bud! 70

Melodio: Wie schön leuchtet, n-ro 43

1. Li restariĝis! Ĝoju nun! / El tomb' Jesuo iris kun / triumfo kaj honoro. / Ĉielon nun malfermis Li; / la homojn ne kondamnos Di' / pro l'venko de l' Sinjoro. / Vidu! / Fidu! / Venko Lia / estas mia; / el infero / savis min la reĝ' de l'Vero.

CH 40 Birgitte Cathrine Boye, 1742-1824

# Jesus lever, Graven brast 71

Melodio: Liebster Jesu, n-ro 100

1. Kristo vivas, iris Li / el la tomb' kun Dia forto; / Liajn vortojn fidas mi: / vivas mi pro Lia morto. / Fulmo lumas, tremas tero, / Kristo vivas, jen la vero.

2. Ĉar Li venkis, venkas mi! / Nun mi vivas en libero; / morton ligis Fil' de Di', / kaj la reĝon de l'infero. / Al ĉiel' kondukas vojo, / ĉar Li venkis! Kia ĝojo!

CH 41 Johan Nordahl Brun, 1745-1816

# Halleluja! hearts to heaven 

Lux Eoi

Arthur Seymour Sullivan, 1842-1900

Ha - le - lu - ja! Ha - le - lu - ja! Di - on laŭ - du ĉi - u kor';
ĉi - u vo - ĉo al ĉi - e - lo kan - tu him - nojn kun fer - vor'!
Kris - to, ki - u sur la kru - co Sin o - fe - ris por su - fer',
el la mor - to re - le - vi - ĝis Re - ĝo de ĉi - el' kaj ter'.

2. El la sankta rikoltaĵo / estas Li unua gren', / kaj la tuto maturiĝos / je la dua Krista ven'. / Tiam ĉiun oran spikon / portos Li al la grenej', / kiu kreskis gloroplene / el la sulkoj de l'tombej'.

3. Ni kun Kristo releviĝis! / Benu nin la Difavor'; / de vizaĝo Lia hela / nin surbrilu lumoglor', / por ke en la nuna mondo / bonan frukton portu ni, / ĝis en la ĉiel-grenejo / ni restados apud Li.

4. Haleluja! Haleluja! / Al la Patro kantu ni; / Haleluja al Jesuo, / ĉar triumfe venkis Li; / kaj al la Spirito sankta / sonu laŭdo pli kaj pli; / Haleluja! Haleluja! / Al la Triunua Di'.

HE 60

Christopher Wordsworth, 1807-85
Alternativa melodio: Deerhurst, n-ro 258

## Kristus lever

**73**

Kristo vivas

Sveda? melodio, 1884

Kris - to vi - vas, ho ĝo - ji - ga vort', vi - vi -
gan - ta nin en pe - za sort'. Spi - te res - ton de
mal - lu - ma fort': ĝo - ju, Kris - to vi - - - vas!

2. Kristo vivas, Elsavint' de pun', / por la tera mizerul' la Sun', / kaj Li saman koron havas nun. / Ĝoju, Kristo vivas!

3. Venkon gajnis Li jam en batal' / kaj Satanon igis al la fal'. / Ne timigas plu la morta val'. / La Venkinto vivas!

4. Pro la venk' en granda sang-ofer' / ni transvivos en la mortriver'. / Nia kanto sonos en liber': / Ĝoju, Kristo vivas!

5. Vivas Li! Vojperda homanim', / nun ne iru plu en via tim', / ĉar Jesuo staras ĉe la lim'. / Ĝoju, Kristo vivas!

EK 10 — Selma Sundelius-Lagerström, 1859-1927

## Jesus Christus, König und Herr — 74

Krist' Jesuo — Gottfried Schneider, 1937







2. Ĉe l'piedoj de la juĝist' / de l'lasta tag', Jesuo Krist', / kiam kosmo krevos, / ĉiu konfesi devos:

3. Krist' Jesuo, reĝo, Sinjor', / Viaj la regno, forto, glor'! / Ŝtormoj muĝis, tamen / Vi sola venkis. Amen.

Richard Lörcher, 1907-1970

# Jesus Christus herrscht als König 75

Jesus Christus herrscht

Joh. Löhner 1691/Joh. Adam Hiller, 1793

Kris- to re - ĝas su - ve - re - ne, ĉar al Li sub - me - tas

ple - ne ĉi - on ajn la Mond - Aŭ - tor'. Du - bo__

kaj re - zis - to ĉe - sos; ĉi - es__ lan - go Lin kon -

fe - sos: Li, Li__ es - tas__ la Sin - jor'!

2. Unu estas la Sinjoro: / Dio en unika gloro; / Lin egalas nur la Fil'. / Firma estas Lia seĝo, / forta Lia vivo-leĝo, / Lia Regno sen simil'.

3. Nur en Li, ho mir-donaco! / por ni prepariĝis paco, / elaĉeto per la sang'. / Aŭdu: Vivo mem aperis; / Kristo sin por ni oferis / sur la Kalvaria stang'.

4. Laŭdu Lin, sanktul-amasoj, / gloru Lin, ĉielaj rasoj / kun la palmoj en la man'! / Vi, popolo ĉe la trono, / Lin altigu per la sono / de la harpo kaj timpan'! (Apok. 7:9-17)

5. Kvankam nura pilgrimanto, / ankaŭ mi per fido-kanto / vokas nun laŭ kor-inklin': / „Kristo reĝas suverene; / ĉio submetiĝu plene. / Gloru, amu, laŭdu Lin!"

Philipp Friedrich Hiller, 1699-1769

## Till härlighetens land igen **76**

Melodio: Eisenach, n-ro 197

1. Al lando de l'eterna glor' / mi vidas Vin reiri, / sed mi ankoraŭ kun dolor' / nur povas ĝin sopiri. / For de la hejm', sur fremda voj' / akompanadas min malĝoj'.

2. Ho, supre estas nokto for, / neniam sonas ploro, / kaj tie, kie la trezor', / ja estu mia koro. / Mi ĉiam havu kun fidel' / kunecon mian en ĉiel'.

3. Kaj kiel iris, same Vi, / Jesuo, venos ree. / Laŭ Via volo vivos mi, / preĝante kaj obee; / ne scias horon de l'reven', / sed Vin atendas ĝis maten'.

4. Feliĉa estas la servant', / se tia Vi lin trovos; / ĉe la reveno, ho Savant', / Vi lin konduki volos / al Via Patro laŭ promes' – / al gloro kaj al senmortec'.

EKA 23

Johan Olof Wallin, 1779-1839

# Fú a szél, zúg a szél

Nikodemo

Kálmán Csomasz Tóth, 1902-

Vento

For - ta vent', blo - va pel'. Vo - ĉon ek - aŭ - das vi,
sed ne kom - pre - nas pri ti - es de - ven' aŭ cel'.
Ti - el la Sank - ta Fort' nas - kas de - no - ve vin;
kli - nas sin nun l'a - nim' mi - re por dank', a - dor'.

S. Joh. 3:8

Tamás Vargha, 1890-1968
Kun afabla permeso de la komponisto

# Veni creator Spiritus



(Come, Holy Ghost)

Veni Creator Spiritus

Mezepoka; melodiformo de Mechlin

Ho ve - nu, sank - ta Pa - ra - klet', lu - mi - gu

per__ ĉi - e - - la flam'! Vi sank - ti - gan - ta

Di - Spi - rit', Do-nan-to laŭ__ sep - ob - la gam'.

Post la kvara strofo

Al Pa - tro, Fi - lo kaj__ Spi - rit' ĉi - a - ma




2. Kun benoj falu Vi sur nin – / konsolo, vivo, fajr' de am', / rivela lumo al l'anim', / por mens-blindeco la balzam'.

3. Purigu niajn korojn per / alfluo de pardona grac'. / Detruajn fortojn de l'infer' / frakasu Vi por nia pac'.

4. Instruu nin, kaj kantos ni / jam nun kaj dum la eternec' / pri Patro, Filo, ankaŭ Vi, / ja Unu Dio de l'komenc'.

Al Patro, Filo kaj Spirit' / ĉiama laŭd'en l'infinit'.

Hrabanus Maurus, ĉ. 776-856
(en la Anglan tradukis John Cosin, 1594-1672)

# Breathe on me, breath of God

**79**

Melodio: St. Columba, n-ro 173

1. Ho Dia Spir'! Enspiru min / per nova vivo Via, / ke plenumiĝu Via vol' / en ĉiu ago mia.

2. Ho Dia Spir'! Enspiru min, / ĝis mia kor' puriĝos; / ĝis Via am' kaj mia am' / plenplene unuiĝos.

3. Ho Dia Spir'! Enspiru min, / animon mian gardu; / por ke eĉ mia tera part' / per Dia fajro ardu.

4. Ho Dia Spir'! Enspiru min, / ke mi neniam mortu, / sed vestojn de perfekta viv' / dum eterneco portu.

Edwin Hatch, 1835-89

HE 93

# Come, Holy Ghost

**80**

Veni Creator

Thomas Attwood, 1765-1838

Spi - ri - to_Sank - ta! Ve - nu Vi: lu - mi - gu nin ĉi -

el - - ra - di'. Ri - ce - vu ni___ per Vi - a ven'

gra-cojn de Vi - a Di - a___ ben'; kres-ku en ni___ pro

ĝi - a fla - mo kon - so - lo, vi - - vo, faj - ra




2. Ni vagas blinde tra nebul', / redonu vidon al okul'; / denove ĝoju nia kor' / pro Via beno kaj favor'; / ame nin gvidu, gardu ĉiam, / malbono trafu nin neniam.

3. La Patron, Filon, konu ni / kaj Vin, kun ambaŭ, unu Di'; / ke dum la tempo fluos for / kantu senfine nia kor'; / estu laŭdado sen intermito / al Patro, Filo, kaj Spirito.

HE 92 — Latina himno de la 9a jarcento (en la Anglan tradukis John Dryden, 1631-1700)

# O Heilger Geist, kehr bei uns ein **81**

Melodio: Wie schön leuchtet, n-ro 43

1. Spirito Sankta, venu por / loĝadi nun en nia kor', / ho, montru Vian vojon! / Kaj Via hela brilo nun / en ni efiku kiel sun', / kaŭzante en ni ĝojon! / Vojon, / ĝojon / Vi ja konas / kaj Vi donas, / se ni gloras / kaj el koro Vin adoras.

2. Ho fonto, kiu verŝas sin / en piajn korojn ja sen fin', / konsolon lasu aŭdi, / por ke en bona fido ni / al ĉiuj homoj tie ĉi / Vin ĉiam povu laŭdi. / Aŭdi, / laŭdi / ni Vin volas. / Vi konsolas / nin en sorto / kiel ankaŭ en la morto.

3. Nin ĉiam do konsilu nun / kaj Vi mem gvidu nin al sun'! / La vojon ni ne konas. / Kaj persistecon donu Vi, / por ke fidelaj restu ni. / Konsilon ni bezonas. / Vidu, / gvidu! / Vi instruas / kaj konstruas. / Ni ĝin vidas, / kaj ni ĉiam al Vi fidas.

4. Emfazon donu al la Vort', / ke ĝi per la ĉiela fort' / en niaj koroj brilu, / por ke per Via am-doktrin' / la tuta kristanaro sin / al Vi nun asimilu! / Vorton, / forton / al ni donu; / ni rekonu / Jesu-Kriston / kiel la elaĉetiston.

5. Ho dolĉa roso, falu Vi / el la ĉielo super ni: / Bruligu nian amon, / ke ĉiam kun kompato ni / kunulojn traktu kiel Vi; / ni sentu Vian flamon! / Flegu, / regu / ne intrigo, / sed instigo / al la paco. / Benu nin per Via graco.

EKE 3

Michael Schirmer, 1606-73

# O Herre, låt din Andes vindar blåsa

**82**

Sinjoro, blovu

Oscar Ahnfelt, 1813-1882

Sin - jo - ro, blo - vu ven - toj de l'Spi - ri - to de - no - ve
in - ter ni kun for - ta plen', ke la dor - man - toj el la
pek' ve - ki - ĝu kaj fa - lu for de i - li la ka - ten'.

2. Ho – ili vidu la perditan hejmon, / la vojon de la vivo kaj de l'bon', / purigon trovu de faritaj pekoj: / la klaran, freŝan fonton de Cion'.

3. Kaj kiujn Vi jam gajnis por la Regno, / Jesuo, ĉiam gvidu Via man', / ĉar tra dezertoj, tra danĝeraj retoj / en lando fremda migras la kristan'.

4. Ho Lum' de l'mond', radioj Viaj brilu, / ke ni ne palpu en la noktmal-plen'. / Nin al la tuta vero paŝe gvidu, / ĝis estos plena fine la kompren'.

EK 29 Selma Sundelius-Lagerström, 1859-1927

# O gode Ande, led du mig **83**

Melodio: Sei Lob und Ehr, n-ro 19

1. Spirito Sankta, gvidu min / al vero kaj al vivo, / kaj skribu nun en la anim' / la vorton de l'edifo. / Per Via fort', laŭ Via plaĉ' / sopiras mi, pro Via saĝ'/ Vin obeante glori.

EK 27 Johan Aström, 1767-1844

*Pleniĝu per la Spirito, parolante unu al alia per psalmoj kaj himnoj kaj kantoj spiritaj, kantante kaj psalmante en viaj koroj al la Sinjoro, dankante Dion, la Patron, ĉiam pro ĉio en la nomo de nia Sinjoro Jesuo Kristo; submetiĝante unu al alia en la timo al Kristo.*

*Efes. 5: 18–21*

# Ein feste Burg ist unser Gott

**84**

Ein' feste Burg

Martin Luther, 1483-1546

Rem - pa - ro es - tas ni - a Di', ŝir - ma - ĵo en dan -

ĝe - - roj. En__ sort' kru - e - la hel - pas Li la__

Si - ajn__ el mi - ze - - roj. La mal - a - mi - ka__ fort' mi -

na - cas nin__ per mort'. Sa - ta - no ar - mas__ sin por




2. Kaj nin ne helpos propra man', / aŭ menso plej genia, / sed ŝirmas nin laŭ Dia plan' / Heroo glorradia. / Eksonu Lia nom', / konsol' por ĉiu hom', / Jesuo, Dia Fil', / majesta Lia bril'. / La venko estas Lia!

3. Kaj eĉ se svarmus nia ter' / de diablar' rabia, / ne timus ni en malesper', / ĉar certas venko Dia. / La princo de malbon' / atakas sen pardon', / sed vanas lia fort', / jam pretas lia sort', / la Dia Vort' lin batos.

4. Firmege staros Dia vort', / kaj restos ĝi por ĉiam; / inferaj provoj, tempo, mort', / ŝancelos ĝin neniam. / Kaj se minacos nin / malgloro kaj ruin'; / se ĉio pasos for, / eĉ vivo kaj honor', / la Dia regno staros.

Str. 1-3: KKP 15
Strofo 4: HE 106

Martin Luther, 1483-1546

# Erhalt uns, Herr, bei deinem Wort 85

Erhalt uns Herr

Martin Luther, 1483-1546






2. Potencon Vian montru, Krist', / de ĉiuj estroj Vi regist'! / La Viajn savu de ruin'; / eterne ili laŭdu Vin.

3. Spirit' konsola, donu Vi, / ke unu estu l'eklezi'. / Apudu ĉe la lasta klif': / el morto gvidu nin al viv'.

Martin Luther, 1483-1546

## Herz und Herz vereint zusammen 86

Cassel

Herrnhut 1740

Ko - roj a-me kun-li - gi - taj tro-vas pa - con ĉe l'Sin - jor'.
A - mo - fla-moj pur-spi - ri - taj ser-ĉas Kris-ton kun a - dor'.

Li la Ka - po, ni la mem-broj, Li la lu - mo, ni re -
bril', Li la Maj - stro, ni la fra - toj, fra-toj de la Di - a Fil'.

2. Fratoj, tian amon flegu / en prospero aŭ sufer'; / ĝi en ĉies koro regu, / eĉ se venas mort-danĝer'. / Tian amon Kristo havis, / Sian sangon verŝis Li, / kaj tra l' morto Li nin savis, / repacigis nin kun Di'.

3. Haleluja! Riĉan gracon / donas Li el plena man'. / Spertu ni la Dian pacon / el abunda am-fontan'. / Alta estas Lia seĝo, / kaj senfina Lia glor'; / tamen Li, eterna reĝo, loĝas eĉ en nia kor'.

4. Amon Li al ni ordonas, / amon tra la tuta ter'. / Mortaj koroj ĝin bezonas / por vekiĝi el mizer'. / Amo-torĉon ekbruligu, / fratoj de la granda mond'! / Nigrajn ombrojn ĝi forigu, / ligu nin en sankta rond'.

5. Sankta rondo harmonia, / kie regas Dia pac', / ĉiu frat' disĉiplo Lia, / plena de ĉiela grac'. / Vivu ni en Lia lumo, / kaj la mondo vidu nin: / Unu granda komunumo, / kiu volas sekvi Lin!

(KKP 17) Nikolaus Ludwig grafo de Zinzendorf, 1700-60
Alternativa melodio: Deerhurst, n-ro 258

# Walte, walte nah und fern 87

Veni redemptor gentium Martin Luther, 1483-1546

Gran-da Vor-to de l' Sin - jor', kun po-ten-co flu-gu for al ka-ba-no kaj kas - tel'. Ho - mojn kre-u de l' ĉi - el'!

2. Vorto pura, vivo-spir', / Vin ni serĉas kun sopir', / ĝis vekiĝos post la plag' / la tutmond' al nova tag'.

3. Nin alvokas la herold': / Jam maturas la rikolt'. / Sed falĉistoj mankas tre! / Garbojn savu de l'pere'!

4. De l'rikolto ho Sinjor', / kuraĝigu al labor'! / Super ĉiu ajn popol' / lumu brile Via vol'!

Jonathan Friedrich Bahnmaier, 1774-1841

# O Jesus, ditt ord är vårt ljus



Jesua Vorto

Sveda melodio, 1883

Je - su', Vi - a Vort' es - tas lum' kaj lan - ter - no, gvid -

ste - lo por ni___ dum i - - ra - do sur ter'. Ĝi

ĉi - am res - ta - dos, ja eĉ___ en e - ter - no. For -

te - ge pri Vi___ ĝi a - tes - tos en ver'.

2. Do helpu nin kore akcepti la vorton / kaj sekvi la gvidon donitan per ĝi, / ke juĝon, konsolon ni havu kaj forton / kaj vojomontrilon ĉielen, al Di'.

3. Konfirmu nin do per instru' kaj Spirito, / ke vivu ni sankte laŭ Via ordon'. / Kaj estu la vort' nia sola merito, / por nia eterna feliĉ' angulŝton'.

EK 28 August Bohman, 1871-1928

## Kirken den er et gammelt Hus **89**

Kirken Ludvig Mathias Lindeman, 1812-87

Do-mo mal-no-va es-tas ĝi, ni-a pre-ĝe-jo sur te-ro.
Tu-roj ja fa-lis, sed al ni vo-kas tin-tad'en l'a-e-ro.
Vo-kas al ĉi-u hom' sur ter', sed al la-cu-lo kun pre-fer', ki-u so-pi-ras ĉi-e-len.

2. Ne sur la tero la Sinjor' / loĝas en temploj aŭ domoj. / Ili nur servas al ador' / dum la vivtempo de homoj. / Tamen, loĝejon teran Li, / en kiu povas loĝi Di', / kreis el ni, pekemuloj.

3. Ni estas Lia templo nun, / ŝtonoj vivantaj ĝin igas, / kiuj sub kruco bapton kun / fido kaj kredo kunligas. / Eĉ se nur paro estus ni, / loĝus sur tero nia Di' / kun Sia graco kaj amo.

4. Kie ajn sur la tero ni / vokas en nomo de Kristo, / tuj kun la vort' de vivo Li / venas, por ni instruisto. / Ĉiam Li restas en proksim', / el nia koro fuĝas tim' – / Li regas teron kaj tempon.

5. Tamen sur tero havas ni / domojn al Lia honoro; / kaj ilin amas vi kaj mi, / ĉar tie nia Sinjoro / premis etulojn al la sin', / benis nin per la pan' kaj vin', / jen Li proponis ĉielon.

6. Sed ni memoras templon nun, / ŝtonoj vivantaj ĝin igas. / Ili la vorton Dian kun / bapto kaj kredo kunligas. / Vivon ja kreas la instru', / kiun ni aŭdas de Jesu', / ĝi, nur, sanktigas la domon.

(CH 7) Nikolai Frederik Severin Grundtvig, 1783-1872

# The Church's one foundation 90

Aurelia Samuel Sebastian Wesley, 1810-76

Sur Kris - to sin a - po - gas la sank - ta E - kle - zi'; per

ak - vo kaj la Vor - to kre - i - ta es - tas ŝi; por







2. Kaj kvankam elektita / el ĉiu mondnaci', / nur unu kredon, bapton, / Sinjoron, konas ŝi; / ŝi benas unu nomon, / ŝin nutras unu pan', / kaj iras ŝi antaŭen / laŭ unu Dia plan'.

3. Mokate de la mondo, / ŝi vivas en sufer'; / per skismoj disigata, / herezoj kaj malver'; / sanktuloj tamen preĝas / por Krista la reven'; / post nokto de plorado / la kanto de maten'.

4. En provo kaj ĉagreno, / batalo kaj danĝer', / atendas ŝi la venkon / de paco kaj de ver'; / konstante sopirante / plenumon de l'revad', / ke post bataltriumfo / alvenos ripozad'.

5. Ŝi vivas sur la tero; / sed trans Jordana ond' / ŝi havas anojn ankaŭ / en la ĉiela mond'. / Ho sanktaj feliĉuloj! / Al Dio preĝu ni, / ke iam, kiel ili / restadu ni kun Li.

HE 183 — Samuel John Stone, 1839-1900

*Neniu povas meti alian fundamenton krom tiu, kiu estas metita, tio estas Jesuo Kristo.* — *1 Kor. 3: 11*

# Dieu pour fonder son tréseur habitade 91

(Op Sions berg sticht God)

Psalmo 87

Maistre Pierre, 1561/ar. L. de Kam, 1969

Sur sank - taj mon - toj fon - dis la Sin - jo - ro la__ ur -

bon Ci - on, ki - un a - mas Li. El__ ĉi - uj lo - koj vin

e - lek - tis Di'; Je - ru - sa - lem', fa - mi - ĝas vi - a glo - ro.

2. Fortikon donos Li al viaj turoj. / El ĉiu lando homojn vokos Li / kaj diros mem al ili: „Ankaŭ vi / naskiĝis inter ĝiaj sanktaj muroj."

3. Filiŝtoj, Etiopoj, Babelanoj / fariĝos parto de la Di-popol'. / Enskribos ilin Di' laŭ Sia vol' / kaj nomos ankaŭ ilin Di-infanoj.

4. Kaj kun muzik' trumpeta kaj cimbala / jubile sonos sur Ciona mont' / la kant': „En vi ja estas mia font' / de viv-vekanta akvo klarkristala."

Théodore de Bèze, 1519-1605 laŭ psalmo 87
(reverkis en la Nederlanda K. Heeroma kaj W. Barnard)

# City of God, how broad and far



Richmond

Thomas Haweis, 1734-1820

Ur-bo de Di- o, vas - ta pli ol ter' sub fir - ma - ment', la fi - de - lu - lojn ŝir - mas vi el ĉi - - u ras' kaj gent'.

2. Vi unu sankta Eklezi' / kun unu firma cel', / sonigas triumf-kanton pri / la Reĝo de l'ĉiel'.

3. Gardanto de l'evangeli', / venkanta tra sufer', / kreskadis via imperi' / de am', liber' kaj ver'.

4. Tra noktoj de sieĝ-minac' / fidante viglis vi; / matene do en ĝoja pac' / leviĝis laŭda kri'.

5. Ja vana ĉiu ruza vok', / tentanta al detru'. / Sekura sur l'eterna rok' / la Urbo staros plu.

Samuel Johnson, 1822-82

# For all the saints **93**

Sine Nomine

Ralph Vaughan Williams, 1872-1958

Pro la sank - tu - loj jam pa-sin-taj for, Vin kon-fe-sin-taj kun sen-ti-ma kor',_ al_ Vi, Je - su - o, ĉi-am es - tu_ glor'._ Ha - - le - lu - - ja,_ Ha - - - le - lu - - ja!

2. Ilin Vi ŝirmis kontraŭ ĉia fal', / ilin komandis meze de batal', / vojon lumigis en malluma val'. / Haleluja!

3. Ho, ke ni ankaŭ en la prova hor', / same batalu brave, kun fervor'; / same ricevu kronon de honor'! / Haleluja!

4. Kune ni servas al la sama cel', / ni sur la tero, ili en ĉiel', / en unueco Dia, kun fidel'. / Haleluja!

5. Dum la konflikto, super la danĝer' / kanton triumfan portas la aer', / brakoj fortiĝas, vibras koresper'. / Haleluja!

6. En okcidento helas ĉielor', / por fideluloj venas venka hor', / paco beata, Paradiza glor'. / Haleluja!

HE 185 William Walsham How, 1823-97

# Vous qui sur la terre habitez 94

Psalmo 100

Old Hundredth Ĝenevo 1551










2. Ĉar l'Eternulo estas Di', / ni apartenas nur al Li, / ŝafaro Lia kaj popol'. / Li paŝtos nin laŭ Sia vol'.

3. En Liaj kortoj ĉiu hom' / la gloron de la Dia nom' / prikantu, kaj kun dank' sen fin' / en tiuj haloj laŭdu Lin.

4. Ĉar bona estas la Sinjor', / eterna Lia korfavor'. / Fidelas Li de jar' al jar', / kaj de idaro al idar'.

KKP 2 Théodore de Bèze, 1519-1605

# Come, Thou almighty King



Moscow

(Adaptita) Felice Giardini, 1716-96

Ve-nu, tut - po - va Di', Vin laŭ - di vo - las ni ——
kun dan - ka kor'. Pa - tro de l' kre - i - tar', es - tu por
ni rem - par' kon - traŭ al - log - e - rar' dum ĉi - u hor'.

2. Enkarniĝinta Vort', / venu kun sava fort' / kaj tenu nin / ĉiam en harmoni', / kun frata simpati', / ke Via Eklezi' / pli gloru Vin.

3. Sankta Spirito, Vi / en ni atestu pri / la Dia ver'. / Vi granda Paraklet' / flustru en la kviet' / de l'koro pri l'aĉet' / el mort-danĝer'.

4. Al Triunua Di' / levas la korojn ni / kun laŭd-fervor'. / Plejalta Suveren', / Vin en eterna ben' / vidos ni ĉiam en / ĉiela glor'.

Anonima, ĉ. 1758

# Herr Jesu Christ, dich zu uns wend



Herr Jesu Christ

Gotha 1651

Tur - ni - ĝu, Je - su Krist', al ni! Spi - ri - ton Sank - tan sen - du Vi! Li re - gu nin per help' sur ter' kaj gvi - du nin al Vi - a ver'!

2. Malfermu buŝojn por la laŭd'! / Pretigu korojn por la aŭd'! / Fortigu kredon en la hom', / ke konatiĝu Via nom';

3. ĝis kantos ni en Dia ĥor': / „Ho sankta, sankta Di-Sinjor'!" / kaj propr-okule vidos Vin / en ĝoj' eterna, glor' sen lim'.

4. Honor' al Patro kaj al Fil', / Spirito Sankta, unu bril'! / Ja estu al la Triunu' / gloranta laŭd' eterne plu!

(EKE 4)

Wilhelm II. duko de Sachsen-Weimar, 1598-1662

# Safely through another week 97

(Nanuka no Tabiĵi)

Holy Spirit, faithful guide

Marcus Maurice Wells, 1815-95

Jam sep - ta - ga la— vo - jaĝ' nun— en pa - co

pa - sis for; an - taŭ Vi - a glor - vi - zaĝ' pre - ĝe

kli - nas sin— la kor'. Tag' ri - po - za,

ho— kon - sol' kaj— de l'e - ter - nec'— sim - bol'!

2. Kiam ni al la Savant' / venas kun sincera preĝ', / kiel forta pacigant' / montru Vin al ni, ho reĝ'! / Paco kora kaj pardon' / estu Via graca don'.

3. En ĉi tiu sankta tag' / do aŭdiĝu sankta vort'; / ĝi nin gvidu el forvag' / al la ĝusta bona pord'. / Trafu Via kompatem' / ĉiun, kiu sekvas Vin.

4. Vi kunestu inter ni, / kiujn ligas Via ben'; / volu montri do al ni / gloron de l' ĉielĝarden'. / Lasu nin aliĝi nun / al ĉiela la festen'.

John Newton, 1725-1807
(traduko en Japanan lingvon)

## Gott ist gegenwärtig

**98**

Gröningen

Joachim Neander, 1650-80



2. Dio mem ĉeestas, kiun serafaro / ade laŭdas sen komparo. / „Sankta, sankta, sankta" tra la volboj tonas, / dum anĝeloj klarionas. / Granda Di', ankaŭ ni / voĉe, muzikile / laŭdu Vin simile.

3. Dio, loĝe restu en la kora limo, / templo estu do l'animo. / Lavu la spiriton kun la intelekto, / ke ni amu en perfekto. / Kio ajn: ne en ŝajn', / sed reala-bilde / Vi montriĝu milde.

4. Reĝo grandrenoma, nia laŭda vervo / kronu Vin per sklava servo. / Nia kanto ĥoru ĉe Vi en oreloj / kvazaŭ himno de anĝeloj. / Via fam' kreskas jam. / Preĝu ni ne vane: / iru akompane.

Gerhard Tersteegen, 1697-1769

# Por laŭdi Vin, Sinjoro **99**

Christus,der ist mein Leben — Melchior Vulpius, 1560-1615

Por laŭ-di Vin, Sin - jo - ro, kun - ve - nu ĉi - u hom' kun a - mo kaj a - do - ro en Vi - a sank-ta dom'.

2. Kantadas ni en ĥoro / al Vi, ĉiela Reĝ': / kaj el humila koro / sin levas nia preĝ'.

3. Ni dankoplene miras / pri Via bonfarad', / kaj danki Vin deziras / dum tuta la vivad'.

4. Ni dankas Vin kun ĝojo / pro Via sankta vort'; / gvidilo sur la vojo / al vivo trans la mort'.

HE 3 — Originale verkita en Esperanto de C. G. Wilkinson

# Liebster Jesu, wir sind hier

**100**

Liebster Jesu — Johann Rudolf Ahle, 1625-73

Ni kun - ve - nis ti - e ĉi, vor - tojn aŭ - di, ho Je - su - o.
Ni - ajn pen - sojn gvi - du Vi al Vi mem kaj la in - stru - o,
ke de l'te - ro ni - a ko - ro i - ru nun al Vi, Sin - jo - ro.

2. La kompreno kaj la sci' / nun en la mallumo iras, / tamen la Spirit' de Di' / ĝin en helan lumon tiras. / Mem Vi bene nin preparu, / ke ni bone pensu, faru!

3. Ho, Vi lumo de la glor', / kiun naskis nia Dio, / brilu rekte en la kor' / kaj preparu nin al ĉio. / Nian preĝon mem Vi aŭdu, / ke ni Vin ĉiele laŭdu.

CH 4 — Tobias Clausnitzer, 1618-84

# Schmücke dich, o liebe Seele

## 101

(Deck thyself, my soul, with gladness)

Schmücke dich

Johann Crüger, 1598-1662

Ve - nu nun, a - ni - mo mi - a, ĝo - ja pro la __ be - no Di - a,
kun laŭd - kan - to en la ko - ro, al la do - mo de l'Sin - jo - ro;

kaj en ĝi - a __ sank - ta pa - co pe - tu por la __ Di - a gra - co;
u - ni - ver - son Li re - ga - das, al vi __ ta - men Sin kli - na - - das.

2. Ni al Vi, ĉiela Reĝo, / venas kun humila preĝo, / Viajn farojn pripensante, / tim-respekte meditante. / Vin ĉirkaŭas misteraĵoj, / nesondeblaj profundaĵoj, / fonto Vi de ĉia scio, / de eterne, sola Dio.

3. Suno, forpelanta timojn, / lumiganta hom-animojn, / radianta puran ĝojon, / brilu nun sur nian vojon. / Ni Vin preĝas el la koro, / uzu nin por Via gloro; / nutru Via patra mano / per ĉiela viva pano.

4. Koron puran al ni kreu, / ke ni ĝoje Vin obeu. / Trovu eĥon amo Via / en amplena vivo nia. / Per la mano kondukante, / helpu, gardu nin konstante; / gvidu al la fina celo – / al la hejmo en ĉielo.

HE 1 Johann Franck, 1618-77
(en la Anglan tradukis Catherine Winkworth, 1829-78)

## Lover Herren! Han er nær **102**

Melodio: Liebster Jesu, n-ro 100

1. Laŭdu Dion! ĉar al ni / Li dum kanto, preĝo, venas, / kaj dum ni en nom' de Di' / kune estas, nin Li benas. / Laŭdu Lin per voĉo, mano, / plenkreskulo kaj infano.

2. Restu do en la proksim' / dum la nokto, dum la tago. / Restu ĉe la hom-anim' / dum ripozo kaj dum ago. / Kaj Spirito Sankta benos / nin, ĝis ni ĉielen venos.

CH 3 Bernhard Severin Ingemann, 1789-1862

## Du ledte frem, al Godheds Gud **103**

Melodio: Wie schön leuchtet, n-ro 43

1. Laŭ Via vort' kreiĝis am', / Vi Evan donis al Adam', / ke ili unu estu! / Rigardu do al tiuj du / serĉantaj benon de Jesu'; / ĉe ili ĉiam restu, / ke li / kaj ŝi / ĉiam provu, / ame povu / en kuniro / esti unu – in' kaj viro.

2. Ĉe la altar' kun amkonfes' / genuis ili, diris „jes" / en amo kaj fidelo. / Do gardu Vi per forta man', / ke tiu par' en akompan' / atingu al la celo. / La leĝ', / ho Reĝ', / ilin gvidu. / Ili vidu / Vian vojon / kaj atingu Vian ĝojon.

CH 75 Birgitte Cathrine Boye, 1742-1824

# The festal morn



Psalmo 122

Hull

Usona melodio, 1798

La ta - go ve - nis de l'Sin - jor', vo - kan - ta nin al

Di - a - dor' en Li - a sank - ta dom'. La

vo - kon aŭ - dis ni kun ĝoj', kaj ve - nis laŭ ku -

ti - ma voj', pro la a - ma - ta Nom'.

2. Okuloj lumigataj per / la fido vidas kun esper' / la urbon en ĉiel', / en kies domoj loĝas en / eterna tago sen ĉagren' / la vera Izrael'.

3. El ĉiuj finoj de la ter' / savitoj portos kun sincer' / tributon de ador'. / Kun ĝoj' eterna kiel kron' / ni kantos laŭdojn ĉe la tron' / de nia kar-Sinjor'.

4. Ni tie en ĉiela glor' / jubilos kun la vasta ĥor' / am-laŭde al Jesu'. / Ankoraŭ ni honoros Lin, / eĉ se al tero venis fin', / kaj ĉesis tempa flu'.

James Merrick, 1720-69, kaj
Thomas Cotterill, 1779-1823

## Patro nia, ni alvenis **105**

Stuttgart — Christian Friedrich Witt, ĉ. 1660–1716 / ar. Charles Palmer, 1968

Pa - tro ni - a, ni al - ve - nis trans la te - ro, trans la mar', sed per u - - nu ling - vo laŭ - das Vin, la Pa - tron de l' ho - mar'.

2. Kunlaboro, amo frata, / estas nia gvida stel'; / la forigo de milito / estas nia sankta cel'.

3. Malaperis nun antikva / interhoma la baril'; / unu lingvo nin kunligas, / la komuna komprenil'.

4. Patro! ankaŭ niajn korojn / same ligu pli kaj pli, / por ke ni frataro estu – / unu vera famili'.

5. Ho, donacu Vian benon / nun al ni kaj nia rond', / por ke nia kunlaboro semu amon tra la mond'.

HE 254 Originale verkita en Esperanto de Clarence Bicknell, + 1918

# Hur ljuvt det är att komma **106**

Dannström Isidor Dannström, 1881

Ho, dol-ĉas la_ al - ve - no al temp-lo-kort' de Di'._ Sub

Li - a ŝir - ma be - no flo - ra - das la li - li':___ pe -

ta - loj de_l'fi - de - la a - nim'mal-fer-mas sin,___ kaj

for - ton ros' ĉi - e - la as - per-gas su - per ĝin;— kaj

for - ton ros'— ĉi - e - la as - per-gas su - per ĝin.—

2. Ho, kiel dolĉe vidi / savitojn de Sinjor' / kun kor-pureco fidi, / oferi kun fervor'! / Jes, kiam laŭd' Spirite / sin levas en konkord', / ho, kiu do hezite / restadus ekster pord'?

3. Eniru! Vidu, sentu, / ke dolĉas la Sinjor'; / en fratkunec' atendu / kun preĝo kaj ador'! / Ekstere: vanta rondo / sen ĝojo por la hom'. / Ne multe donas mondo – / trezorojn Dia dom'.

(EKA 1) Johan Ludvig Runeberg, 1804-77

# Ni el popoloj multaj sur la ter' **107**

Melodio: Old 124th, n-ro ~~223~~ 209

1. Ni, el popoloj multaj sur la ter', / levas la voĉojn, Di', al Via glor'. / Vokas la koroj Vin en la super'. / Aŭdu nin; ni kunvenas al ador', / Di', el popoloj multaj sur la ter'.

2. Kristo, Sinjoro, Vojo, Vero, Viv', / Vi, enkarniĝo de la Dia vort', / donu viv-akvon por la kor-soif', / dolĉon por ĉiu kruda vivosort', / Kristo, Sinjoro, Vojo, Vero, Viv'.

3. Sankta Spirito, ho, instruu nin, / gvidu nin ame pluen al kompren' / de nia ĝusta, vera viv-destin', / pri la signif' de Dia amoplen'. / Sankta Spirito, ho, instruu nin.

Originale verkita en Esperanto de Åke Ahlrén, 1966

# Se l'domon Dio ne konstruas



Wallin — Bertil Wallin, 1945

Se l'do - mon Di - o ne kon - stru - - as, tut - va - ne ti - am su - per ĝi a - li - aj kon - stru - an - toj bru - as: Ne - ni - am ve - nas bon' sen Li.

2. Se urbgardanto Li ne restas, / vigladi estas sen profit': / leviĝi frue vane estas; / malfrue iri al la lit'.

3. Senfrukta la klopodo nia! / „En dormo donas la Sinjor' / bonaĵojn al amato Sia.“ / Ho, fidu Lin el tuta kor'!

Laŭ psalmo 127 originale verkita en Esperanto de T. R. Butler, 1846-1923

HE 132
(EK 12)

Alternativa melodio: St. Clement, n-ro 242

# Geh aus, mein Herz, und suche Freud

109

(I denna ljuva sommartid)

Söderblom

Nathan Söderblom, 1866-1931

Be - le - gas_ nun so - mer-se - zon', el - i - ru_ do kaj

ĝo - ju, hom', pri l'gran - daj Di - bo - na - - - joj. Jen,

ki - el_ ter' or - na - mis_ sin. Jen,_ ki - el_ por ĝo -

ji - gi_ nin, a - pe - ras_ mir - do - na - - - joj.

2. La arbojn garnas foliar', / verdvestis sin kun malavar' / la tera regiono. / Nun ravas vin florar-trezor', / kies brilon ne superas glor' / kaj pomp' de Salomono.

3. Abundon kamp' anoncas jam, / benita pruvo pri la am' / de l'bona, milda Dio. / Provizas Li laŭ Sia plan' / ĉiame nin per taga pan' / kaj bono por animo.

4. Do, kial iru sole mi / sendanka al la kara Di', / dum gloron Li ricevas? / Ho, Dio, inda je la glor', / laŭdante mia plena kor' / en kred' al Vi sin levas.

5. Se plaĉas tiel jam sur ter', / prezentas ĉarme la somer' / riĉegan belprovizon, / do kiel estos kiam mi / post pilgrimado tie ĉi / ekvidas Paradizon!

6. Ho, ke jam staru tie mi / ĉe Via tron', Sinjoro Di', / portante miajn palmojn. / Tiam volus mi al Via glor' / ekkanti kun anĝela ĥor' / pli bonajn ĝojopsalmojn.

EKA 2

Paul Gerhardt, 1607-1676
(en la Svedan tradukis J. von Düben, 1671-1730, kaj prilaboris C. O. Angeldorff, 1808-1866)

Kun permeso de Nordiska Musikförlaget, Stockholm

# Wir pflügen und wir streuen 110

(We plough the fields)

Wir pflügen (Arator) — Johann Abraham Peter Schulz, 1747-1800

Ni plu-gas la kam-pa-ron, kaj se-mas ni-a man', sed

kres-kon do-nas Di - o laŭ Si-a pro-pra plan'; Li sen-das ne-ĝon

vin - tran, kaj var-mon de so - mer', ven-te -ton kaj sun-bri-lon, kaj

Rekantaĵo

plu - von por la ter'. Di - o ĉi-on do-nas al ĉi - u sub la

sun'. Do dan-ku ni kun laŭ - ta kri' pro a - mo Li - a nun.

2. La apudvoja floro, / vespera hela stel', / la kreitaro venas / de Dio en ĉiel'. / Obeas Lin la ventoj, / la birdojn nutras Li, / kaj ĉiutagan panon / donadas Li al ni.

3. Ni dankas Vin, ho Patro, / pro tiom da bonaĵ', / pro semo kaj rikolto, / pro sano kaj manĝaĵ'. / Al Vi ni povas doni / nenion pro la bon', / sed estu niaj koroj / por ĉiam Via tron'.

HE 231 Matthias Claudius, 1740-1815
(en la Anglan tradukis Jane Montgomery Campbell, 1817-78)

# Hilf, Herr Jesu, laß gelingen



(Giv, o Jesu, fröjd och lycka)

Werde munter, mein Gemüte

Johann Schop 1642/Bohema Frataro 1661

Do - nu__ ĝo - jon kaj fe - li - ĉon dum la no - va jar', Je - su'.
Vi - an__ vo - jon, pa - co - ri - ĉon mi - a kor' ak - cep - tu plu.
Ke al Vi di - rek - tu__ sin en pi - e - - co la a - - nim', no - va be - - no kaj__ bon - vo - lo es - tu Vi - a gra - co - do - no.

2. Donu, ke la novan jaron / inde uzos mi, Jesu'. / Gvidu ĉiun mian faron / per fortiga gracoflu'. / Helpu min en ĉiu sort', / apudestu en la mort', / ame prenu la animon, / kiam pasos mi la limon.

(EKA 18)

Johann Rist, 1607-67
(en la Svedan tradukis Petrus Šamuelis Brask, 1649-91
kaj Johan Olof Wallin, 1779-1839)

# Den blomstertid nu kommer **112**

Florados nun

Sveda popolmelodio, 1697











2. Herbejaj florbukedoj, / kampara nobla gren', / la riĉaj ĝardenbedoj / kaj arba verdoplen', / jen signoj al memoro / pri l'vasta Dia bon' / kaj Lia grac-favoro / en ĉiu jarsezon'.

3. Aŭdiĝas birdoj trile / kun multvaria son'. / Do kantu ni simile / al la ĉiela tron'! / Animo, gloru Dion, / ĝojkantu Lin sen lim'! / Li donas al ni ĉion / por korpo kaj anim'.

Israel Kolmodin, 1643-1709

# To Thee, O Lord, our hearts we raise **113**

Golden Sheaves

Arthur Seymour Sullivan, 1842-1900



Al Vi, Sin-jor-o, le-vas ni a - ni-mojn en a - do - ro; laŭ -











2. Kun kora danko portis ni / en festa kunularo / la unuaĵojn tien ĉi: / donacojn por l'altaro. / Por Via graco petas ni, / favoron Vian aman; / la teran panon donas Vi, / ho, donu porĉiaman!

3. La tagan ŝarĝon portas ni; / laboro ofte ĝenas; / sed kun la lasta sunradi' / ripozo fine venas. / Post rikoltado estu ni / de Kristo akceptitaj; / kaj kiel ora garb' de Li / grenejon difinitaj.

4. Ho lando de la sanktular' / en gloro beateca, / kun vasta ora grenkampar', / rivero kristaleca ! / Jam nun anĝeloj helpas nin / laŭtigi ĝojkantadon, / sed tie festos ni sen fin' / ĉielan rikoltadon.

HE 230 — William Chatterton Dix, 1837-98

## I Jesu namn till bords vi gå — 114

Melodio: Old Hundredth, n-ro 94

1. Jesuo, nun en Via nom' / por ĝui de la Dia don' / ĉe tablo kolektiĝas ni. / Ho, benu nian panon Vi.

2. Pro manĝo, kiun donis Vi, / ni dankas Vin, ho kara Di', / kaj petas pri anima fort' / per Via propra, sankta Vort'.

EKA 51 — Nekonata verkinto

# Komm, Herr Jesu, sei du unser Gast 115

Rondkanto por 3 voĉoj

Tradicia







# Danket, danket dem Herrn 116

Rondkanto por 4 voĉoj

Tradicia







N.B. La rekantaĵo de n-ro 110 (Ni plugas la kamparon) ankaŭ taŭgas kiel danko postmanĝa (prefere malaltigu je unu tercio).

# Uram Isten, siess



Rapidu, Sinjoro

Liturgio 16a jarcento/Debrecen 1774

Ra - pi - du, Sin-jo - ro, por gra - ce ri - gar - di nin

en gran - da mi - ze - ro, pro Kri - sto Je - su',

Es - tro kaj Di', ni - a Sa - van - - - - to.

2. Amikoj proksimaj / sin kaŝis for de l'sufer'; / ni solaj vagadas. / Doloro kaj vund', / jen nia sort'! / Kiu kompatas?

3. Nur Vi, Eternulo, / la koron de mizerul' / kapablas malŝarĝi. / Sur ni pezas kulp'. / Helpu al ni; / Vin ni sopiras.

4. Rapidu, Sinjoro, / por grace rigardi nin / en granda mizero, / pro Kristo Jesu', / Estro kaj Di', / nia Savanto.

El psalmo 38
Gál Huszár, + 1575

# Mikoron Dávid nagy búsultában



Psalmus Hungaricus

Zoltán Kodály, 1882-1967

Ki - am Da-vid' en gran - da mal - ĝo - jo, eĉ de a - mi - koj

mo - ke spi - ta - - ta, en si - a ko - ro__ plen - dis a - ma - re,

pre - ĝi ko - men - cis li al la E - ter - nul':______

2. Dio Sinjoro, turnu, mi petas, / Viajn okulojn al Via sklavo. / Ne plu min lasu en la mizero, / ĉar la animon mian konsumas plor'.

3. Ho, se mi havus, kiel kolombo, / viglajn flugilojn, mi jam forflugus! / Se Li permesus, mi jam delonge / estus fuĝinta foren al dezertej'!

4. Mia animo kaj miaj pensoj ! / Fidu konstante nur vian Dion, / ĉar Li aŭskultos viajn petegojn, / viajn premantajn ŝarĝojn Li prenos for.

El psalmo 55 / Mihály Kecskeméti Vég, 1565

# Vater unser im Himmelreich 

(O Fader vår i himmerik)

Vater unser | Leipzig, 1539



2. Al ni sanktiĝu Via nom', / pro ĝi beniĝas nia dom'. / Kaj vivu ni laŭ sankta mor' / ĉiame, Di', al Via glor', / kaj estu ni, laŭ Krist-parol' / eterne Via Di-popol'.

3. La regno Via venu kun / eterna ĝojo al ni nun! / Spirito sankta loĝu ĉe / homar' kun help' en ĉiu ve'! / Forpelu la Satanon per / la Vorto Via de la ter'!

4. Obeu ni al Di-ordon' / surtere, kaj ĉe Via tron'; / kaj se Vi provos nin sur ter', / konduku nin per fid', esper'; / dum pekdeziro kaj inklin' / laŭ Via volo gvidu nin!

5. La panon nian donu Vi, / ke la anim' ne zorgu pri / havaĵoj ĉiaj sur la ter', / sed liberigu el mizer', / malsato, avarec', malpac', / kaj donu Vi laŭ Via grac'.

6. Pardonu ŝuldon, Patro, ke / ĝi al anim' kaj koro ne / turmentu, sed laŭ la instru' / de milda, ama Krist' Jesu' / pardonu ni al nia frat' / en milda amo kaj kompat'.

7. Kaj dum tentadoj de Satan' / nin gardu Via forta man'; / li ligas nin per pek-katen', / rompiĝos tamen ĉiu ĉen', / ĉar fidas ni al Vi, Sinjor', / do helpu ĝis la morta hor'!

8. De la malbono gardu nin, / kaj tenu nin ĉe Via sin'! / Nin savu el la dua mort', / konsolu nin per Via vort'! / Nin gvidu ĝis dum lasta hor' / ni iros al anĝela ĥor'.

9. „Amen" signifas „certa ver'"! / Ho, certa estu la esper', / ke ni ekhavos ĉion ĉi, / petante Dion, kiel Vi. / Fortigu fidon do, Sinjor', / laŭ Via vort', en nia kor'!

CH 97 Martin Luther, 1483-1546

(en la Norvegan tradukis Magnus Brostrup Landstad, 1802-80)

## Gud, når du til regnskap kaller **120**

Melodio: Hovden, n-ro 141

1. Kiam Vi de mi postulos, / Di', klarigon pri la viv', / mian konton trakalkulos, / ĝranda estos la pasiv': – / miloj, miloj da talentoj! / Mi pro tim' paliĝas, ĉar / fluos kiel la torentoj / peko, ŝuldo, kulp', erar'.

2. Pentas mi. Vizaĝ-al-tere / preĝas, kaj alvokas Vin / mi humile, malfiere: / Di-Sinjor', indulgu min! / Ŝuldojn pagis Vi, Jesuo! / Savu, granda Fil' de Hom', / la animon de detruo! / Glor' al Via kara nom'.

Magnus Brostrup Landstad, 1802-80

# Du fonds de ma pensée

**121**

(Uit diepten van ellenden)

Au fort de ma détresse

Strasburgo 1539/ar. L. de Kam, 1969

El la mi-zer-pro-fun - do mi vo-kas Vin, Sin - jor',

per pre-ĝo el la fun - do de mi - a kul - pa kor'.

Ho Vi, ĉi - - - e - la re - ĝo, aŭs - kul-tu kun a - tent'

al mi - a ar - da pre - ĝo, ĉar pre-mas kul - po - sent'.

2. Se Vi kalkulon farus / de ĉiu pek' kaj krim', / ho, antaŭ Vi ja starus / neniu hom' sen tim'. / Sed per pardono Via / Vi superŝutis min. / Kaj tial kanto mia / respekte laŭdas Vin.

3. Mi restis plenespera / en plej mizera sort', / ĉar estas certe vera / ja Via sankta vort'. / Pli arde Vian venon / atendas mia kor', / ol gardstarant' matenon: / ho, kiam la aŭror'!

4. Vi fidu la Sinjoron, / aliru kun esper'. / Li montros korfavoron / kaj savos el mizer'. / Pentanton Li pardonos. / Al Sia Izrael' / Li liberigon donos / de l'pekoj kaj ribel'.

Laŭ psalmo 130 / Clément Marot, 1497-1544
(en la Nederlanda reverkis Hendrik Ghijsen, 1773)

## Vers les monts j'ai levé mes yeux **122**

('k Sla d' ogen naar 't gebergte heen)

Psalmo 121 — Louis Bourgeois, 1568/ar. L. de Kam, 1969

Le - vi - ĝas mon-ten la o - kul': ĉu es - tas help' por mi?

De ki - e ve - nos ĝi? Min hel-pas nur la E - ter-nul',




2. Ne falpuŝiĝos la pied', / vin gardos kun fidel' gardant' de Izrael'. / Ĉeestas Li ja sen dormet', / dum bril' de l'suna horo, dum nokto de l'doloro.

3. Li gardos vin en la danĝer', / ĉu en, ĉu ekster dom', de kia ajn malbon'. / Kaj kien iros vi sur ter', / ĉu vi malĝojos, festos, Li ĉiam apudestos.

Laŭ psalmo 121/ Théodore de Bèze, 1519-1605
(en la Nederlanda reverkis societo „Laus Deo, Salus Populo")

## Jeg står for Gud, som all ting vet — 123

Melodio: Vater unser, n-ro 119

1. Antaŭ la Ĉioscia nun / mi staras, kulpa je la pun'. / Parole, age, pense – jes, / mi pekis; sekvas nun konfes'. / Ĝi tranĉas mian koron. – Di', / indulgu min pekulon Vi!

2. Min de vizaĝo Via ne / forpuŝu, Dio! Helpu, ke / tirota estu mi, savit', / al Vi per Sankta la Spirit'. / Al mi la vojon montru, Di'! / Indulgu min pekulon Vi!

3. Malligis min Jesuo per / la kruco-mort' de pekmizer'. / Min ne forpelu, Fil' de hom', / min lasu iri al la dom', / de graco pravigita. – Di', / indulgu min pekulon Vi!

Magnus Brostrup Landstad, 1802-1880

# In dich hab ich gehoffet, Herr



Psalmo 31

In dich hab ich

15a jarcento/Zürich 1552

Es - pe - ro mi - a es - tas Vi. Ne la - su, ke pe -

re - u mi aŭ ĉi - am_es - tu mo - ko. Mi

pe-tas Vin: Kon-ser - vu min en Vi,_ la_for-ta ro - - ko!

2. Kun grac' kliniĝu Vi al mi! / Elaŭdu min! Eliru Vi! / Por savi min rapidu! / Mi en dolor', / mi en angor'. / Mizerojn miajn vidu!

3. Ho, helpu min, ŝirmanta Di', / por mi rempar', en kiu mi / kuraĝe bataladas, / se en konker', / se en mizer' / arme' min atakadas.

4. Ho mia vivo, roko, fort' / kaj ŝild', hero', laŭ Via vort', / kaj help' kaj sav' kaj ĉio, / ja Vi Sinjor' / eĉ en dolor'. / Kontraŭos min nenio.

5. Al mi la mondo per mensog' / kaj false min trompanta log' / ĉagrenojn ofte donis. / Per Vi, la ver', / en la danĝer' / mirakle mi ne dronis.

6. Spiriton mian donas mi / al Vi. Akceptu ĝin, ho Di', / al Via ama sino! / De l'inferul', / ho Eternul', / min savu en la fino.

7. Laŭd', glor', honor' al la Benit', / al Patro, Filo kaj Spirit'! / Ni laŭdu Lian famon! / Fortigas nin, / venkigas nin / Jesuo Kristo. Amen.

(EKE 11) Adam Reusner, 1496-1575

## Mi levas la okulojn **125**

Psalmo 121

Melodio: St. Theodulph, n-ro 58

1. Mi levas la okulojn, / preĝante, al la mont', / al Li, la Eternulo, / potenca la helpont'. / Ke mi ne piedglitu, / atentas la rigard', / ĉar ne dormetas, kiu / sin nomas mia gard'.

2. De Izrael' ŝirmanto, / neniam dormas Li; / ĉe mia dekstra flanko / la ombron formas Li. / De sun' Li ŝirmas tage / kaj nokte de la lun', / elire kaj enire, / eterne kiel nun.

EK 11

Laŭ psalmo 121 originale verkis en Esperanto Magda Carlsson, 1950

## To my humble supplication **126**

Melodio: Quem pastores, n-ro 36

1. Al humila preĝo mia / klinu sin orelo Via; / ĉar esperon havas mi / ja nenian, krom en Vi.

2. Sendu ĝojon al la koro / nun premata de doloro, / kiu supren, for de l'tero, / sopiradas al libero;

3. fidas la kompaton Vian, / la senliman amon Dian, / kaj, al Vi turnante sin, / nepra helpo trovas Vin.

4. Min blindulon helpu, gvidu, / ke la veron mi ekvidu; / ke la vojon paŝu mi / al ĉielo kaj al Vi.

HE 136 Joseph Bryan, c. 1620

# Lord of our life



Flemming — Frederick F. Flemming, 1778-1813

Es - tro de l'vi - vo, Ĉi - o - po - va Di - o! Ste - lo de l'nokt',— Es - pe - ro de l'na - ci - o! Aŭ - du la pre - ĝojn el la e - kle - zi - o, For - ta Re - gan - - to!

2. Vidu! la ŝipon ondoj ĉirkaŭprenas; / vidu! standardojn malamikoj tenas; / sagoj venenaj hajle sur nin venas – / Vi povas savi.

3. Ne helpas homoj, sed Vi nin protektos, / kaj se ni pekos, patre nin korektos; / morto, infero, Viajn ne difektos. / Donu la pacon!

4. Pacon animan, malgraŭ diablaro, / pacon interne de la Kristanaro, / pacon en mezo de milit-preparo, / trankviligantan.

5. Helpu nin venki en batal-danĝero; / donu al ĉiu vidon de la vero; / kaj, kiam venis paco al la tero, / pacon ĉielan.

HE 122 — Philip Pusey, 1799-1855

(la Angla traduko estis bazita sur originalo de Matthäus Apelles von Löwenstern, 1594-1648: „Christe, du Beistand deiner Kreuzgemeinde")

# Új szivet adj, Uram énnekem **128**

Donu al mi | Peter Balla, 1908-

Do - nu al mi no-van ko-ron, Di'! Ho, kva - zaŭ flam'
bru - lu pro am' al Vi, Sin - jor', ti - a no - va kor',
kaj ĝi i - ru kun Vi, sen - ĉe - se nur kun Vi.

2. Mi preĝas por / gaja, milda kor'; / ĝin loĝu plu / nur Vi, Jesu'. / Via parol' / estu ĝia vol'. / Plena iĝu la kor', / plenplena nur de Vi!

3. Sub Via man' / reaperas san'; / Vi tuŝis jam / koron per am'. / Firma do sci', / ke senkulpa mi / baldaŭ staros ĉe Vi, / ho, supre apud Vi.

Tamás Vargha, 1890-1968
Kun afabla permeso de la komponisto

# Sende dein Licht und deine Wahrheit 129

Rondkanto por 3 voĉoj

Tradicia







# Søde Jesu, Glædens Kilde 130

Melodio: Jesus Christus herrscht, n-ro 75

1. Ho Sinjoro, font' de ĝojo, / kaj dum timo mia vojo, / Vi, konsolo kaj esper', / Vi, remparo dum batalo, / apogilo dum la falo, / sola helpo sur la ter'!

2. Vi ja mian timon konas, / eĉ se helpon Vi ne donas, / kaj okulojn kaŝas for. / Kvankam mi Vin ne plu vidas, / tamen sole Vin mi fidas, / preĝas nun al Vi, Sinjor'.

3. Ĉar Vi povas en doloro / ĝojon doni al la koro; / se Vi nur rigardas el / la ĉielo ame, grace – / iras mi trankvile, pace, / ŝtonan vojon sen ŝancel'.

4. Jes, per tio Vi min provas, / ke la ĝojon mi ne trovas – / poste venus viva flu' / el la vera viva fonto, / rekompenc' al plor' kaj honto, / en ĉielo ĉe Jesu'.

5. Ho animo, ne plu plendu; / lasu, ke Li tion sendu, / kio taŭgas sur la voj'. / Estu tio dorna krono, / aŭ la kron' ĉe Via trono, / kron' de vivo kaj de ĝoj'.

(CH 99)

Thomas Kingo, 1634-1703

# Jesu, geh voran

(Jesus, still lead on)

Arnstadt

Adam Drese, 1620-1701

Gvi - du nin, Je - - su', tra la mon - da bru';

Vin tran - kvi - le kon - fi - dan - te, ni se - kva - dos

Vin kon - stan - te en pil - gri - ma band' al la Pa - tro - land'.

2. Malgraŭ ĉiu bar', / ĉia kontraŭstar', / kun espero en animo / ni fidados Vin sen timo / ĝis la fina cel' – / hejmo en ĉiel'.

3. Se anim-dolor' / premas al la kor', / meze de tentado ĉia, / helpu nin per forto Via; / kondukadu nin / ĝis vojaĝa fin'.

4. Kristo, gvidu nin, / kaj ni sekvos Vin. / Amo Via nin direktu, / subtenadu kaj protektu, / ĝis la kara rand' / de la Patroland'.

HE 146

Nikolaus Ludwig grafo de Zinzendorf, 1700-60
(en la Anglan tradukis Jane Laurie Borthwick, 1813-97)

# Wele'n sefyll rhwng y myrtwydd



(Guide me, O Thou great Jehovah)

Cwm Rhondda

John Hughes, 1873-1932

Gvi-du an-taŭ mi,_Je-ho-vo, pil-gri-man-ta de-zer-tan'.
Ŝir-mu min per Vi-a___ po-vo, te-nu per po-ten-ca man'. Nun kaj ĉi-am, nun kaj ĉi-am, nu-tru min ĉi-e-la pan';___ nu-tru min ĉi-el-a pan'.

2. Mi kristalan fonton vidu / kun saniga dolĉa flu'. / Fajra nub-kolono gvidu, gardu min la Di-instru'. / Fort-helpanto! / Lasu min neniam plu.

3. Kiam ĉe Jordana bordo / tuŝos min la ond-kares', / tio estu nur la pordo / en la landon de promes'; / laŭdajn himnojn / tie kantos mi sen ĉes'.

HE 145 William Williams, 1717-91
(El la Kimra en la Anglan tradukis Peter Williams, 1727-96)

# Paizsa szegény fejemnek 133

Király Kálmán Csomasz Tóth, 1902-

Ŝir-mo por la pil-gri-man-to es-tu al mi, Di' Sin-jo-ro! ku-ra-ĝi-gu mi-an ko-ron, re-no-vi-gu mi-an for-ton! Res-tu, ho a-nim', en Je-su Krist'!

2. Vi promesis ja kompaton / kaj indulgon al pekinto. / Vi forsendis Vian Filon, / donis al ni novan vivon. / Restu, ho anim', en Jesu Krist'!

3. Vi ne volis, ke pereu, / kiu fidas al Jesuo; / la savita tuta mondo / laŭdu Vin en sia koro! / Restu, ho anim', en Jesu Krist'!

4. Ankaŭ mi al Vi sopiras; / kvankam vundoj min deformas, / abomenon Vi formetu / kaj kompate min purigu! / Restu, ho anim', en Jesu Krist'!

5. Ĝoju, flugu, mia koro, / rekte al la reĝa trono; / dum mi vivas sur la tero, / Lin mi laŭdas en libero. / Restu, ho anim', en Jesu Krist'!

6. Via suno, Jesu Kristo, / min prilumu sur la vojo; / karan, varman lumon Vian / ankaŭ mi radiu ĉiam! / Restu, ho anim', en Jesu Krist'!

Imre Pécselyi Király, + ĉ. 1641

## Love divine, all loves excelling 134

Blaenwern W. P. Rowlands, 1860-1937

A - mo Di - a, tut - su - pe - ra, ĝoj' ĉi - el - a

in - ter ni, re - stu kun ni, Vi__ mi - ste - ra, glo-rajn

be - nojn do - nu Vi. Je - su, Vi - a kor - kom-pa-to

flu - as el___ sen - li - ma___ am'. Ve - nu kun la

sav - man - da - to, sa - vu el___ in - fe - ra flam'.

2. Venu Vi, Liberiganto, / vivu ni per Via grac'. / De pek-loga insidanto / gardu nin de la minac'. / Beni Vin ni volas ĉiam, / kaj Vin servi kun fervor', / ĉesi laŭdi Vin neniam / pro sindono kaj favor'.

3. Novaj kreitaĵoj indaj / estu ni al Via glor'! / Al Vi estis ni savindaj, / ĝin ni tenu en memor'. / Pli kaj pli en glor-ornamo / kreskos ni ĝis vivofin'. / Tiam kun-miranta amo / ni adore laŭdos Vin.

Charles Wesley, 1707-88

## Jesus, styr du mine tanker **135**

Melodio: Hovden, n-ro 141

Kristo, miajn pensojn regu / en la monda uragan', / kaj min helpu, Krist', kaj flegu! / Mi, de Dio ja infan', / nur je glor' de Dio spiru. / El la viv' surtera mi / do en Via nom' foriru, / kiam plaĉas nur al Li.

Elen Opdal Bernhoft, 1637-1704

# Come Thou fount of every blessing **136**

Melodio: Blaenwern, n-ro 134

1. Venu, Font' de ĉiu beno, / veku kanton en la kor', / pro forigo de ĉagreno, / pro indulgo kaj favor'. / Kiel kantas anĝel-lango, / tiel ankaŭ kantu mi, / pri la pek-kovranta sango / de l' amanta Fil' de Di'.

2. Ebenezer! Jen kordanke / krias mi: Li helpis min! / Kaj mi fidas, ke senmanke / Li min tenos ĝis la fin'. / Serĉis min Jesu' Paŝtisto, / ŝafon en animdanĝer'; / kun miriga am-persisto / faris Sin por mi ofer'.

3. Kiel granda mia ŝuldo / al la graco de l'Sinjor'! / Mi submetu min al muldo, / kiu faros min trezor', / ĉar mi scias min malforta, / forvagema; tamen mi / min konfidas al senmorta / amo de l'savanta Di'.

Robert Robinson, 1735-90

# Lead us, heavenly Father **137**

Melodio: Rhuddlan, n-ro 12

1. Nin, ho Patro, pilotadu / trans viv-ondojn al haven'; / gardu, gvidu, prizorgadu, / sola helpo kaj subten'; / bono ĉia / estu nia, / se kun Via Patra ben'.

2. Ho Savanto, aman koron / klinu al malforta kri'; / mem Vi spertis homan ploron, / kiel homo inter ni. / Tra danĝero / kaj sufero / sur la tero paŝis Vi.

3. Ho Spirito Dia, venu! / Fonto de ĉiela ĝoj'! / Nin per amo sankta benu, / kaj feliĉo sen aloj' – / pac' sen limo / en animo / post pilgrimo sur la voj'.

HE 148

James Edmeston, 1791-1867

# Lead, kindly light **138**

Sandon Charles Henry Purday, 1799-1885



Lu - mo ĉi - e - la, en plej ni - gra hor' gvi - da - du min.
Va - gas en nok - to mi de l'hej-mo for, gvi - da - du min.





Pri mal - prok - si - ma voj' ne zor - gas mi, se





tra mal - - lum' la pa - ŝojn gvi - das Vi.



2. Tiel ne ĉiam preĝis mi, ke Vi / gvidadu min. / Vojon elekti mem kutimis mi, / nun gvidu min. / Malhumileco regis en la kor', / sed tion Vi formetu el memor'.

3. Iros mi nun antaŭen kun esper', / sub Via ben'. / Tra dezertej', rokaro kaj river' / ĝis taga ven'. / Kiam amatoj, kiuj iris for, / al mi ridetos el anĝela ĥor'.

EK 25 John Henry Newman, 1801-90

# Nearer, my God, to Thee



Propior Deo

Arthur Seymour Sullivan, 1842-1900

Di - o, pli a - pud Vin, pli a - pud Vin! Eĉ se per kru - ca voj' Vi le - vos__ min; ĉi - o nur ti - ros min, Di - o, pli a - pud Vin, pli a - pud Vin!_ pli a - pud Vin!

2. Se voje kovros min / nokta kurten', / sur tera lito, kun / ŝtona kusen'; / songoj venigu min, / Dio, pli apud Vin – / pli apud Vin!

3. Ĉio montriĝu nur / ŝtup' al ĉiel', / kion alsendas Vi / kun ama cel'; / voku anĝeloj min, / Dio, pli apud Vin – / pli apud Vin!

4. Tiam laŭdkantos mi / en frua hor'; / kreos Betelon el / ŝtona dolor'; / kaj per sufero pli / alproksimiĝos mi, / Dio, al Vi.

5. Se ĝoje flugos mi / tra la eter', / preter la sun' kaj lun' / kaj stela sfer'; / kantos ankoraŭ mi, / Dio, pli apud Vi – / pli apud Vi!

HE 100

Sarah Flower Adams, 1805-48

# So nimm denn meine Hände **140**

Silcher — Friedrich Silcher, 1789-1860



Ho, ma-nojn mi-ajn pre - nu kaj gvi - du min.
Kon - du - ku min kaj be - nu ĝis mi - a fin'. Sen





Vi ne i - ri po - - vas eĉ pa - ŝon_ mi. Do_





ki - e_ Vi Vin tro - vas, – mi ku - - - - ne, Di'.



2. En Via amo nestu / nun mia kor', / ke ĝi trankvila restu / en ĝoj', dolor'. / Konsolu mizerulon / per Via vid'. / Mi fermos la okulon / en blinda fid'.

3. Eĉ se mi ĝin ne vidas, / la Patra man' / tra nokt' al celo gvidas / laŭ Via plan'. / Do manojn miajn prenu / kaj gvidu min. / Konduku min kaj benu / ĝis mia fin'.

Julie Hausmann, 1825-1901

EK 50

# Hjelp meg, Herre Krist, å strida



Hovden

Norvega popolmelodio

Kris - to, hel-pu min ba - ta - li, ĉar mal-for-ta es - tas mi;

tent' min i - gas stum - bli, fa - li, se min ne kom - pa - tas Vi.

Ki - am pek-a - bis - moj mu - ĝas, mal-for - ti - ĝas mi - a vol'.

Nur per Vi - a help' mi fu - ĝas, es - tas nur ĉe Vi kon-sol'.

2. Dio volu, ke respondo / mia estu en la hor' / de eliro el la mondo: / „Bone mi batalis por / fini vivkuradon mian, / gardi fidon, Krist', al Vi. / Fine donu Vi la Dian / kronon de justec' al mi!"

Anders Hovden, 1860-1943

## Jesus, meek and gentle **142**

Melodio: Glenfinlas, n-ro 184

1. Aŭdu nin, Jesuo, / Fil' de alta Di'; / ame nun aŭskultu / al malforta kri'.

2. Savu nin el peko, / ĉenojn ĵetu for, / rompu la idolojn / de fiera kor'.

3. Amo kaj libero / estu nia cel'; / tiru nian koron / supren al ĉiel'.

4. Gvidu nin irantajn; / estu mem la voj' / tra la teraj ombroj / ĝis ĉiela ĝoj'.

5. Aŭdu nin, Jesuo, / Fil' de alta Di'; / ame nun aŭskultu / al malforta kri'.

HE 90

George Rundle Prynne, 1818-1903

## En dunkel örtagård jag vet **143**

Melodio: Eisenach, n-ro 197

1. Ĝardenon ombran konas mi, / ĉe l'pord' mi haltas ofte. / Solece, pace logas ĝi / en tagofino softe. / En ĝi Amiko trovas sin, sed prokrastem' retenas min.

2. Mi konas fonton – klara pur'. / Vespere sono venas, / aŭdiĝas freŝo de murmur', / se monda bru' ne ĝenas. / Atingus akvon mia man' – / mi restas en soifa van'.

3. Jen olda voj' por iri plu / en nova ruĝ' matena! / Ĝi gvidas al la alta blu' / spirfreŝa kaj serena. / De fort' al forto gvidas ĝi. / Malofte tie iris mi.

4. Ho, gvidu min sub Via ben' / laŭ voj' irita rare, / tra pord' malferma de l'ĝarden', / al font' fluanta klare! / Sinjor', Vi ja esploras min: / Vi scias, ke mi amas Vin.

Karl Gustaf Emil Liedgren, 1879-

# O Love that wilt not let me go



St. Margaret

Albert Lister Pearce, 1844-1912

Ho Am', te-nan-ta min kon-stan-te! Ri - po - zon tro-vas mi en Vi.___ Ke mi- a vi - vo, re - do - na - te, en a - ma o - ce-an' te - na - te, kres-ku ĉi - am pli.

2. Ho Lumo! Dum viv-pilgrimado / torĉeton mian prenu Vi, / ke sole Via radiado / en suna helo de brilado / lumu super mi.

3. Ho Ĝojo, beno en doloro! / la koron cedas mi al Vi; / vidiĝas ĉielarka gloro, / feliĉa promesita horo / de maten-radi'.

4. Ho Kruco, kara al memoro! / ne preĝas mi eviti vin. / Se mortos ĉia monda gloro, / elpolve ruĝa vivofloro / kreskos jam sen fin'.

HE 119

George Matheson, 1842-1906

# Rob tu mo Bhoile, a comdi cride



(Be Thou my vision)

Slane — Irlanda tradicia melodio. Arangîta de Monica kaj Harold Jenner, 1968

Do - nu vi - zi - on de___ Vi, Di - Sin - - jor'!

Gra - vas ne - ni - o, krom Vi - a es - tad'. Fon - to kon -

stan - ta de___ mi - a pen - sa - do, Vi - a kun -

es - to mi - a lu - mo kaj gard'. 5. A - - - - men.

2. Estu mia saĝo, ho Vi vera Vort'. / Mi kun Vi, Vi kun mi ĉiam, Sinjor'. / Patro Vi granda, infano mi vera, / kune ligitaj pro Via favor'.

# Jesus shall reign



Rimington

Francis Duckworth, 1862-1941

Je - su - o re - ĝos! Ja la__ sun' ra - - di - ojn ver - ŝos,

kaj la lun', sur Li - an reg - non tra__ la__

ter', kaj so - nos laŭd'__ en ĉi - u__ sfer'.

2. Leviĝos la incens' de preĝ' / al Li, de reĝoj ĉiam Reĝ'. / Simile al oferarom' / odoros dolĉe Lia nom'.

3. Kredantaj homoj tra la mond' / prikantos Lin en danka rond'; / ne mankos infan-voĉoj por / Lin plaĉi en la vasta ĥor'.

4. Abundas benoj kie Li / regadas korojn ĉiam pli. / Laculo kaj de peko sklav' / ĝojegas en la Dia sav'.

5. Al Li sin klinu ĉiu kor', / Lin honorante kun fervor', / ĉar Li meritas sen kompar' / la-laŭdon de la tuthomar'.

Isaac Watts, 1674-1748

# O Jesu Christ, mein schönstes Licht



Ich ruf zu dir

Wittenberg 1533/ar. Johannes Jeep, 1582-1650

Je - su - o, lu - mo de l'a - nim', kun ki - a gran - da a - mo
Vi a-mis min, trans ĉi - u lim' pe - ne-tris ĝi - a fla - mo.

Ho, do-nu, ke en mi - a — kor' ek - lu - mos ĝi - a —

bri - - - lo, Di - a Fi - - - lo, ke mi al Vi, Sin -

jor', fa - - ri - ĝos taŭ - ga i - - - - - - - lo.

2. Vi helpu, ke eklogos jam / en la spirit' nenio / krom Via graco, Via am' / kaj Via beno, Dio! / Forpelu ĉion, prenu for, / se io nin disigas / kaj min ligas. / Kaj ĉiam Vi, Sinjor', / al bono min instigas.

3. Amiko, bona, bela ĝi / ja estas, ho Jesuo. / Beata venas ĝi de Di', / plenigas min per ĝuo. / Kaj tial, kara Di-ŝafid', / aperu al l'orelo / krom la belo / nenio, ke en fid' / mi iru al la celo.

4. Savanto mia, al mizer' / kaj morto jam Vi iris. / Mokitan, krucumitan per / la lanc' Vin homoj ŝiris. / La vundojn Viajn tenu mi / eterne en memoro, / kaj en koro / mi ĉiam pensu pri / dornkrono kaj doloro.

5. Ho, se la koro nun al Vi / malferma preta estus, / ke Via justo, kara Di', / anstataŭ peko restus. / En la okuloj mia plor' / pri pento nun rakontas, / kaj mi hontas / Vin vidi, dum, Sinjor', / Vi pri la am' rakontas.

6. Ĉar Vi min amis, kiam mi / nenion bonan faris! / Jam tiam al la eklezi' / la vojon Vi malbaris. / Instruu min per Via vort' / ĝis mi la vojon iros / kaj sopiros, / ke Via ama fort' / min el la mondo tiros.

CH 34 — Paul Gerhardt, 1606-1676

## One there is above all others **150**

Melodio: Ar hyd y nos, n-ro 167

1. Kristo estas Frato nia, / Li amas nin. / Pli ol ĉiu ajn alia / Li amas nin. / Mond-amikoj mankas iam, / trompas nin, ŝanĝiĝas ĉiam, / Li forlasos nin neniam, / Li amas nin.

2. Vivon donas Lia kono, / Li amas nin. / Fonto Li de ĉia bono, / Li amas nin. / Li por nia savo mortis, / tra danĝero nin eskortis, / serĉis, trovis, hejmen-portis, / Li amas nin.

3. Kiam malfeliĉo venas, / Li amas nin. / Li konsolas, helpas, benas, / Li amas nin. / Lin aŭskulti ni rapidu, / ĉiel plaĉi Lin avidu, / senhezite Lin konfidu. / Li amas nin.

4. Ni pro Kristo pardoniĝas, / Li amas nin. / Malamikoj forpeliĝas, / Li amas nin. / Nin riĉigos beno ĉia, / protektados mano Lia, / gvidos al la hejmo Dia – / Li amas nin.

HE 76 — M. Nunn

# Schönster Herr Jesu



St. Elisabeth (Ascalon)

Silezia Melodio, 1842

Ka - ra Je - su - o, re - ĝo de la te - ro, Vi - a be - lec' es - tas sen kom - par'. Vin mi ho - no - ras, Vin mi a - do - ras. Vi gvi - das min tra l'vi - vo - mar'.

2. Belas la montoj, / belas la arbaroj, / la tuta mond' estas bel' sen fin'. / Sed, Jesu mia, / beleco Via / kun Via am' ĝojigas min.

3. Belas la suno, / belas ankaŭ luno, / brilas la steloj de l'firmament'. / Pli bela brilo / de l' Dia Filo / Plenigas nin per ama sent'.

4. Belas la floroj, / belas pli la homoj, / dum ili staras en juna fort'. / Jen ni forpasas, / ĉion postlasas, / sed Jesu savas nin de l'mort'.

5. Teran belecon, / la ĉiel-helecon, / ĉion superas Imanuel'. / Savanto mia, / Peranto Dia, / servigu min por Via cel'!

(KKP 29)

Nekonata aŭtoro, en Münster 1677

# Herzlich lieb hab ich dich, o Herr



Psalmo 18:2.3

Herzlich lieb

Strasburgo 1577/J. S. Bach, 1685-1750

Mi ko-re a-mas Vin, Sin-jor'; mi pe-tas,_ Vi_ ne_ es-tu for de mi kun Vi-a gra------co!
La tu-ta mond' ne lo-gas min nek pri-ĉi-e-la_ pens-kom-bin', dum res-tas_ Vi-a pa------co.

Eĉ se_rom-pi-ĝos_ mi-a kor', Vi_ ta-men_ es-tos_ en_ la_ plor' la gran-da_ kor-kon-sol' por mi. Per

san - go el - a - - ĉe - tis Vi. Ho Je - - su Krist', Vi

Di - Sin - jor', Vi Di - Sin - jor'! Ne la - su min en mal - ho - nor'!

2. Animo, korpo, ĉiu grac' / ja estas Via Di-donac' / en nuna vivo mia. / Por ke mi povu laŭdi Vin, / dediĉu al gefratoj min; / abundu graco Via. / Ne kaptu min erar-instru', / mensogoj, murd', satan-influ'! / En ĉiu krizo gardu min, / ke venke mi toleru ĝin. / Ho Jesu Krist', Sinjoro-Di', / Sinjoro-Di', / en mort-angor' konsolu Vi!

3. Sinjor', min en la lasta sort' / anĝeloj portu post la mort' / en Abrahaman sinon! / La korpo sen sufer' aŭ plag' / ripozu ĝis la lasta tag', / lasinte la animon! / Sed tiam revivigu min, / por ke mi povu vidi Vin / en ĉiu ĝoj', ho Dio-Fil', / grac-trono mia kaj Savil'! / Ho Jesu Krist', elaŭdu min! / elaŭdu min! / Mi ĉiam volas laŭdi Vin!

(EKE 22) Martin Schalling, 1532-1608

*La graco de nia Sinjoro abunde sufiĉegis kun fido kaj amo, kiuj estas en Kristo Jesuo. Fidinda estas la diro, kaj inda je plena akcepto, ke Kristo Jesuo envenis en la mondon, por savi pekantojn. Nun al la Reĝo eterna, senmorta, nevidebla, la sola Dio, estu honoro kaj gloro por ĉiam kaj eterne. Amen.* *1 Tim. 1: 14. 15. 17*

# Praise the Lord through every nation 

Wachet auf — Philipp Nicolai, 1556-1608/ar. J. S. Bach, 1685-1750

Nun al Kris - - to so - nu kan - - - to,
Laŭ - du Lin, ho vi an - - ĝe - - - - loj!

de ĉi - u ho - mo la Sa - - van - -
El al - taj vol - boj de l'ĉi - - - e - -

to, si - dan - ta sur la Pa - tra tron'.
loj re - vi - bru ĉi - en ĝo - ja son'.

Al ti - - - u glo - ra kri' al - -










2. Di', kun Dio potencanta; / hom', homan formon nun portanta, / de ĉiuj gentoj reĝo Li. / Lian savon plenfidante, / eternan vivon ricevante, / heredos la ĉielon ni. / En lumo antaŭ Li / kun ĝojo staros ni: / Haleluja! / Kun peko for / de ĉiu kor', / vivante en eterna glor'!

3. Kristo, super la infero, / pekado, morto, kaj mizero, / potence triumfadis Vi. / Surgenue adorante, / kaj amon Vian konfesante, / ni laŭdas Vin per danka kri'. / Post kruco tie ĉi / la kronon portos ni: / Haleluja! / Jam nun sen fin' / regadu nin, / kaj ĉiu koro laŭdu Vin.

Rhijnvis Feith, 1806
(en la Anglan tradukis J. Montgomery, 1808)

# Jesus, Du er den himmelveg **154**

Melodio: Kirken, n-ro 89

1. Estas, Jesuo, Vi la voj', / kiu al Dio nin gvidos. / Trovi Vin estas do la ĝoj', / vivon kaj gloron ni vidos. / Vi estas ĉies viv' kaj lum', / sed iras mond' en densa fum' / malsaĝe inter la tomboj.

2. Brilas en nokton klara lum', / nokto ne lumon perceptas. / Di' sendis Filon al krucum', / sed Lin la mond' ne akceptas. / Li en la mondon kiel hom' / venis, sed restis Lia nom' / fremda kaj eĉ malamata.

3. Sed ĉiuj, kiuj fidis Lin, / kiuj de l'nokto foriris, / kaj pentis, preĝis, turnis sin / al la Savanto, akiris / Lian heredon, poste pli: / per Lia sankta nomo vi / iĝas infanoj de Dio.

4. Al Sia Patro iris Li, / lokon por ni Li pretigas; / kaj nun la Sankta Spirit' de Di' / nin al la vero irigas. / Per Dia vort' en Lia nom' / sendas nin Ĝi al ĉieldom', / per Jesu', vojo kaj vivo.

5. Estu mi inter tiuj, Di', / kiujn Vi amas kaj konas! / Tage kaj nokte iru mi / la vojon, kiun Vi donas! / Sen Via help' perdiĝos ĝi, / per Via forto flugu mi, / ĝis en ĉielon mi venos!

CH 48 — Elias Blix, 1836-1902

# Kristo Jesuo, hieraŭ, hodiaŭ **155**

Rondkanto por 3 voĉoj — Humphrey Trevelyan

1. Kris - to Je - su - o, hi - e - raŭ, ho - di - aŭ, 2. kaj la sa - ma ĝis e - ter - ne - co. 3. A - men, a - men, a - men.

(Hebr. 13:8)

# How sweet the name of Jesus sounds



Belmont

Gardiner: Sacred Melodies, 1812

Je - su - o! Ti - u dol - ĉa nom' ple - ni - gas per — es - per'; pro ĝi for - flu - gas kor - ĉa - gren', do - lo - ro kaj — mi - zer'.

2. Revenas ĝojo al anim', / trankvilo al la kor'; / saniĝas vundoj, mortas tim', / sekiĝas ĉiu plor'.

3. Jesuo! Firma Fundament', / Lumego tra nebul', / ŝirmilo kaj kaŝejo Vi,, ripozo por lacul'.

4. Jesu'! Amiko, Edzo, Reĝ', / Gardist', Anim', Sinjor', / Profeto, Pastro, Vojo, Fin' – / al Vi estadu glor'.

5. Ho ve! Senforta estas mi, / malvarma mia kor'; / sed en ĉiel' mi vidos Vin / kaj laŭdos kun fervor'.

6. Ĝis tiam mi adoros Vin / kun amo kaj sincer'; / kaj min mortantan Via nom' / fortigos per esper'.

HE 85

John Newton, 1725-1807

## All hail the power of Jesus' name

**157**

Miles Lane

William Shrubsole, 1760-1806

Je - su - an no-mon glo-ru_ kun la an-ĝe - la - ra

ĥor'; per re-ĝa di - a - de - mo_nun Lin kro - nu,

kro-nu, kro - - nu, kro-nu la Sin - - jor'.

2. Martiroj, kies firma fid' / proviĝis en dolor', / konfesu Lin la Davidid' / kaj kronu Lin Sinjor'.

3. Ho tuta Izraela ras', / ekkantu kun fervor'! / Kuniĝu vi en grandamas' / kaj kronu Lin Sinjor'.

4. La Kalvarian krucon ni / konservu en memor'; / ni danke kantu tie ĉi, / kaj kronu Lin Sinjor'.

5. El ĉiu gento kaj naci' / de l'mondo, ĉiu kor' / aklamu Lin per laŭta kri', / kaj kronu Lin Sinjor'.

6. Kun la sanktuloj ankaŭ ni / kuniĝu en ador'; / ĝis en eterna harmoni' / ni kronos Lin Sinjor'.

HE 84

Edward Perronet, 1726-92,
aliigita de John Rippon, 1751-1836

# Var är den vän

# 158

Melodio: Flemming, n-ro 127

1. Karan Amikon ĉie mi serĉadas; / de la tagiĝo Lin mi sopiradas; / tamen ne trovis ĝis vespera horo / arda la koro.

2. Kie beleco montras sin, aŭ floro / spike kliniĝas; kie bonodoro / venton parfumas — eĉ en vivo mia — / jen amo Lia!

3. Mi audas Lin en spiro de somero, / himno arbara, fluo de rivero. / Plej dolĉe al la koro Li parolas, / kaj min konsolas.

4. Tamen, ho ve! kaŝadas Lin nebulo; / preĝo atingas Lin, sed ne okulo. / Ke mi Lin vidu! metu koron mian / sur bruston Lian!

5. Se tiel bela estas ĉiu guto / de la vivado, de l'kreita tuto, / kiom pli belas gloro senkompara / de l'fonto klara!

6. Kiam kun Li mi staros sur la rando / ĝoja kaj paca de la hejma lando, / kaj gvidos min al ĝia tero brila / morto trankvila?

7. Preĝu, atendu, ho animo mia! / Baldaŭ renkontos vin Amiko via; / ame vin premos, ŝirmos de atakoj / en Siaj brakoj.

8. Rifuĝos vi al tiu paca bordo, / kiel kolombo al la hejma pordo; / kiel paŝtisten kuras la ŝafido / en plenkonfido!

HE 74

Johan Olof Wallin, 1779-1839
Alternativa melodio: Herzliebster Jesu, n-ro 63

# Jesus, Jesus, o det ordet



Sandborg

Amanda Sandborg-Waesterberg, 1842-1918

So - nas ki - el an - ĝel - ĥo - ro ti - u nom': Je - su', Je -

su'! Es - tas ĝi por mi - a ko - ro la in -

spi - ra viv - al - flu'. Es - tas ĝi por mi - a

ko - ro la in - spi - ra viv - al - flu'.

2. Jen la stel' sur firmamento, / kiu gvidas dum vojaĝ' / ĝoje tra la vanto, tento, / noktmizero de l'mondaĝ'.

3. Kara nomo, forte sonu / super mia pilgrimvoj', / kaj mesaĝojn al mi donu / pri la enĉiela ĝoj'.

4. Ŝirmu Vi animon mian / dum la termizer', malic', / donu pacripozon Vian / je la fina endormiĝ'.

5. Kaj min veku, ho Sinjoro, / vivmuzik' de tiu nom' / al eterna tag' de l'gloro / hejme en la Patra dom'.

(EKA 14) Carl Boberg, 1859-1940

# Jeesuksesta laulan **160**

Pri Jesuo Martti Hela, 1890–1965/ ar. T. Ilmari Haapalainen, 1967

Pri Je-su-o kan-tu, kan-tu nur pri Li! ——
Gran-dan pek-par-do-non ha-vas Li por mi,
gran-dan pek-par-do-non ha-vas Li por mi.

2. Li per Sia sango / prenis pekon for, / ke la sklavo portu / gracon sur la kor'.

3. Li min liberigis / el mensogo, mort', / kaj donacis savon / per la Sankta Vort'.

4. Regnon mi heredos / kun ĉiela kron' / kaj kun Reĝa riĉo / ĉe la Dia tron'.

5. En la urbo ora, / Dia glor-maten' / benos min eterne / en edziĝfesten'.

Simo Oskari Korpela, 1863-1936

## Om jag ägde allt men icke Jesus **161**

Se mi havus

J. Olof Lindberg, 1870-1931

Se mi ha - vus ĉi - on krom Je - su - o, ki - om

en la vi - vo da va - lor'? Ĉu per la pa-se-maj ter-ha-

va - ĵoj tran - kvi - li - ĝus mi - a tre - ma










2. Se ne estus rod' por mia ŝipo, / ĉu valoron havus riĉo, am'? / Se nenie por etern' espero, / ĉu valorus inter homoj fam'? / Se mi ĉion havus – krom Jesuo, / kiu amis min ĝis krucomort', / kie estus en la tuta mondo / por la koro help', konsolo, fort'?

3. Kiel vanta ĉio en la mondo! / Sen Jesu' nur peko kaj mizer'. / Sen Jesu' ja ankaŭ en eterno / nur mallumo, ploro, mort', sufer'. / Eĉ se mi sen Li eltenus vivi, / kiel estus ĉe la vivofin'? / Sen Jesu' en la malluma valo, / sen Jesu' eterne en senfin'.

4. Ho, posedi ĉion en Jesuo! / Jen sanig' por vundoj de la kor'. / Ĉiun pekon Li al mi pardonas, / ĉiun ŝarĝon portas la Sinjor'. / Se Jesuon, se nur Lin mi havas, / kaj en tuta mond' nenion pli, / ho, en Li mi havas tamen ĉion – / en abunda flu' donacas Li.

EK 5 Anna Ölander, 1861-1939

# Homoj de l'Galilea Land'



St. Catherine

Melodio de Henri F. Hemy, 1818-88
aranĝita de Charles Palmer, 1968

Ho-moj de l' Ga - li - le - a land', ki-an vi-

zi - on vi - dis vi, ki-am sur vi - a sank - ta

ter' pa - ŝis glor - in - da la Me - si'? L'Es-tro de

vi - vo kaj de mort' ve-nis al vi kun sa - - va vort'.

2. „Gloron ne vidis ni ĉe Li. / Ŝajnis Li ja mirinda hom'! / Carmis Li nin per Sia grac', / vokis al Si en Dia nom'. / Daŭre dum vivo ĝis la mort' / regis Lin elĉiela fort'."

3. Mia Savanto, Estro, Reĝ', / min anstataŭis en dolor'. / Kiel anĝeloj en ĉiel', / tiel mi kantas kun ador': / Savis Li min de pek' kaj mort', / vivo eterna mia sort'!

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1968

## Come, sing with holy gladness **163**

Melodio: Ellacombe, n-ro 68

1. Eksonu niaj voĉoj / kun ĝojo kaj fervor'; / laŭtiĝu la hosanoj / al Kristo, la Sinjor'. / Ho knaboj, kantu gaje / en ĥoro de laŭdad', / kaj dolĉe vi, knabinoj, / respondu per himnad'.

2. Konvenas, ke infanoj / aklamu Lin per kant', / ĉar de la infanaro / Li estas la Savant'. / Jesuo estas Frato, / Amiko, kaj Sinjor'; / do knaboj kaj knabinoj, / Lin laŭdu kun fervor'.

3. Ho knaboj, por Jesuo / laboru ĉiam vi; / Jozefon sur la tero / ĉarpente helpis Li. / Knabinoj, Lin imitu, / kaj estu via kor' / purega kaj amema / en ludo kaj labor'.

4. En Nova Jerusalem / kunludos infanar' / sur stratoj lume gloraj / ĉe la kristala mar'. / Pretigu nin, Jesuo, / ke iam pasu ni / tra l'ora portalaro, / por kanti antaŭ Vi.

HE 258 J. J. Daniell

*Oni venigis infanojn al Jesuo, por ke li metu la manojn sur ilin kaj preĝu; kaj la disĉiploj admonis ilin. Sed Jesuo diris: Lasu la infanojn, kaj ne malhelpu ilin, veni al mi; ĉar el tiaj estas la regno de la ĉielo.* *S. Mat. 19: 13–14*

# In heavenly love abiding



Penlan

David Jenkins, 1849-1915

Al Di - o kon-fi - dan-te, ne - ni - on ti - mas mi; Li gar - das min kon - stan-te, sen - ŝan - ĝa res - tas Li. Ek - ste - re ŝtor - moj mu - ĝas, sed va - na la mi - nac'; al Di - o mi — ri - fu - ĝas; in - ter - ne es - tas pac'.

2. Vivadas mi sen manko, / ĉar Dio paŝtas min; / kun ama kora danko / mi ĝoje sekvas Lin; / Li ĉion klare vidas, / perfekta Lia sci'; / antaŭen Li min gvidas, / kaj iras mi kun Li.

3. Al kampoj verdaj, belaj, / mirige por okul'; / ĉieloj sune helaj / sen nubo kaj nebul'; / plenumo de espero, / veriĝo de vizi', / al vivo kaj libero — / kaj iros Li kun mi.

HE 98 — Anna Laetitia Waring, 1820-1910

# Our God, our help in ages past — 165

St. Anne — ? William Croft, 1678-1727

Ho Di-o—, tra jar-mi-loj Vi fi-de-le hel-pis nin; do, pra-ve kun es-pe-ro ni per-sis-tos ĝis kul-min'.

2. Se ŝtormoj venos kun minac', / ŝirmilo estos Vi; / sufiĉaj Via brak' kaj grac'; / timigos nin neni'.

3. Jam antaŭ ol aperis ter', / ĉielo aŭ la mar', / ekzistis Vi en la mister' / de l'Dia potencar'.

4. Ĉe Vi eonoj pasas for / simile al vesper'; / aŭ al la lasta nokta hor' / je l'brila sun-aper'.

5. Simile al rivera flu' / la tagoj glitas for, / kaj restas en memor' ne plu, / kiel sonĝo je l'aŭror'.

6. Ho Dio, tra jarmiloj Vi / fidele helpis nin. / Tra ĉia sort' nin gardu, Di', / ĝis glora la destin'.

Isaac Watts, 1674-1748

# Lord, Thou hast been our dwelling-place 166

Luther's Hymn

Ĉe J. Klug, Wittenberg 1529

Sin-jo-ro, Vi ŝir-ma-dis nin dum ja-roj sek-vis ja - rojn.
Po-po-lo Vi-a res-tis ni, kaj laŭ-dis Vi-ajn fa - rojn.
Se en a - flik-to kri-is ni, ĉi - a-me a-pud-es-tis Vi kaj ven-kis ĉi - ujn ba - - - rojn.

2. Jam ofte, konfesante ĝin, / ni ploris pekon nian; / sed tamen firme fidis vin / kaj amis nomon Vian. / Vi gardis nin senĉese, por / ke ni neniam vagu for, / nek lasu vojon Dian.

3. El Viaj brakoj, ho Savant', / perdiĝos ni neniam. / Konstante restos Vi helpant', / nin ne forlasos iam. / Sub Via ŝirmo loĝis ni, / kaj rifuĝejo staros Vi / eterne kaj por ĉiam.

HE 108

Thomas Hornblower Gill, 1819-1906

# Through the love of God our Saviour



Ar hyd y nos

Kimra tradicia melodio

Pro la a-mo de l' Sin-jor-o ne ti-mos ni.
Ne ŝan-ĝi-ĝas Di-fa-vo-ro, ne ti-mos ni.
Nin vi--vi-gas Kri-sta mor-to, in-stru-a-das Li-a vor-to,
ŝir-mas_ ne-ven-ke-bla for-to; ne ti-mos ni.

2. Se nin tentos akra provo, / ne timos ni. / Plene savos Dia povo, / ne timos ni. / Dion amu do kun fido, / Kriston servu kun avido, / sekvu al Spirita gvido; / ne timu vi.

3. Lumas antaŭ ni la vojo, / ne timas ni. / Fido kantas en malĝojo: / ne timas ni. / Nin ĉirkaŭos amo Dia, / zorgos pri bezono ĉia, / dum la tuta vivo nia / ne timos ni.

HE 105 M. Peters

## Ja paŝtas min la Eternul' 168

Psalmo 23

Crimond David Grant, 1833-93



2. Li apud akvoj de trankvil' / en paco gvidas min. / Kun daŭra graco donas Li / kvieton al l'anim'.

3. Laŭ vojoj de justeco Li / kondukas min por bon'; / Li ja sur ili benas min / pro Sia kara nom'.

4. Eĉ se mi iros tra la val' / de l'ombro de la mort', / neniam timon sentos mi, / Vi estos mia fort'.

5. Ĉar ĉiam sur la vivovoj' / kuniros Vi kun mi; / bastono Via ŝirmos min, / trankvilon donos ĝi.

6. La tablon mian kovras Vi – rigardas malamik'; / la kapon ŝmiras per ole'; / plenplenas la kalik'.

7. Dumvive bono kaj favor' / min sekvos tie ĉi, / kaj en la dom' de l'Eternul' / por ĉiam restos mi.

Laŭ la Hebrea originalo verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1967

# Tryggare kan ingen vara 169

**Sekureco** — Sveda popolmelodio, 1874

Ti-el ne se-ku-ras i-o ki-el in-fa-nar' de Di-o,
ne la stel' sur fir-ma-men-to, nek la bird' en nest-si-len-to.

2. Mem Li zorgas pri la bono / de la Siaj en Ciono. / Li kompatas ja ĉiame, / brake portas ilin ame.

3. Ĝoj', mizero venos, iros, / sed nin ne de Li forŝiros. / El amikoj plej amika / scias Li pri viv' tragika.

4. Ĝoju, infanaro eta, / Di' vin gardi estas preta. / Kiuj kontraŭ Li batalas, / senkondiĉe teren falas.

5. Ĉu Li prenas, ĉu Li donas, / Patro tamen same bonas, / kaj la cel' de Lia amo / estas bono de l'infano.

Lina Sandell-Berg, 1832-1903

EK 18

# Ĝojan certecon



Blessed Assurance

S-ino J. F. Knapp, 1839-98

Ĝo-jan cer - te - con do - nas Je - su', — du - bo tur -

men-ta min pi - kas ne plu; — kre-das mi vor-tojn de l' Di-a

Fil', — fi - das Lin kun a - ni - ma trank - vil'. —

1.—5. Jen mi a - tes - tas per mi - a kant' — pri mi - a

ka - ra, glo - ra Sa - vant'. Laŭ - das mi Lin el ĝoj - ple - na

kor. vi - vas por Li kun a - ma a - dor'.

2. Ŝarĝon de pekoj levis Li for, / min elaĉetis el ties dolor', / lokon preparas en la ĉiel'; / Lia promeso mia sigel'.

3. Dume feliĉa sub Lia ben' / danke mi vivas sur monda teren', / ĉiam konscia pri Kalvari', / preta por porti krucon por Li.

4. Savo mirinda, paco kun Di', / riĉoj ĉielaj, heredo por mi! / Honto, se mi pri tia donac' / restus silenta en kontumac'.

5. Cede mi petas al Vi, Sinjor', / tenu min inda por Via labor', / faru per mi laŭ Via dezir', / vana ne estu mia aspir'.

Originale verkita en Esperanto
de W. J. Downes, 1969

## God is my strong salvation **171**

Melodio: Christus,der ist mein Leben, n-ro 99

1. Min savas mia Dio, / do kiun timu mi? / En tento kaj mallumo / helpadon donas Li.

2. Se frontas min armeo / kaj granda armilar', / kun Dio dekstramane / restados mia star'.

3. Atendu, do, animo, / fidadu je l'Sinjor'; / subtenos Lia vero / en malfacila hor'.

4. El Lia forto, povo; / el Lia amo, ĝoj'; / dum paco vin benados / sur via tuta voj'.

HE 121 James Montgomery, 1771-1854

# Med Gud och hans vänskap 172

Kun Dio Oscar Ahnfelt, 1813-1882

Kun Di', Li - a pa - co, Spi - ri - to kaj vort', la

tab - lo de gra - - co, fra - ta - ro - kon - kord', al

temp' ne - vi - da - ta mi i - ras sen tim'; ĉar







2. En temp' malfacila, tra koto kaj fum', / areto strebadas ĉielen, al lum'. / La brilon ne vidas mondeca rigard'. / Kondukas Sinjoro, kondukas Sinjoro, / kondukas Sinjoro kun venkostandard'.

3. La veston krucsignan akceptas ja mi, / eĉ se l'unusola en la famili', / kaj ĝoje aliĝas al Krist-avangard', / marŝanta al gloro, marŝanta al gloro, / al gloro eterna ĉe l'krucostandard'.

4. La sango kaj amo de Kristo Jesu' / por ni estas roko kun akvo-alflu'. / Li gvidas la marŝon per nuba kolon', / vigligas la korojn, vigligas la korojn, / ĝojigas la korojn per amo kaj bon'.

5. Dum tentas Satano ĝis mortomizer', / dum pezas la mano de granda danĝer', / ĉe l'vero eterna mi restu des pli: / Jesu' por ni mortis, Jesu' por ni mortis, / Jesu' por ni mortis kaj ĉiuj en Li.

6. Jesuo, ho restu, restadu ĉe ni. / Sirmado Vi estu, ni fidas al Vi. / Do, Amen! ni venkos per Via fidel'. / Laŭdadu kaj gloru, laŭdadu kaj gloru, / laudadu kaj gloru, nin vokas ĉiel'.

Carl Olof Rosenius, 1816-68

(EK 16)

# The King of love my Shepherd is 

Psalmo 23
St. Columba

Antikva Irlanda Himno-melodio
aranĝita de Charles Palmer, 1968

Kun a - ma zor - go_ paŝ-tas_ min la_
ĉi - am bo - na_ Di - - - - - o;_ mi
es - tas_ Li - a, mi - a_ Li,_ kaj
man - kas ja ne - ni - - - - - - - o.

2. Sur ĉiamverdaj kampoj mi / ripozon dolĉe ĝuas, / kaj kie Li kondukas min / trankvilaj akvoj fluas.

3. Vaginte de la vojo for, / mizere mi ekmortis; / sed Li, serĉinte, trovis min, / kaj hejmen ĝoje portis.

4. Eĉ ombran valon de la mort' / trairos mi sentime; / kunestas Vi, kaj per baston' / fortigos min anime.

5. Vi kovras tablon antaŭ mi, / plenigas la kalikon, / oleon verŝas por la kap', / hontigas malamikon.

6. En daŭro de la tuta viv' / bezonos mi neniam; / pro Difavoro restos mi / en Lia domo ĉiam.

HE 111

Henry Williams Baker, 1821-77

# Nu är jag nöjd och glader

# 174

De nun

Nils Frykman, 1881

2. Mi perfektiĝi provis per kredo, preĝ' kaj pent'. / Konsolon mi ne trovis, ĝis fine en silent' / mi pri Jesuo pensis, ĉar Li ja amas min. / Pro amo oferis Li Sin.

3. Senfine Li min amis kaj ŝirmis de detru'. / Elsavon Li proklamis kaj Li laboras plu. / Min lavos Lia sango de ĉia pek-makul'. / En Li mi fariĝas virtul'.

4. Se min la kor' riproĉas, kaj venas dub-atak', / mi min al Dio kroĉas, ĉar fortas Lia brak', / kaj ĉiujn miajn pekojn superas Lia grac'. / Lin gloru pro l'riĉa donac'.

5. Jesuo nun restadas ĉe mi kun riĉa grac'. / Ĝi ĉirkaŭ mi estadas, plenigas min per pac'. / For estas miaj zorgoj, ĉar zorgas la Sinjor'. / Li pensas pri mi en favor'.

6. Satano furiozas. La mondo helpas lin. / Mi en Jesu' ripozas. Li venkos en la fin'. / La Vort' de Dio pravas: Mi estas kunvenkant' / kun Li, mia kara Savant'.

7. Mi gaje hejmeniras. Jesuo gvidos min. / Ripozon mi sopiras. Mi baldaŭ vidos Lin. / En glora pac-haveno, kaj sur la pilgrimvoj' / prikantos mi Kriston kun ĝoj'.

(EK 23) Nils Frykman, 1842-1911

# He leadeth me 175

He leadeth me W. B. Bradbury, 1816-68

Li gvi - das min! Ho bo - na vort'! Kon - so - lo en mal -

ga - ja sort'! Ĉar ki - e ajn mi tro - vos min, la —

Di - a ma - no — gvi - das min. Li gvi - das min! Li

1.–4.

gvi - das min! Jes, pro - pra - ma - ne — gvi - das min; fi -

de - le mi sek - va - dos Lin, ĉar Li - a ma - no — gvi - das min.

2. Tra malĝojego kaj sufer', / aŭ sur Edena flora ter'; / ĉe prosperado ău ruin', / egale Dio gvidas min.

3. La Dian manon tenos mi / sen plendo aŭ murmura kri', / antaŭen marŝos kun obstin'; / kontenta, ĉar Li gvidas min.

4. Kaj kiam post la viv-labor' / Li vokos min de l'tero for, / sen timo mi sekvados Lin, / Li trans Jordanon gvidos min.

HE 147

Joseph Henry Gilmore, 1834-1918

# Hos Gud er idel glede 

(Hos Gud är idel glädje)

Hos Gud

Norvega popolmelodio

Ĉe Di-o nes-tas ĝo-jo, for-es-tas la_ mi-zer', sed of-tas lar-mo-pa-no kaj ĝe-moj sur ĉi ter'. Jen ĝo-jon jen do-lo-ron nun sper-tas Krist-ed-zin', ne ti-el es-tos_ ti-e; ĉe Di' nur ĝoj'_ sen lim'.

2. Jen loĝas mi en tendo, / estante nur migrant'; / la vojdirekt' kondukas / al ĝojoregna strand'. / Trans loga mondplezuro / vidiĝas la Eden'. / Eterne tie loĝos / mi for de ter-ĉagren'.

3. Sur firma grund' mi staras / kun eternec-esper'. / Ankoraŭ do tempeton / min premu kruc-sufer'. / Jam baldaŭ ĉesos ploro, / dolor' ne estos plu, / kaj ĉiam vid-al-vide / mi restos al Jesu'.

EKA 39

Johan Nordahl Brun, 1745-1816
(en la Svedan tradukis Lina Sandell-Berg, 1832-1903)

# Löftena kunna ej svika 177

Diaj promesoj

Lewi Pethrus, 1884

Di-aj pro-me-soj ne trom-pas, sta-ras en rok-fir-ma fort',
i-lin si-gel-as Je-su-o per Si-a san-go kaj mort';—
1.–6. Eĉ se la te-ro bru-li-ĝos, mon-to kaj rok'de-tru-i-ĝos,
al la kre-dan-to pru-vi-ĝos: res-tas la Di-a pro-mes'.—

2. Kiel Abramo jam faris, / levu l'okulojn de l'ter'; / dum vi kalkulas la stelojn, / kreskos jam fid' kaj esper'.

3. Kiam la voj' mallumiĝis, / kredu, ĉar post la kurten', / suno ja ne estingiĝis, / baldaŭ radios maten'.

4. Kiam vin mond' persekutas, / kredu, ĉar Dia Sendit' / kun vi trairos eĉ fornon; / fidu al Li sen hezit'.

5. Kiam amikoj vin trompos, / kredu, ĉar via Jesu' / ĉiam vin gvidos, jes, ĉiam / savos Li vin de detru'.

6. Baldaŭ vi estos nun hejme, / kredu, sub ĉiu mizer', / tie ja estos realo, / kion vi kredis sur ter'.

Lewi Pethrus, 1884-

# Kun Jeesus on omana molla 178

Törnvall Emil Törnvall, 1861-1926/ ar. T. Ilmari Haapalainen, 1967

Se gvi-das Je-su-o sur - vo - je, he - li - ĝos eĉ ŝtor-ma ve-ter'.
Kaj ki - el bir - de-to mi ĝo - je jam raj - tas Lin lau-di sur ter'.

Li le - vis el mor - to kaj por - tis al la glor'. Per

Si - a kor-san-go Li pe-kojn vi-ŝis for. Je - su - o, Je-su - o, Paŝ-

tis - to Je - su - o plu i - ras kun Si - a ŝa - far'.

2. Se venos ondegoj de l'tento, / Jesuo rapidas al mi. / Dum dormo, troŝarĝa momento / Li portas la krucon sur Si. / Per fajro-kolon' zorgas Li pri Izrael', / per sangnubo montras hejmvojon al ĉiel'. / Jesuo, Jesuo, Savanto-Jesuo, / manaon donacas Li plu.

3. Mi gvatas, ĉu el-oriente / leviĝus aŭroro de l'ben'. / Mi ankaŭ aŭskultas atente / harpsonojn de l'reĝa alven'. / Ho, tiam kapablus ekkanti ankaŭ mi / la novan laudhimnon ĉielan antaŭ Di'. / Jesuo, Jesuo, Fianĉo-Jesuo, / jam venu por porti min for!

Oskari Heikki Jussila, 1888-1955

## Du ved det nok, mit Hjerte 179

Melodio: Christus, der ist mein Leben, n-ro 99

1. Vi bone scias, koro, / ke grandas nia Di'; / ke grandas la satano, / jam ofte spertis vi.

2. Do bone, ekbatalu, / kaj fidu, eĉ dum fal', / ke venkos nia Dio / en tiu ĉi batal'.

CH 27

Kaj Harald Leininger Munk, 1898-1944

# Jeg så ham som barn **180**

Melodio: All skapningen, n-ro 250

1. Jesuon ekvidis mi kiam infano. / La vangon Li kisis, min premis je l'mano. / Per steloj ni ludis. La kor' estis pia. / Kaj kaŝis la krucon tegmento folia.

2. Jesuon mi vidis, estante junulo. / Ĉielen rigardis la juna okulo. / Li signis al mi, al purec' min instigis. / La tombojn sur ter' Lia fajro briligis.

3. Kaj vidis mi Lin kiam viro matura. / Juĝist' min tremigis – la sankta, la pura – , / kaj batis nur peze, timeme la koro; / timigis ĝin pensoj pri mort', kaj angoro.

4. La gracon de Dio mi tiam ekkonis; / la solvon de l' kruco-mistero ĝi donis. / La ŝarĝon de Kristo gracplena, humila, / mi danke transprenas kun fido trankvila.

5. Nun scias mi, kion la Skribo atestas, / ke Li la unua kaj lasta ja estas. / Mi fidas al Li, la kompata paŝtisto; / tra vivo kaj morto gvidados min Kristo.

6. Lin vidos mi, kiam la viv' estingiĝos, / la manoj al mia Savant' etendiĝos. / La kor' ne plu batos, la buŝ' ne balbutos, / per lasta rideto mi Kriston salutos.

Vilhelm Birkedal, 1809-92

# Ne te désole point **181**

Melodio: Nun danket, n-ro 22

1. Ne plendu plu, Cion', / ĉesigu vian ploron, / ĉar la eterna Di' / forprenos la doloron. / Ripozon donos Li, / sur nova ter' de pac', / Li ĉiam gvidos vin / en Sia ŝirma grac'.

2. Li iam levos vin / el ruboj kaj ruinoj, / kaj Li ĝojigos vin / per pan', oleo, vinoj. / En brila nova glor' / sin levos via tur' / kaj ĉirkaŭ via urb' / jam staros nova mur'.

3. Kuraĝon prenu do, / ho Cion, en malĝojoj, / ĉar Dio gvidos vin / sur novaj, belaj vojoj; / idaron vian Li / reportos el ekzil' / kaj vi revidos ĝin / en bela, nova bril'.

Félix Neff, 1797-1829

# Befiehl du deine Wege



Psalmo 37: 5

Bartholomäus Gesius, 1555-1603
Georg Philipp Telemann, 1681-1767

Befiehl du

*Trans- - do- nu* vi - an vo - jon, la zor-gojn de la kor',
tur - men-tojn aŭ mal - ĝo - jon, al Di - o, la Sin - jor'!

La mon-don Li ja mo-vas, la vent' o - be - as Lin, por

nub' Li vo - jon tro - vas; ĉu Li ne gvi - dus vin?

2. *Al l' Eternulo* fidu / en pen' aŭ en esper'; / Li viajn agojn gvidu, / kaj certas la prosper'. / Se homo nur lamentas / pri sia sort', sen fin', / lin Dio ne atentas, / nur preĝ' atingas Lin.

3. *La vojon vian* ame / elektas Li; tra bon' / aŭ tra suferoj same, / Li gvidos laŭ bezon'. / Nenio Lin retenas, / ĉar venkas Lia grac'. / Li Siajn idojn benas, / per amo, fido, pac'.

4. *Kaj fidu Lin,* animo, / ĉar vin ja tiros Li, / eĉ el plej granda timo / kaj ĉiam miros vi, / se krede vi atendos / ĝis Li en Sia hor' / por via help' descendos / kaj brilos Lia glor'.

5. *Kaj* kredu, ke Li reĝas / eĉ kontraŭ falsa ŝajn'. / Se vi persiste preĝas, / Li helpos iel ajn. / Ne kredu, ke vi devos / droniĝi en labor' / senfina; ne, Li levos / vin al la patra kor'.

6. *Li faros vian vojon* / plej luma en la fin', / preparos por vi ĝojon / kaj feliĉigos vin. / Jam sonas laŭdopsalmoj, / jam vokas vin la cel', / jam logas vin la palmoj, / ĉe l' pordo de l' ĉiel'!

(KKP 13) Paul Gerhardt, 1607-1676

## Fierce raged the tempest 183

St. Aelred John Bacchus Dykes, 1823-76

Mu - ĝis ven - te - go sur la mar',
kaj ti - mis vi - a sek - van - tar',
Sed vi dor - ma - dis ĉe l'on - dar' en trank - vil'.

2. „Savu nin, Majstro!“ sonis kri’, / „Ho, savu nin el agoni’!“ / Super la ŝtorm’ ordonis Vi, / „Estu pac’!“

3. Tiam kalmiĝis la ondar’ / kvazaŭ dormanta infanar’; / laŭ Via volo al la mar’ / venis pac’.

4. Kiam dum vivo tie ĉi / ventoj nin pelas for de Vi, / saman ordonon aŭdu ni: / „Estu pac’!“

HE 49 — Godfrey Thring, 1823-1903

## Oh! let him whose sorrow — 184

Glenfinlas — Kenneth George Finlay, 1882

En a-nim-su - - fe - - ro, me-ze de do - lor’,
Di - on kun es - pe - ro fi - du vi - - - a kor’.

2. Vidas ĉiun ploron, / ĉion scias Di’; / vian kordoloron / sentas ankaŭ Li.

3. Se en agonio / ĝemas la anim’, / preĝu vi al Dio, / fidu Lin sen tim’.

4. Ĉian kordoloron, / kiun sentas vi – / larmojn kaj angoron – / foren viŝos Li.

5. Kion ni suferas / sur la tera voj’, / plene ja superos / enĉiela ĝoj’.

6. Ho Savinto, donu / amon nun al ni; / per favoro kronu, / tiru nin al Vi.

HE 138 — Heinrich Siegmund Oswald, 1751-1834 (en la Anglan tradukis Frances E. Cox 1841)

# Semmit ne bánkódjál 

Sankta Kristarmeo

Balázs Székel, 1546

Ho, ne ĉa - gre - ni - ĝu, — sank - ta Krist - ar - me - - - o!

Spi - te de mal - am' — ne tra - fos vin pe - re - - - o.

Kvan-kam fu - ri - o - - - zas — kon - traŭ vi la mon - do,

la ma - jes - ta Krist' — ne la - sos vin en hon - - to.

2. El nacio reĝa, kvankam tre malgranda, / vin elektis Di' pro amo sendemanda. / Lia sankta Filo mem vin faris filoj; / kredu, ke por vi do Liaj venko-briloj!

András Szkhárosi Horvát, + post 1549

# Hvil ut, min sjel, ved kjærlighetens bryst 186

Ripozu

Jakob Sletten, 1924

A-nim', ri - po-zu ĉe la kor' de am'. Vi tro-vos be-a-te-con ĉe la ko - ro de la Sa - vin-to, kaj per Di-a flam' pek' es-tos nu-li - go-ta, kaj do - lo - ro. El ti - u pu-to trin-ku, ki-on Di' kom-pa-te do-nis, pro Je-su', al ni.

2. Nin senpekigis Li, la Di-Ŝafid', / sur Sin Li prenis punon, eĉ la morton; / do, ĉu tro granda estus la decid' / atenti de la proksimul' la sorton? / Sufe-ris Li kun ega pacienc', / fratamo estu nia rekompenc'.

3. Ni tiel amu, kiel amis Li, / indulgu ĉiam ni la proksimulojn, / mizerajn senhavulojn helpu ni, / kaj veku el obstina dorm' pekulojn. / Se ni bonfaras ĉiam tie ĉi, / ĉe Dio transe ni akiros pli.

4. Per am' la difektaĵojn de la frat' / vualu, ĉar vualis Kristo viajn! / Konsolu, kaj forigu pro kompat' / de via frat' anim-dolorojn liajn! / Senkompatul', ne atentanta pri / la ŝarĝo de la frato, ve al vi!

5. Animo, do, ripozu ĉe la sin' / de la Sinjoro, la Beatigonto! / Fariĝis Li, ĉar Li ja savis nin, / de Dia am' neelĉerpebla fonto. / Donacon altvaloran volas mi: / en mia koro amon, Krist', de Vi.

Peter Andreas Jensen, 1812-67

## Han vet min väg 187

Gunnar Petersen, 1885-1936

Mia Patro scias

aranĝis T. Ilmari Haapalainen, 1969

Li pri dan - ĝer' de mi - a voj' a - ten - tas, a - bis - mojn

ka - ŝajn bo - ne ko - nas Li ___ kaj o - ro -

re - tojn, ki-uj lo - ge ten - tas, kaj ti - al i - ras Li

tuj a-pud mi. — Kaj o-ro-re-tojn, ki-uj lo-ge ten-tas, kaj ti-al i-ras Li tuj a-pud mi.

2. Li sendas la sun-strion, kiu venas / konsole, se l'kuraĝo estas for. / :Li scias, ke sufer-kalik' tro plenas / kaj viv' mallumas en tro peza hor'. : /

3. Li scias ĉion. Por la pen' severa / donacas Li el forto kaj balzam'. / : En matenlumo, en krepusk' vespera / senŝanĝe sama restas Lia am'. : /

4. Li scias, ke mi servas Lin plenvole, / irante Lian vojon laŭ la pov'. / : Kaj se mi stumblas, donas nur Li sole / al mi kuraĝon por denova prov'. : /

(kp. EK 13) Anna Ölander, 1861-1939

# Beder, og I skulle faa 188

Melodio: Liebster Jesu, n-ro 100

1. Preĝu, kaj ricevos vi! / Preĝu, ĉar Jesuo volas, / ke en Lia nom' al Di' / ĉiutage vi parolu. / Tial preĝi nun vi devas, / laŭ la preĝo vi ricevas.

2. Serĉu, kaj vi trovos jam! / Kiam via ĝojo foras, / mem Jesu' per Sia am' / serĉas korojn, kiuj ploras. / Vin konsoli Li ja povas: / kiu serĉas, tiu trovas.

3. Frapu, kaj malfermos Di'! / Venkis Krist' eĉ en la morto. / Tial tra la agoni' / gvidos Li per plena forto. / En ĉielo ĉio pretas / al enir', se vi frapetas.

CH 50 Johan Nordahl Brun, 1745-1816

# Tag ingenting undan 189

Nenion forprenu

Mel. el nekonata deveno, antaŭ 1927

Ne - ni - on for-pre - nu! Nur i - ru al Di - o kun tu - ta la ŝar - ĝo de vi - a mi - zer'. Ne - ni - on for - pre - nu! Ka - ŝej - on se - kre - tan tra - vi - das o - ku - lo de Di - o sen per'.

2. Nenion forprenu / de viaj misagoj. / Por Di' prisilentu / nenion ĉe l'tron'. /
Ne provu envolvi, / ne provu etigi / la pekon al tiu / aŭ tiu ordon'.

3. Nenion forprenu / dum via preĝado: / „Okazu en ĉio / Divolo kun mi!" /
Neniam vin trompu / pro vol' egoisma / elserĉi escepton / de l'volo de Di'.

4. Nenion forprenu / tuj kiam Di' petas: / „Ho, portu memvole. / Jen, kruco por vi." / Ke via interno / ne tiam respondu / sekrete: „Sinjoro, / nur ne tiun ĉi!"

5. Nenion forprenu. /Ne diru: „Ne eblas". / Sed diru humile: / „Mi volas, Sinjor'. / Mi volas. Fortigu / la eman spiriton / kaj „Amen" respondu / al mia labor'."

6. Nenion forprenu. / La Patro ĉiela / nenion forprenos / de l'ĝojo ĉe Si. / Malfermos sin ankaŭ / por vi la pordegoj / eternaj kaj larĝaj / kun Dia sankci'.

(EKA 35) Lina Sandell-Berg, 1832-1903

## Semmi felöl ne aggódjál 190

Filipianoj Peter Balla, 1908-/ar. Kálmán Csomasz Tóth, 1902-

Pri′ ne-ni - o tro-zor-ga-du; a-mas vin la Di-Sin-jor'.

En sin-do-na dan-ka pre-ĝo mal-fer-mi-ĝu vi - a kor'.

2. Kaj la paco de l' Sinjoro / super ĉiu intelekt' / gardos en Jesuo Kristo / viajn pensojn sen difekt'.

Laŭ Fil. 4:6-7
Tamás Vargha, 1890-1968

# Ingen hinner fram till den eviga ron 191

Ho ke vi lasu

Sveda melodio, ĉ. 1800

Vi ne-ni-am ve-nos al gran-da kvi - et', ne a-van-
De-vas la a - ni-mo ba - ta - li por kred', ki - u ne-

can - te kun bra - - - - vo.
ce - sas por sa - - - - vo.

Nom' de l'voj':Mal-larĝ', kaj

de la pord':Mal-vast', tu - tan gra-con nun e - lek-tu sen pro-

krast', sed ne-ce - sas pre - mi, tra - pre - mi sin,




2. Multas la malhelpoj, batalu, anim'. / Gracon envias Satano. / Venku la malhelpojn de via destin', / lasu la putojn de l'vano. / Iru ne laŭ tent', vokanta: „Tien ĉi!“ / Kara vi anim', per „jes“ perdiĝos vi. / Pro Jesua amo jen peto, konsil': / Luktu, kun Di', por la krono.

3. Pordon ne malfermos por vi ĉielland', / diras la Skriba instruo. / Jes, neniam ankros vi sur ĝia strand' / sen vera kred' al Jesuo. / Nur la kred' vin savos el la nigra val'. / Aŭdu, kara, do: Leviĝu de la fal', / pentofaru, fidu al dolĉa la vort'. / Tio ja estas la vojo.

4. Tutan, vastan mondon ordonas nun Di', / kronon konkeri batale. / Ĝoje Li la kronon donacos al vi. / Luktu do fide, senfale. / Patra mano nun al vi etendas sin. / Ĉe la koropord' Jesuo vokas vin. / Dormon vian ĝenas la Sankta Spirit'. / Ho, ke vi lasu vin veki!

EK 34 — Lars Linderot, 1761-1811

# Vaka, själ, och bed! — 192

Melodio: Arnstadt, n-ro 131

1. Viglu, ho anim'! / Preĝu, armu vin! / Gardu, ĉar satano tentas, / kie malplej vi atentas: / jena la kutim'. / Viglu, ho anim'!

2. Vojon de l'pasi' / ruze iras li, / voĉon de l'amik' imitas; / ĝis en reton vi englitas, / anĝelumas li / voje de l'pasi'.

3. Viglu, preĝu mi! / Karnon regu ni! / Kion la mondano ĉasas, / efemere, fluge pasas: / trompa iluzi'! / Viglu, preĝu mi!

4. Zorgu, ke l'hered' / restu en posed'! / Preĝe viglu kaj obeu, / mondon kaj la memon neu. / Tiel en posed' / restos la hered'.

5. Viglu, ho anim', / ĝis batala fin'! / Post tempeto, Kanaane, / kron' gajnita, palmo mane, / paco plu sen lim'. / Viglu, ho anim'!

(kp. CH 9) — Johan Olof Wallin, 1779-1839

# Våga blott att tro 193

Kredu nur — W. S. Weeden (nekonata, mel. presita Len 1896)

Ve-nu ĉi - uj, ki - uj por-tas vi - vo - ŝar - ĝon sen la pac'.
Ve-nu, ki - uj ne plu for-tas viv-ba - ta - li sen la grac'.

Kre - du nur al Di', kre - du nur al Di'.

Ki - u al Je - su - o ve-nos, pa - con tro-vos — li.

2. Venu ĉiuj, kiuj ploras / en malriĉo kaj mizer'. / Venu, kiuj vojesploras / en mallum' kaj mortsufer'. / Kredu nur . . .

3. Li kun brakoj malfermitaj / vokas daŭre kun persist'. / Al konsolo vin invitas / koro de Jesuo Krist'. / Kredu nur . . .

4. Mondtrezoro eta estas / en kompar' kun Lia pac'. / La anim' beate festas, kies fonto estas grac'. / Kredu nur . . .

(EKA 29) — Johan Gustafsson, 1889-1967

## Hark, a thrilling voice is sounding 194

Melodio: St. Oswald, n-ro 7

1. Aŭdu! forta voko sonas; / Kristo proksimestas nun. / Foren ĵetu noktinkubojn, / vi infanoj de la sun'!

2. Ho vekiĝu pro l'admono! / sklavo monda, levu vin: / Kristo, pekon forĉasante, / Sun' matena, montras Sin!

3. Jen Savonto atendita / el ĉielo kun pardon', / ni rapidu do kun pento / al akcepto de la don'.

4. Estu beno, povo, gloro, / al la Patro, al la Fil', / kun Spirito la eterna, / dum jarmiloj post jarmil'.

HE 25 — Edward Caswall, 1814-78

## Auf, Christenmensch, auf, auf zum Streit 195

Melodio: Eisenach, n-ro 197

1. Kristana hom', ek al batal' / kun kredo pri venkado! / Ĉi tie en la luktoval' / ne estas ripozado. / Se vi ne luktos, ne la kron' / al vi doniĝos ĉe l'Ditron'.

2. Satano venas, malamik', / prezentas mondon vantan, / por logi karnon per taktik' / kaj kapti vin, kredantan. / Se ne heroe luktos vi, / kaptita estos vi de li.

3. Pripensu, ke vi je l'standard' / de via Estro ĵuris, / kaj ke vi en la kreda ard' / ĝis nun laŭ Kristo kuris. / Pripensu, ke sen ŝvit' kaj pen' / neniu venkas en l'aren'.

4. Batalu vi do kun kuraĝ', / persistu ĝis la fino, / streĉante fortojn sen domaĝ', / strebante kun obstino. / Se cedos vi en la batal', / vi restos al Satan' vasal'.

(EKE 24) — Johann Scheffler (Angelus Silesius), 1624-77

# King of glory



Gwalchmai

Joseph David Jones, 1827-70

Re-ĝo glo - ra,— ser - vi Vin mi de - zi - - ras.

Ke Vi ĉi - - am gvi-du min, mi so - pi - - - ras.

Ki-am Vin al - pre-ĝis mi, Vi kom - pa - - - tis:

Ne ri - fu - zis— aŭ - di Vi, nek mal - ŝa - - - tis.

2. Dio, ĉiam tutakore / mi Vin amos; / Vian amon plenfervore / mi proklamos./Kiam en pekado mi / preskaŭ dronis, / mian krion aŭdis Vi, / kaj pardonis.

3. Ĉiun tagon kaj senmanke / mi Vin gloros; / tutan vivon mi kordanke / Vin adoros; / al Vi ĉiam turnos min / enanime; / dumeterne laŭdos Vin, / kaj senlime.

HE 135

George Herbert, 1593-1633
Alternativa melodio: Llanfair, n-ro 14

# Mir nach, spricht Christus

**197**

Bartholomäus Gesius, 1555-1613
Johann Hermann Schein, 1586-1630

Eisenach



2. „Mi estas lum', lumigas vin / per sankta, virta vivo. / Se venos vi kaj sekvos Min, / ne mankos klar-motivo. / Mi estas voj', kaj montras Mi / la veran vivon tie ĉi.“

3. „Kor' Mia plena de humil', / de amo la animo; / la buŝ' admonas kun ĝentil' / por bono laŭ kutimo; / Mi tuta, menso, volo, fort', / kun Dio estas en akord'.“

4. „Ĉu timas vi? Jen Mi kun vi! / Por helpi vin mi staras. / Malferman vojon tra medi' / terura Mi mem faras. / Hontadi devas la soldat', / se li fariĝas renegat'.“

5. „L' animon volas trovi vi? / Sen Mi vi ja ĝin perdos! / Eĉ se perdiĝi ŝajnas ĝi, / en la ĉiel' ĝi verdos. / Do, sekvu Min, eĉ kun dolor'; / eterne vivos vi en glor'."

6. Do, sekvu ni kun kruco-ŝarĝ' / la karan Di-Sinjoron! / Volonte kaj kun firm-kuraĝ' / toleru ni doloron! / Nur post luktad' la kronon ni / de vivo portos antaŭ Di'.

(EKE 25) Johann Scheffler (Angelus Silesius), 1624-77

# Ontwaak, gij, die slaapt 198

Ontwaak Johannes Gerardsz. Bastiaans, 1812-75

„Ve - ki - ĝu, dor-man-to, vin le-vu de l'mort', en lu-mon vin me-tos la

Kris - - - to!" Nun vo-kas vin ti - el Je - su - o kun fort', sed

i - am Li es-tos ju - ĝis - - - to. Ve - ki-ĝu! Vin le-vu! Mi -




2. Ne dormu pli longe en pekoj. La voj' / de nokt' kaj mallumo jam ĉesis! / La lumo de l'grac', salutata kun ĝoj', / jarcentojn jam savon promesis; / Jesuo vin vokas al sankta labor'. / Vekiĝu, vekiĝu! – jam sonis la hor'!

3. Leviĝu de l' morto, kaj vivu, pekant', / ke ankaŭ vin Kristo prilumu! / Ho, aŭdu la voĉon de l' Dia vekant', / obeu, ke vin ne konsumu / ĉe l' fino de l' tagoj la Dia koler'. / Leviĝu! Eliru el via karcer'!

4. Feliĉa, vi hom', se Jesu' vekis vin / el dormo de morto, por ĉiam. / Ĉar tagoj kaj noktoj alternu sen fin', / por vi estos nokto neniam! / Vekiĝu, dormanto! Vin levu de l' mort'! / Aŭskultu Jesuon, Li staras ĉe l' pord'!

KKP 30

Petro Parson, 1803-78

# O Jesús, I have promised

## 199

Melodio: Aurelia, n-ro 90

1. Jesuo, mi promesis / Vin servi ĝis la fin'; / ho Mastro kaj Amiko, / konstante gvidu min. / Batalon mi ne timos, / se min subtenos Di'; / nek vagos de la vojo, / se kondukados Vi.

2. Mi sentu Vin apude, / ĉar premas la malbon'! / Vantaĵoj forte logas, / audiĝas tenta son'. / Ĉirkaŭas malamikoj / interne, kaj sur ter'; / Jesuo, proksimiĝu, / min ŝirmu de danĝer'.

3. Mi aŭdu Vin paroli / la vorton de la ver', / ĉar ofte min plenigas / pasio kaj koler'. / Ho tiam Via voĉo, / vokante en proksim', / redonu la trankvilon / al koro kaj anim'.

4. Ĉar nur per Via forto / mi povos sur la ter' / sekvadi Viajn paŝojn / kun fido kaj esper'. / Min voku, tiru, helpu, / ke mi sekvadu Vin; / kaj poste al ĉielo, / Savanto, prenu min.

HE 192

John Ernest Bode, 1816-74

# Work, for the night is coming



Work Song

Lowell Mason, 1792-1872

Fa-ru la-bo-ron nu - ne jam en la viv-ma - ten'.

Dum la ro-se-roj bri - las en la kor-ĝar - den'.

Tem-po ra-pi-de pa - sas, ĉi-am la-bo-ru vi.

Bal-daŭ la nok-to ve - nos, ki-am ĉe-sos ni.

2. Faru laboron nune / en la tagmeza glor'. / Estu laboroplena /ĉiu hela hor'. / Arde la suno brilas, / tamen, fortigu vin. / Venos la ripozado / en la tagofin'.

3. Faru laboron nune / sub la vesper-ĉiel', / kun la rigardo ĉiam / sur la vivo-cel'. / Dum en ĉielo mortas / lasta la sun-radi' – / jes, ĝis la plena nokto – laboradu vi.

EK 31

Annie L. Walker-Coghill, 1836-1907

# Stand up for Jesus



Morning Light

George James Webb, 1803-87

Sta - ri - ĝu por Je - su - o, sol - da - toj de l'Sin - jor'! Alt -

le - vu la stan - dar - don, ne - ni - u res - tu for. Li

gvi - dos vin ar - me - e, ven - kan - te pli kaj pli, ĝis

ĉi - u mal - a - - mi - ko for - ku - ros an - taŭ Li.

2. Stariĝu por Jesuo! / Jen la trumpeta kri': / „Antaŭen! Al batalo! / sentime marŝu vi." / Sennombraj malamikoj / vin frontos sur la voj'; / batalu do plenforte, / kuraĝe, kaj kun ĝoj'.

3. Stariĝu por Jesuo! / Li estas nia fort'. / La homa brako cedos, / vin armu per la vort'. / Kun preĝo vi surmetu / kirason de l'Sinjor'; / per ĝi vi kontraŭstaros en ekdanĝera hor'.

4. Stariĝu por Jesuo! / Finiĝos la batal'. / Nun bruo de armiloj, / sed morgaŭ pac-signal'; / kaj tiu, kiu venkos, / ricevos de l'Sinjor' / la kronon, kaj regados / kun Kristo en la glor'.

George Duffield, 1818-88

strofoj 1, 2: HE 154
strofoj 3, 4: EK 30

# Who is on the Lord's side? 202

Armageddon

Adaptita de John Goss, 1800-80

Ki - u par - ti - a - no es - tas de la Reĝ'? Mon-don o - be -

i - gos al la Di - a leĝ'? Kon - traŭ mal - a - mi - - koj

en ba - ta - la hor', ki - u par - ti - a - no es - tos

1.–4.

de l'Sin - - jor'? Ĝo - je ni var - bi - ĝis; ki - u i - ros

for? Vi - aj par - ti - a - noj es - tas ni, Sin - jor'.

2. Kristo nin aĉetis – / Liaj estas ni – / per la vivosango, / kiun verŝis Li. / Ĉiun Li benadas / sur la tuta ter'; / marŝu ni volonte, / ĝojaj en liber'.

3. Granda la konflikto, / forta malamik'; / sed nin ne ŝancelos / ĉiu artifik'. / De la vero estas / certa la progres'; / nepre ni antaŭen / marŝos al sukces'.

4. Ni soldatoj estas / en fremdula land', / estu ni fidelaj, / iru laŭ komand'. / Ne malvarmiĝante / en la reĝa serv', / estu ni lojalaj, / viglu en observ'.

HE 152

Frances Ridley Havergal, 1836-79

# Til kjærleik Gud oss skapte 203

Melodio: Christus,der ist mein Leben, n-ro 99

1. Nin Di' al amo kreis, / sopiras kor' al am', / kaj la feliĉ' pereis / sen tiu Dia flam'.

2. Ĝin Dio al mi donas / en sia Fil', Jesu'. / Se homoj Lin ne konas, / perdiĝas lum' kaj ĝu'.

3. Feliĉon donas ĉiam, / kaj vivon, la Sinjor'. / Ĉu niaj vortoj iam / balzamis al la kor'?

4. Li ĉiam donas gracon / kaj riĉon el ĉiel'. / Sed multaj serĉas pacon, / sed serĉas en malhel'.

5. Ni estu Dia mano, / la buŝo kaj la kor' – / laboru laŭ la plano / de Kristo, la Sinjor'.

6. Li manon nun etendas / en vivo kaj en am', / kaj tiam nin elsendas / kun sama ama flam'.

7. Jen estas grandhonoro / plej bela sur la ter': / servadi al Sinjoro / de l'vivo kaj de l'ver'.

8. Per ĝi la vera ĝojo / burĝonas en la kor', / dum nia vivovojo / kondukas al la glor'.

CH 61 Bernt Støylen, 1858-1937

# Onward, Christian soldiers 204

St. Gertrude Arthur Seymour Sullivan, 1842-1900

Mar-ŝu vi, Kris- ta - no, pa-ca mi-li - tist', sub stan-dar-do kru - ca, por Je-su - o Krist'. Sek - vu Lin, la Es - tron, kon-traŭ la mal - bon', Al ba - tal'! An - taŭ - en!

1.–4.

Jen tri-um-fa son'! Mar-ŝu do, Kris- ta - no, pa-ca mi-li - tist', sub stan-dardo kru-ca, por Je-su-o Krist'.

2. Nepre ni triumfos, / kuros diablar'! / Marŝu do antaŭen, / venkos Kristanar'. / Tremos la infero / ĉe la laŭda kri' – / Fratoj, levu voĉojn, / ĝoje kantu vi! /Marŝu do . . . .

3. Vanta kaj pasema / estas reĝa kron', / firma kaj ĉiama / staras Dia tron'; / restos dum eterno / Krista eklezi', / vane la infero / muĝos kontraŭ ĝi.

4. Ĉiu do aliĝu / al la ĝoja ĥor', / sonu ĉies kanto / en triumfa hór'! / Nian Reĝon, Kriston, / gloros la homar' / dum eternaj jaroj / kun la anĝelar'.

HE 153

Sabine Baring-Gould, 1834-1924

# 205

# Jesus calls us

Melodio: Marching, n-ro 248

1. Trans la malkvieta maro / de la vivo vokas nin / dolĉa voĉo de Jesuo: / „Ho Kristano, sekvu Min!"

2. Antaŭ longe apostoloj / ĉe la Galilea mar' / aŭdis Lin, kaj ĉion lasis, / iĝis Lia sekvantar'.

3. Kristo vokas de adoro / antaŭ monda ora di': / „Lasu ĉiun kor-idolon, / amu Min Kristano, pli".

4. En ĝojado kaj doloro / dum ripozo kaj labor', / ĉie, ĉiam, Kristo vokas: / „Amu Min per tuta kor'."

5. Kristo vokas! Ho Savinto, / ĉiam aŭskultigu nin; / inklinigu nian koron / pli ol ĉion ami Vin.

HE 83

Cecil Frances Alexander, 1818-95

# O Thou who camest from above



Wilton

Samuel Stanley, 1767-1822

Vi, ki - - - - u ve - - - nis de l'ĉi - - - el', por

do - - - - ni faj - - - - ron el la glor', bru -

li - - gu___ fla - - mon de la___ am'___ sur

la al - ta - - - - - ro de mi - a kor'.

2. Brulado ĝia gloru Vin / per neestingiĝanta bril'; / reiru ĝi al sia Font' / en laŭdo, preĝo, kun humil'.

3. Firm-staru mia vol', Jesu', / Vin servi ĝis plej ebla lim'; / mi gardu flamon de inspir', / plen-uzu povojn de l'anim'.

4. Perfektan volon Vian mi / plenumu ame kaj kun fid', / ĝis fino de l'sur-tera voj', / kaj ravos min de Vi la vid'.

HE 212

Charles Wesley, 1707-88

## Herran taistohon rohkeaan

207

(Vig din dyrbara ungdomstid)

Martti Mikael Hela, 1890-1965

La junecon valoran

ar. T. Ilmari Haapalainen, 1969

La ju-ne-con va - lo - ran vi kun ĝo-jo al Di- o do - nu.

Dum la sank-ta ba - ta - lo pri Je - su - o la kant' ĉi - am

so - nu. Ne per-di-ĝos e-ner-gi',— ki - un ti-el u-zos vi —

nur je Di-a glo - - ro, nur je Di-a glo - ro.

2. Kune iru la granda ar', / rigardu al kruc-standardo, / kun-irigu aliajn, ĉar / en kor' lumas Dia la ardo. / Tiuj, kiujn ligas am', / venis al la venko jam / nur je Dia gloro.

3. Krist' Jesu' estas nia Reĝ', / la kruc' nia venka flago. / Forton donas Li dum la preĝ', / kaj venkon al vivo kaj ago. / Tial nin ĝis morta hor' / gvidu Kristo, la Sinjor' / nur je Dia gloro.

4. Sen Jesuo vi kiel flor' / nur velkos, kaj vi pereos; / sed se kaptos vin la Sinjor', / tutnovan floradon Li kreos. / Al eterna viv' ĉe Di' / fruktojn belajn portos ĝi, / nur je Dia gloro.

CH 74

Simo Oskari Korpela, 1863-1936
(en la Svedan tradukis Mikael Nyberg)

# Mästare, alla söka dig **208**

Melodio: Kirken, n-ro 89

1. Majstro, Vin ĉiuj serĉas nun / kun kaŝa vol' aŭ konscia. / Sur la konata voj' maljun', – / jun' en hezit' sur alia. / Kian vojeton iras ni: / Frue, malfrue nur al Vi, / lacaj pri ĉio la nia!

2. Ja, Kuracisto, scias Vi, / kio necesas por sano. / Tuta homar' en vunda kri': / Ke ni ne sangu en vano. / Ĉio en Via providenc'; / diru nur vorton de potenc'; / flegu nin nun Via mano.

3. Majstro, Vi scias pri la prem', / dubo kaj ĝia detruo. / Portu ĝin Vi kun firm' sen trem', / garantiant' de l'instruo. / Klare elmontros sin la cel', / se nur momenton en la hel' / Vi apud ni, ho Jesuo.

4. Aŭdas, Sinjoro, Vi al kor', / eĉ se la lipoj malbenas. / Kelkaj sekrete por ador' / trans Vian sojlon alvenas. / Forto de falsa reĝa fil' / devas sin vesti en humil', / ĝin Via voĉo retenas.

5. Majstro, nin puŝas ĉiu pel'. / Se Vi ne sola nin gvidas: / Honto, spirito en ribel', / vol' dividita decidas. / Alta, mirinda homgvidant', / nin Vi kolektu nun al kant', / ĉar ni la venkon jam vidas.

6. Reĝo, ni kredas kun fervor' / ĉion pri Via ĉielo. / Pace trankvilos nia kor' / ne ekster tiu kastelo. / Tial ni ĉiuj serĉas Vin; / bona Ŝafisto, serĉu nin: / Mem ni ne venos al celo.

(EKA 9)

Karl Gustaf Emil Liedgren, 1879-

# Turn back, O man

**209**

Old 124th

Ĝenevo, 1551

Pen - tu, vi ho-moj, ce - du pri mal - saĝ'; vi - vu vi

laŭ la Di - a sav - me - saĝ'! Ĉe - fo vi es - tas

de la kre - i - tar', ta - men sur - di - ĝis pri la Di - de-

klar': „Pen - tu, vi ho - moj, ce-du pri mal - - saĝ'."

2. Bona la sorto de la hom' kaj ter', / se ne venenus ilin pek-ulcer'. / En homaj revoj ĉiam estas plor'! / Se nur la tromp-esperoj estus for – / bona la sorto de la hom' kaj ter'.

3. Homa frataro sur pacplena ter'! / Jen la triumfo super mond-infer'! / Jen fina venko de l'eterna Reĝ', / kaj plenumiĝo de l'tutmonda preĝ' – / „Homa frataro sur pacplena ter'!"

Clifford Bax, 1886-

# Med Jesus fram i de bästa åren



Nordlund

Otto Nordlund, 1888-1952

Kun Krist' an - taŭ-en en ju - naj ja - roj al lum'de l'vi - vo, spi -
ri - ta font'! A - nim', en vi - aj u - nu-aj fa-roj al
temp-lo Di - a, Sin - jo - ra mont'! Di - vi - das Di' el Spi-
ri - ta don', kaj flu - as gra-co kaj kres-kas kon'.

2. Kun Krist' antaŭen dum ago, peno, / la multaj jaroj sen paga sum'! / Dum atendado de l'lasta greno / kaj longaj jaroj sen preĝplenum' / kviete restu ĉe l'Diordon' / sen tent' de gajno kaj venkokron'.

3. Kun Krist' antaŭen dum trud' Spirita, / laboron fari en voka hor', / dum prova temp' kaj ĉe dev' invita / al ej' dezerta anime for / por ekbatali sen fort', en lac', / senfinan lukton sen tag' de pac'!

4. Kun Krist' antaŭen por disdividi / mesaĝon, kiun mem portis Li, / por vivoalton kun Li ekvidi / en bril' restanta el glorvizi'! / Kun Krist' profunden al suba val'! / Pri pek', mizero, ek al batal'!

5. Kun Krist' antaŭen en juna aro, / serĉanta ĝojon el Lia fort', / kun vir', infan' en jubilfanfaro, / „Hosana" kantu sur templa kort'! / Sed se hontigas la glor' al Di', / kun Krist' antaŭen ankoraŭ pli!

6. Kun Krist' antaŭen en lasta forto, / oferon donu de l'vol' al Li! / Kun Krist'antaŭen eĉ ĝis la morto / sur voj' konduka al krucoj tri! / Antaŭen al sigelita ŝton' / kun skribo: Viv' estis Lia don'!

7. Kun Krist' antaŭen el la kateno, / liginta vivon al morta ĉen'! / Kun Krist' spirite al viva pleno, / al lum' brilanta de l'kre-maten'! / Kun Krist' antaŭen al la ĉiel', / al Di', la Suno, Ŝafid', la Hel'!

EKA 43 — J. A. Eklund, 1863-1945

## Nous voulons Dieu — 211

Melodio: Wallin, n-ro 108

1. Ni volas Vin, ho granda Dio! / Jen estas de l'kristana kor' / la ĉiam redirata krio / de fideleco kaj ador'.

2. Ni volas Vin en niaj domoj, / por ke, dum ĝojo kaj dum pen', / sur niaj karaj familioj / restadu ĉiam Via ben'.

3. Ni volas Vin en la lernejoj, / por ke el nia junular' / restadu pia ĉiu membro / de la fidela Kristanar'.

4. Ni volas Vin en la armeoj, / por ke soifo al la glor' / nek pacdeziron nek homamon / estingu en soldata kor'.

5. Ni volas Vin ĉe l'tribunaloj, / por ke honesta juĝistar' / regigu ĉie la justecon / por la feliĉo de l'homar'.

6. Ni volas Vin ĉe l'parlamentoj, / por ke en ĉiu ŝtatafer' / Vi estu super ĉiu reĝo / la vera Reĝo de la ter'.

Frato Izidoro

Alternativa melodio: St. Clement, n-ro 242

# Kiel infanoj de la lum' 212

Nox Praecessit

John Baptiste Calkin, 1827-1905

Ki - el in - fa-noj de la lum' i - ra - du ni kun Di', ĉar,

Fon - to de la lu - mo mem, Li es - tas lum' en ni.

2. Tiel irante, vivas ni / en amo kaj en grac', / ĉar Dio estas amo kaj / Jesuo nia pac'.

3. Ĝoje sentante forton de / la gloro en l'anim', / potencojn de l'malluma sfer' / defias ni sen tim'.

4. Firme fidante al Jesu' / por poviganta grac', / decide ni triumfos en / la horoj de minac'.

5. Partoprenante en la lum' / de nia Patra Di', / ni havas kunulecon en / l'eterna famili'.

6. Senpekigite per la sang' / de Li, la Lum' de l'mond', / iradas ni sekure en / lum-radianta rond'.

7. Kantu ni danke laŭdon al / la Patro, Fil', Spirit'; / kompata, pardonema kaj / majesta Infinit'.

1 Joh. 1: 7

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1968

# Kristus kallar 

Kristo vokas

J. Dalkrantz, 1885-1939

Kris - to vo - kas ju - nu - la - ron, vo-kas ĝin al lukt', ba - tal'
por jus - te - co, ver' kaj a - mo en ĉi temp' de ŝtorm', fa - tal',
vo - kas ĝin fi - de - le a - gi, ĝis for - pa - sis ta - ga hel',
vo - kas ĝin an - taŭ - en mar - ŝi, Lin sek - van - ta al la cel'.

2. Mondaj prakonturoj falas / en la krizo al pere'. / El abismaj kavoj venas / kuratake noktarme'. / Tamen Dio vivas, regas / kun grandega am' al hom'. / Tial brilas stel' espera / por fidant' je Lia nom'.

3. Dia regno nun sin levos / super ruba horizont'. / En la finbatalo venkos / la Mortint' sur kruca mont'. / Liaj estas pov', potenco, / ek de nun ĝis eternec'. / Al fidela an' Li donos / parton de la glor', belec'.

4. Kristo vokas junularon, / aŭdu, jen Li vokas vin, / vokas, por ke nun vi sekvu / sur ofera vojo Lin, / vokas al eterna gloro / en la Dia regno Li. / Do, rapidu Lin postsekvi, / brave luktu, venku vi!

EKA 42 Axel Andersson, 1879–1959

# Tule kanssani, Herra Jeesus **214**

Ho alvenu Armas Maasalo, 1885-1960/ar. T. Ilmari Haapalainen, 1967

Ho, al - ve - nu, Sin-jor' Je - su - o, do-nu be-non al tag-la-

bor'! Fru - ma - te - - ne, ves-pe - re ve - nu! Ve - nu

an-kaŭ dum nok-ta hor'! ve - nu an-kaŭ dum nok-ta hor'!

2. Ho, alvenu por kuniradi / paŝon ĉiam post paŝ' kun mi! / Ĉar sen Vi mi ne vivi povas. / Poreterne do restu Vi!

Hilja Haahti

Hilja 1874–1966

# Du som gav livet en mening



Sencon al vivo

Wald. Åhlén, 1894

Sen-con al vi-vo Vi do-nis, le-vis de l'pol-vo Vi min,
pu-ron ĉe l'kru-co pro-po-nis. Ti-al mi glor-kan-tas Vin.
Vi do-nis sa-von do-na-ce, pa-non al la mal-sa-tant',
vi-von en mor-to nur gra-ce. Laŭ-don al mi-a Sa-vant'!

2. Mi sub kutimoj genuis, / portis la ŝarĝon de sklav'. / Preĝon mizero instruis, / estis la Vort' mia sav'. / Aŭdis la peza animo / voĉon de la Kompatant'. / Falis servuta reĝimo. / Kia konsolo kaj kant'!

3. Ami, obei, suferi / Vi nun instruu al mi. / Forton por ĉion oferi / en la batal' donu Vi. / Sankta piedsigno vizias / vojon al vivo, el ĝem'. / Venkon en Vort' garantias / la Triumfinto ja mem.

(EKA 11) Erland Sundström, 1908-

# Å, var eg meir deg, Jesus, lik 216

Orheim Mathias Orheim, 1884-1958

Se mi nur pli si - mi - lus Vin, Je - su', kun var-ma kor', per sa - ma a - mo do - nus min en ĉi - u pe - za hor'. Se nur en viv' kaj kre-do mi en ĉi - o Vin si - mi-lus pli, ĝo - je-gus mi, ho Di'!

2. Sufiĉe dankas kiu kor' / pro veno al la ter'? / Nur laŭdo de anĝela ĥor' / kantanta en l'aer'! / Se mi nur estus pont' al Vi, / kaj ĉiam Vin similus pli, / ĝojegus mi, ho Di'!

3. Ho serĉu, serĉu, Fil' de Di', / en mia peka kor'; / malamon certe trovos Vi, / sed prenu pekojn for! / La pensojn, vortojn, vivon Vi / direktu, – Vin similu mi. / Ĝojegus mi, ho Di'!

4. Min klinu do, kaj metu min / en polvo antaŭ Vin! / Forigu la fieron kun / radik', purigu min. / En tiu loko loĝu mi, / kaj tiam Vin similu pli. / Ĝojegus mi, ho Di'!

5. En la batalo ĝis la mort' / sangece ŝvitis Vi. / Sed forta estas Dia vort', / kuraĝon donas ĝi. / Rideton patran donis Li / al Vi; maltimas mi pro ĝi! / Ĝojegas mi, ho Di'!

CH 63 Mathias Orheim, 1884-1958

## Dona nobis pacem 217

Rondkanto por 3 voĉoj Anonima

1. Do - nu al ni pa - con, pa - con; do - - - nu al ni pa - - - - - con.

2. Do - nu al ni pa - con, do - nu al ni pa - - - - con.

3. Do - nu al ni pa-con, do-nu al ni pa - - - - con.

Latina, el antikva liturgio

# Sjungen, syskon, under vägen



Fratoj, kantu

W. H. Doane, 1832-1915

Fra - toj, kan-tu ni dum-vo-je, kan-tu dum mi-grad' sur ter',
kan - tu Krist - a - mi-koj ĝo - je pri la e-ter - nec - es -
per'. Vi - a mi, ho ka-ra Di', tu - te Vi - a es-tas
mi. Vi - a mi, ho ka - ra Di', tu-te Vi - a es-tas mi.

2. La Ŝafido indas kantojn, / Li per bena sangoflu' / elaĉetis nin pekantojn
kaj nin gvidas per instru'. / Via mi . . .

3. Laŭte gloru la Sinjoron / leviĝintan el la mort'. / Li meritas reĝhonoron,
venkis Li laŭ Dia vort'. / Via mi . . .

4. Kristo vivas! Laŭte sonu / tra la mondo laŭdoĥor'. / Tero kaj ĉiel' aldonu / voĉojn al la Dia glor'. / Via mi . . .

EKA 32 Elsa Borg, 1826-1909

# Bar Du min börda 219

Morris Lelia Morris, 1862-1929

Min Vi mal-ŝar-ĝis je la mi-zer', i-ris por mi eĉ al mor-to-o-fer', ĉu do, Sin-jo-ro, ne vo-lu mi dan-ke nur sek-vi la vo-jon post Vi? Dan-ke nur sek-vi la vo-jon post Vi?

2. Por mi angoris Vi en silent', / sangon oferis en akra turment', / ĉu la mokadon timu do mi / amon donante plenkore al Vi?

3. Pekojn pardonis Vi, ho Sinjor', / pordon malfermis al savo de l'kor', / donis beaton al la anim', / ĉu do ne klare konfesu mi Vin?

4. Rompis katenojn Vi de la mort', / venis kun lumo, savemo kaj fort', / venkis Vi morton pretan por mi, / kiun do sekvi, Sinjoro, krom Vi?

(EKA 19) Johan Gustafsson, 1889-1967

# Vänligt över jorden glänser



Vänligt över jorden

Sveda manskribo, 1675

Ĉar-me su-per ter' ra-di-as lu-mo de ĉi-e-la spec'.
Mil-de en la temp' ek-bri-las su-no de la e-ter-nec'.
Ho, tre mil-de, ke el-te-nu bri-lon ĝi-an hom-o-kul', vi-du Di-on tra l'ne-bul'.

2. Ne saĝuloj mondaj sciis / pri l'mirinda Konsilist'. / Kristo venis, disradiis / pacon, veron, en persist'. / Veron al fidelaj koroj, / pacon al pentema vol', / jen por tero lum', konsol'.

3. Milda bril' de l'Patra gloro / enpenetru do kun grac' / mondon nian, ke bonvolo / regu ĝin en lum' kaj pac', / ke ĝi estu antaŭhalo / de l'ĉielo, kien Vi / ĉiujnViajn vokas, Di'.

(EKA 13)

Johan Olof Wallin, 1779-1839

# Vi bygga broar **221**

Ni faras pontojn — Jacob Nyvall, 1894-

Ni fa-ras pon-tojn in-ter land' kaj land', de gent' al gent', de ko-ro kaj al ko-ro. Jen ni-a fra-ta man' al ĉi-u rand'. Jen re-ci-pro-ka part' de ĝoj', do-lo-ro.

2. La tasko – granda. Antaŭ la okul' / sin tordas mondo sub batad' malpaca, / ŝirita de envio, fipostul'. / Ankoraŭ daŭras nur detru' minaca.

3. Sed Dio amas. En la mondmizer' / anoncas ni pri tiu helpsaluto. / Por ĉia peko, morto kaj sufer', / por viv', pardono, sav' – jen la tributo.

4. La kruc' etendas sin al la ĉiel' / kaj en ĉi temp' al homoj Di' Sin klinas. / Proksimas Lia regno, nia cel', / ĉar Kristo venas kaj batalon finas.

5. Ni faros pontojn, ĝis atingos ni / vivbelon, bonon kaj nin reciproke. / Tra ĉiuj ŝanĝoj helpos nia Di', / kaj sonos Lia ama vorto voke.

(EKA 44) — Axel Andersson, 1879-1959

# Ho Eternulo, Dio de mistero

**222**

Finlandia

Jean Sibelius, 1865-1957

Ho E-ter-nu-lo, Di-o de mis-te-ro,— de ĉi-o

ajn la ne-son-de-bla Font',— al Vi ni le-vas

ko-rojn en a-do-ro,— Kre-in-to so-la de la vas-ta

mond', Vi for-mis ho-mojn laŭ la pro-pra

bil-do— por pa-ca viv' en fa-mi-li-a rond'.

2. En peka malhonoro kaj memvolo/prapatroj niaj jesis al ribel', / kaj sin surdigis al la Dia voĉo,/ sin trompis sur Satana karusel'. / Demonaj fortoj regis sur la tero— / kaj ploris la anĝeloj en ĉiel'.

3. Ankoraŭ, malgraŭ puno kaj mizero,/ kaj malgraŭ oft-spertata tragedi', / ja malgraŭ la alveno de Jesuo/ kun sava forto de l'evangeli', / amase iras homoj al detruo./ „Ĝis kiam, ho Sinjor'? " aŭdiĝas kri'.

4. Pri nia kulp', kaj tiu de l'kunhomo,/ ni pentas, kaj petegas por pardon'. / Humile, kaj sopire, kun espero/ okulojn levas ni al Via tron'. / Rigardu nin, la sklavojn de malsaĝo;/ kompatu nin pro Via glora nom'.

5. Ho Eternulo, aŭdu nin pro Kristo,/ leviĝu kun potenco, agu mem! / L'homaron liberigu de ruino,/ jam longe suferintan sub malben'; / starigu Vian regnon de la paco,/ kaj faru niajn korojn Via hejm'.

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1969

*Aŭdu la voĉon de mia krio, mia Reĝo kaj mia Dio; ĉar al Vi mi preĝas. Ho Eternulo, matene Vi aŭdas mian voĉon; matene mi eldiras mian preĝon al Vi, kaj mi atendas.* *Ps. 5: 2. 3*

# Singt dem Herrn **223**

Rondkanto por 5 voĉoj

Michael Praetorius, 1571-1621

1. Kan - tu ĝo - je 2. laŭ-dan kan-ton al ni - a Di - o 3. ĉi - uj ni, en 4. fru-ma-te - na ho-ro. 5. A - - re kun - i - ĝu por glo-ri Lin!

# Lobet den Herren alle, die ihn ehren **224**

Melodio: Lobet den Herren, n-ro 29

1. Laŭdu la Estron / ĉiuj adorantoj, / kaj Lin honoru / danke niaj kantoj, / kiujn ni portas / ĝoje al altaro! / Laŭdu la Estron!

2. Lin, kiu vivon / iam al ni donis, / kaj dum la nokto / ĝin patrece gardis / kaj el la dormo / ĝoje nin elvekis: / Laŭdu la Estron!

3. Ke niaj sentoj / viglas nun ankoraŭ; / ke niajn membrojn / trovas ni uzeblaj; / tion ni havas / dank' al Lia beno. / Laŭdu la Estron!

4. Ho gardeganto, / kiu riĉe donas / lasu vi plue / super nia vivo / ŝvebi la benon. / Levos ni la voĉojn: / Laŭdu la Estron!

5. Lasu hodiaŭ / nin per Via gvido / sur niaj vojoj / ne senhelpe iri, / kaj ĉie ajn en/Via graco stari. / Laŭdu la Estron!

Paul Gerhardt, 1607-76

# Den signade dag **225**

Nun tago benata

Mezepoka skandinava popolmelodio












2. En ĉiu mateno pensu, anim', / pri l'tago kaj tempo benita, / en kiu la Sun' de grac' en sublim' / ekbrilis por mond' senmerita, / kaj kantis anĝeloj al paŝtistar', / proklamis por mondo tagiĝon.

3. Ho, tago beata, kaŝas vin vi / al sklavoj mondecaj kaj vantaj, / sed brilas belege, luma vizi', / al homoj fidelaj, kredantaj, / al kred' senkulpeca, simpla okul', / hodiaŭ kaj ankaŭ eterne.

4. Se arboj kaj herboj sur nia grund' / eĉ konus per-langan parolon, / se birdo kaj best' kun voĉo-abund' / aŭdigus anĝelan sonoron, / neniam sufiĉus ties fervor' / por plene Jesuon honori.

5. Sed kiel la birdo al ĉielalt' / sin levas per viglaj flugiloj, / svingante sin supren, Dion sen halt' / kun ĝojo laŭdante per triloj, / tiele en kora ĝoj' la anim' / sin levas kun laŭdo kaj preĝoj.

6. Ni gloru al Di' kaj petu pri fort', / dum horoj ŝanĝiĝas kaj pasas, / por povi obei al Lia Vort', / eĉ kiam suferoj minacas. / Ni agu kun serioza fervor', / dum estas la tago donata!

Mezepoka skandinava tagohimno; prilaboris kaj aldonis
J. O. Wallin, 1779-1839

# Gott des Himmels und der Erden



(Now the morn new light is pouring)

Gott des Himmels

Heinrich Albert, 1604-51

Nun ke l'lumo de_ ma-te--no bri-las no-ve ĉir-kaŭ ni,
vig--la es--tu la sin-te--no de l'a-ni-moj an-taŭ Vi,
kaj kun ĝoj'_ ni kli-nu nin an-taŭ Vi--a tron'_ sen tim'.

2. Gvidas nin Jesuo Kristo / per la lum' de Sia vort', / nun kaj ĉiam kun persisto, / nia ŝirmo, nia fort'. / Se minacas nin danĝer', / savas nin en Li esper'.

3. Nin ni metas je dispono / de l'Savanto sen rezerv'; / preĝas vere kun sindono: / Tenu firme nin por serv'; / apartenu ni al Vi, / al Vi sole, glora Di'!

Heinrich Albert, 1604-51
(en la Anglan tradukis H. J. Buckoll, 1803-71)

# Awake, my soul

**227**

Morning Hymn

Francois Hippolyte Barthélémon, 1741-1808

A - - nim', ve - ki - ĝu__ kun__ la__ sun'! A -

ten-das vin__ la__ tag - la - bor'. Vi - gli - ĝu__ kaj kun

sank - ta ĝoj' pro - po - nu__ vin__ al__ la Sin - jor'!

2. La sun' leviĝas laŭ dekret' / de Li, Kreinto de la mond'. / Lau sama leĝo sen vari' / ĝi kuras en senĉesa rond'.

3. Simile al la suno mi / plenumu devojn lau la cel', / kaj per la ebliganta help', / de l'Patra Dio en ĉiel'.

4. Mi scias, ke mi vagos for, / se perdos mi la lumon de / la Suno de justec' kaj glor', / Li, kiu savas de pere'.

5. Ho Vi, la Lumo de la mond', / direktu min per Via vort'; / briladu ĝi sur mia voj', / por gardi estu ĝi eskort'.

6. Animo mia, ĝoju pri l' / tenanta amo de l'Mesi'; / per Lia plensufiĉa grac' / infano restos vi de Di'.

Thomas Ken, 1637-1711

# Kiedy ranne wstaja zorze **228**

Piesn Poronna

T. Kiewicz/ar. Fr. Hänssler, 1969

Ki - am ve - kas nin aŭ - - ro - ro, him - nas
jam, por Vi - a glo - ro, la ĉi - - e - lo, te - ro,
ma - ro kun la tu - ta kre - i - - ta - ro.

2. Ĉu la hom', de Vi kreita / kaj pro Krist' de morto kvita, / sola sen laŭd-kanto restus? / Kia honto tio estus!

3. Tial mi, de Vi infano, / vekiĝante en mateno / tuj alvokas Vin sincere / por Vin, Dio, laŭdi vere.

4. Dum nin mem la dormo benis, / al aliaj morto venis. / Ni rehavas freŝan vivon, / do fortegan dank-motivon!

5. Ke koniĝu Via gloro, / danke vokas nia koro / ĉiutage, ĉiam same / kaj eterne. Amen. Amen.

Franciszek Karpiński, 1741-1825

# Beim frühen Morgenlicht



(When morning gilds the skies)

Laudes Domini

Joseph Barnby, 1838-96

Ma - te-ne ve-ki-ĝan - te, kan - ta - das mi kon - stan-te: Al Kris-to es - tu glor'! Ĉe pre-ĝo kaj la - bo - ro ri - pe-tas mi- a ko - ro: Al Kris - to es - tu glor'!

2. Se dormo forén iras, / anime mi sopiras: / Al Kristo estu glor'! / Kaj ĉiu peka penso / formortas el la menso: / Al Kristo estu glor'!

3. Se trafas min malĝojo, / mi kantas sur la vojo: / Al Kristo estu glor'! / La koron konsolante, / malgajon forpelante: / Al Kristo estu glor'!

4. Jen sonoj la plej belaj / el psalmoj enĉielaj: / Al Kristo estu glor'! / Surtere de l'homaro / respondu laŭdkantaro: / Al Kristo estu glor'!

5. Sonadu tra la mondo / en vasta gaja rondo: / Al Kristo estu glor'! / El maro kaj aero / resonu al la tero: / Al Kristo estu glor'!

6. En vivosorto ĉia / ĝi restu kanto mia: / Al Kristo estu glor'! / Kaj dum eternaj jaroj / himnadu anĝelaroj: / Al Kristo estu glor'!

HE 86

Germana himno, 18a jarcento
(tradukita en la Anglan de Edward Caswall, 1814-78)

# Bred dina vida vingar **230**

Flugilojn Viajn

Sveda popolmelodio, 1889



Flu - gi -lojn Vi-ajn_ te - nu, Je - su - o, su - per mi,
ke ha - vu mi ri - po - zon en ĉi - a sort' ĉe Vi.





Vi_ es - tu por mi_ ĉi - o, sa - ĝe - co kaj ho - nor', kaj_





ĉi - am do de - pen - du mi_ nur de Di - fa - vor'.



2. Pardonu pekojn miajn / kaj lavu min per sang'. / Sanktecon al mi donu / por volo, kor' kaj lang'. / Infanojn, plenkreskulojn / ŝirmadu Via grac'. / Kaj benu nian dormon / nun en la nokta pac'.

(EK 47)

Lina Sandell-Berg, 1832-1903

# Tin imeran dielthon 

(The day is past and over)

St. Anatolius

Arthur Henry Brown, 1830-1926



2. Pro ĝojoj de la tago / ni dankas Vin, kaj nun / senpekaj estu l'horoj, / ĝis venos maten-lum'. / Ho Jesu, lumo estas Vi, / prilumu nokton, do, por ni!

3. Finiĝis tag-laboro, / kaj nun ni preĝas, ke / ni dormu kun trankvilo, / sen timo pri pere'. / Ho Jesu, konsciigu nin / pri Via gard' ĝis nokto-fin'!

4. Animojn niajn tenu, / ĉar bone scias Vi / danĝerojn de la vojo, / laŭ kiu iros ni. / El ĉiuj, Jesu, savu nin, / gardante ĝis la vivo-fin'!

Greka, el la 6a jarcento.
(en la Anglan tradukis John Mason Neale, 1818-66)

# Die Nacht ist kommen 

(Now God be with us)

Die Nacht ist kommen — Bohema Frataro 1566/J. H. Schein, 1586-1630

Di - o, al - es - tu, ĉar la nok-to ve-nas! Per lu-mo kaj mal - lu-mo Vi nin be - nas; sub Vi-a om-bro ku - ŝos ni en ve - ro eks-ter dan - ĝe - ro.

2. Forkuru nun malbona penso ĉia; / dumnokte restu Protektanto nia; / korpe, anime, Dio, nin defendu; / anĝelojn sendu.

3. Ni havu piajn pensojn ekdormante, / kaj en matena horo vekiĝante; / la tutan tagon ni por Vi laboru, / kaj Vin adoru.

4. Helpon nenian havas ni, krom Via; / sed ni fariĝis Viaj, Patro nia. / Nin en soleco Vi neniam lasos, / nek preterpasos.

5. Patro! De Vi la nomon ĉiu benu, / la vol' fariĝu, kaj la regno venu; / nin dum la vivo gardu kaj pardonu; / fine nin kronu.

Petrus Herbert, ? -1571

HE 217 (en la Anglan tradukis Catherine Winkworth, 1829-78)

Alternativa melodio: Flemming, n-ro 127

# Denove en vespera hor' 233

Angelus — Heilige Seelenlust, Breslau, 1657

De - no - ve en___ ves - pe - ra hor' kun - ve - nis

ni___ en sank - - ta rond'. Ren-kon-tas nin la

E - ter - nul', Kre - in - to de la vas - ta mond'.

2. Sed ne por nin timigi per / potenco kaj majesta glor'; / Li estas kun ni en la form' / de Kristo kun amanta kor'.

3. Humila, milda estas Li; / por savi nin fariĝis hom', / kaj partoprenis en la sort' / de simplaj homoj sen renom'.

4. Kun kompatanta koro Li / rigardis homojn en mizer', / parolis vortojn kun potenc' / por liberigi el sufer'.

5. Li mem suferis sur la kruc', / sed ne venkiĝis de la mort'. / Vivanta, Li kunestas nun, / fidela al la propra vort'.

6. Ni do en ama kunulec' / Lin dankas pro daŭranta grac'. / Tutsame preta estas Li / ĝojigi nin per Sia pac'.

7. Bonvena estu Vi, Sinjor'! / Ni Vin salutas kun ador'. / Akceptu kaj benadu nin, / ke vivu ni al Via glor'!

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1968

## Nu är en dag framliden **234**

Von Gott will ich nicht lassen

16a jarcento/ĉe Joachim Magdeburg, 1572

Ĉi ta-go do for-pa-sis kaj nok-to sek-vos ĝin.
La su-no nin for-la-sis; Je-su', ne la-su nin!
Fir-mi-gu nin en fid' kaj te-nu nin prok-si-me! Ni
i-ru do sen-ti-me nun al la nok-ta lit'.

Nekonata sveda aŭtoro, 1682
Jesper Svedberg, 1653-1735

# Glory to Thee, my God, this night



Tallis' Canon

Thomas Tallis, ĉ. 1510-85

Al Vi ves-pe-re glo-ras mi pro ĉi-u be-na lum-ra-di'; min

(Al Vi ves - per - re . . . ktp.)

sub flu-gi-loj Vi-aj nun pro-tek-tu ĝis ma - te-na sun'.

2. Pro Via Fil' mi petas Vin / pri ĉiu pek' pardoni min, / ke kun la mondo kaj kun Vi / en plena paco estu mi.

3. Instruu min vivadi, ke / nur lito ŝajnu la tombej'; / kaj morti, ke ĉiela glor' / min vestu en la juĝa hor'.

4. Ripozu la anim' sur Vi; / kaj venu dolĉa dorm' al mi, / ke mi vekiĝu en seren' / por Via servo en maten'.

5. Se nokte maldormemas mi, / trankvilajn pensojn donu Vi; / malbonajn songôojn pelu for, / kaj restu pura mia kor'.

6. Al Dio laŭdu tuta ter', / Lin laŭdu la ĉiela sfer'; / laŭdadu ni sen intermit' / al Patro, Filo kaj Spirit'.

HE 214

Thomas Ken, 1637-1711

La soprana kaj tenora voĉoj estas kanteblaj kiel rondkanto
(bv. atenti la spiro-streketojn)

# Der Mond ist aufgegangen



Der Mond

Johann Abraham Peter Schulz, 1747-1800

Le - vi - ĝis Lu - no; he - - le or - pom-pas sur - ĉi -
e - - le la ste - loj al l' o - kul'. Ar -
ba - ro mu - te re - - - vas; el la her - bej' sin
le - - vas mi - rin - de blan - ka la ne - bul'.

2. Ripozas mont' kaj valo / sub la krepusk-vualo / trankvile kvazaŭ lag'. / Por vi jen la permeso / fordormi en forgeso / la malbonaĵojn de la tag'.

3. La luno nur duone / prezentas sin impone; / ĝi tamen estas sfer': / Facile ni priridas / aferon, se ni vidas / nur parton de la plena ver'.

4. Homidoj ni fieraj, / pekuloj nur, mizeraj, / ne multon scias ni. / Ni teksas iluziojn / kaj serĉas multajn sciojn / kaj devojiĝas pli kaj pli.

5. Ho Di', nin lasu vidi / la Savon, ne plu fidi / vantaĵojn de l'pasem'! / Nin faru simplanimaj, / infane diotimaj / en ĝoj', jam nun sen zorga trem'!

6. Vi fine, sen ĉagreni, / el mond' nin volu preni / per milda morto for. / Nin tiam al ĉielo / venigu, al la celo, / Vi, nia Dio kaj Sinjor'!

7. Gefratoj, nun ekkuŝu! / Vin nokta vent' ne tuŝu, / dum ŝirmas anĝelar'. / Indulgu, Di', nin grace, / por ke nun dormu pace / ni kaj malsana la najbar'!

Matthias Claudius, 1740-1815

## Patro, nin rigardu — 237

Melodio: Dowston Castle, n-ro 246

1. Patro, nin rigardu / kun kompata kor'. / Venu Vi kun beno / en vespera hor'.

2. Estu ni bonvenaj/antaŭ Via tron', / ĉar ni venas fide / en Jesua nom'.

3. Li por ni Savanto, / Vojo, Vivo, Ver', / sur la kruco mortis / kiel pekofer'.

4. Gasto en l'animo / estu la Spirit', / Lumo por la vero, / nia Paraklet'.

5. Vestas nin la gloro / de eterna viv'; / brilas por ni ĉiam / hela perspektiv'.

6. Tamen ĉiutage / tentojn frontas ni; / kun Vi venas venko / en la mondmedi'.

7. Ni, gefiloj Viaj, / en vespera hor', / dankon al Vi donas / el amanta kor'.

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1968

## Nu lukker sig mit Øje — 238

Melodio: Innsbruck, n-ro 59

Mi tagon mian finas / kaj mian kapon klinas; / protektu, Patro, min! / Min gardu dum malhelo / la bona gvid-anĝelo, / dum tago kondukinta min!

Peter Thun Foersom, 1777-1817

## Jesus, tender Shepherd, hear me **239**

Melodio: Cross of Jesus, n-ro 256

1. Kristo, ŝafideton benu, / aŭdu mian preĝon nun; / dum la nokto apudvenu, / gardu ĝis matena sun'.

2. Apud mi Vi ĉiam restis, / ĝis la nuna tagofin'; / min varmigis, nutris, vestis; / mi humile dankas Vin.

3. Benu mian amikaron, / viŝu ĉiun pekon for; / fine en la sanktularon / prenu min al Via glor'.

HE 266 — Mary Lundie Duncan, 1814-40

## God who madest earth and heaven **240**

Melodio: Ar hyd y nos, n-ro 167

1. Dio de ĉiel' kaj tero, / kies favor' / donas dormon de vespero / post taglabor'; / nun ripozon ame sendu, / anĝelaro nin defendu, / sanktaj sonĝoj nin atendu / dum nokta hor'.

2. Laborantajn aŭ dormantajn / gardu nin, Di'; / subtenadu nin mortantajn, / restu kun ni. / Kiam sonos juĝa horo, / ne forlasu nin, Sinjoro, / prenu al ĉiela gloro / hejmen kun Vi.

HE 218 — strofo 1: Reginald Heber, 1783-1826
strofo 2: Richard Whateley, 1787-1863

## La ombroj de l'venanta nokto nun **241**

Melodio: Finlandia, n-ro 224

Vesper-himno

La ombroj de l'venanta nokto nun / ĉirkaŭe falas kun vespera ben'. / Restadu Vi kun mi dum la mallum', / kaj dormon donu ĝis la nov-maten'. / Refreŝigite, kaj kun ĝoja verv', / en Viaj manoj estu mi por serv'.

Originale verkita en Esperanto de W. J. Downes, 1968

# The day Thou gavest



St. Clement

Clement Cotterill Scholefield, 1839-1904

Fi - ni - ĝas nun a - li - a ta-go, jam ve - nis

la ___ ves - pe - ra hor', kun - ve - nis ni ___ por

a - dor - a - go pla - ĉan - ta al ___ la Di - Sin - jor'.

2. Ni dankas Vin, Savanto nia, / ke sur la tuta mond-teren' / la sankta Eklezio Via / staradas firme ĉe posten'.

3. Ruliĝas tero, brilas lumo / de ne-ĉesanta maten-glor'; / leviĝas laŭdo, preĝ-parfumo / konstante, kiel dolĉ-odor'.

4. Ekdormas ni post sunsubiro, / sed fratoj en la okcident' / vekiĝas kun novtag-aspiro / Vin glori per viv-elokvent'.

5. Formortos mondaj imperioj, / sed Via regno kreskos plu. / Al Vi sin cedos dinastioj, / Venkinto estos Vi, Jesu'!

John Ellerton, 1826-93

# Abide with me

**243**

Eventide — William Henry Monk, 1823-89

Res - tu kun mi; su - bi - ras jam la sun'; kres - kas mal - lu - mo; nok - to ve - nas nun. Fo - ras a - mi - koj,— om - broj kres - kas pli; For - ta Hel - pan - to, ho res - ta - du Vi!

2. Restu kun mi dum ĉiu viv-moment'; / sen Via graco cedus mi al tent'. / Blinde mi vagus, se ne gvidus Vi; / en ĉia sorto restu do kun mi.

3. Timas neniun mi, kun Via ben'; / ne havas pezon larmoj kaj ĉagren'; / super la tombo ja triumfos mi; / venkos la morton – se nur restos Vi.

4. En fina horo, kiel gvida stel' / trans la mallumon montru al ĉiel'; / ombroj forkuras, jen maten-radi'! / En viv', en mort', ho Dio, restu Vi.

HE 223 — Henry Francis Lyte, 1793-1847

# Wszystkie nasze dzienne sprawy 244

Melodio: Pieśn Poronna, n-ro 228

1. Ĉiuj aĵoj tagaj, ĉio / nun ĉe Vi ripozu, Dio! / Dum ni dorme ne laboras, / Vin eĉ niaj sonĝoj gloras.

2. Niajn pekojn tre sincere / ni bedaŭras, kore, vere. / Ho, kompatu nin, Sinjoro! / Tiel vokas nia koro.

3. Konfidante la Savanton, / levis ni vesperan kanton. / Nun ni preĝas por aliaj, / baldaŭ dormos jam trankvilaj.

4. Gardu nin en ĉiu horo; / zorgu nokte, ho Sinjoro; / super ĉiuj hom-infanoj / verŝu benon Viaj manoj.

5. En ĉielaj vastaj haloj / iam sonos la ĥoraloj / al la Triunu' mistera, / sankta kaj senlime vera.

Nekonata Pola aŭtoro

# Hear our prayer, O heavenly Father 245

Melodio: Cross of Jesus,n-ro 256

1. Aŭdu nian preĝon, Patro, / antaŭ ol ekdormos ni; / gardu nin anĝeloj sanktaj, / dum ni kantas tie ĉi.

2. Grandaj estas niaj pekoj, / sed pli granda Via kor'; / helpu nin forlasi ilin, / kaj pardonu nin, Sinjor'.

3. En danĝeroj de la nokto / Viaj manoj tenu nin; / prenu hejmen al ripozo / ĉe la pilgrimada fin'.

4. Forton por estontaj tagoj / kompateme donu Vi; / gardu nin, protektu, benu, / ĝis ĉielon iros ni.

5. Estu gloro kaj honoro / al Vi, tri, sed unu Di'; / Vin kun dankoplena koro / nun kaj ĉiam laŭdos ni.

H. Parr, 1856

HE 215

# Now the day is over



Dowston Castle — C. Hudson, el la „Oldham Psalmody"

Ta - go jam_ fi - ni - - - ĝas, nok - to ve - nas nun, ——— om - broj de_ l'ves- pe - - - - ro_ sek - vas post la sun'.

2. Jam mallumo kreskas, / brilas steloj nun, / dormas birdoj, bestoj, / floroj, sub la lun'.

3. Dio, la laculojn / ripozigu Vi. / Sub tenera beno / endormiĝu ni.

4. Vin en helaj sonĝoj / vidu la infan'. / Gardu la mariston / sur la ocean'.

5. Ĉiun suferanton / helpu en dolor'. / Tenu pekemulojn / de l'pekado for.

6. Tra l'venonta nokto, / kiam dormas mi, / ŝirmu min flugiloj / de anĝelgvardi'.

7. Kiam venos tago, / ĝin travivu mi / freŝa kaj senpeka, / pura antaŭ Vi.

(HE 219) — Sabine Baring-Gould, 1834-1924

# Herr, bleibe bei uns

247

Rondkanto por 3 voĉoj

Albert Thate, 1903-

1. Ho, restu apud ni, 2. ĉar nun vespero venas -kaj la 3. tago jam malkreskas.

(Luko 24:29)

el „Bruder Singer", kun permeso de Bärenreiter-Verlag, Kassel und Basel

# Igennem Nat og Trængsel

248

(Through the night of doubt and sorrow)

Marching

Martin Shaw, 1875-1958

Tra la nokto de malĝojo iras la pilgrima band' gaje kantas sur la vojo al la promesita land'.

2. Klare brilas tra la nuboj / gvida lumo en ĉiel'; / frato premas manon fratan, / paŝas firme al la cel'.

3. Sama lumo nin kondukas / dum la tuta pilgrimad'; / ĉasas for timigajn ombrojn / per konstanta hel-brilad'.

4. Saman celon havas ĉiu, / saman fidon en la kor'; / saman ravan antaŭvidon / al estonta fina glor'.

5. Saman kanton de triumfo / en milopa laŭta ŝvel'; / sam-konflikton, sam-danĝeron, / saman hejmon en ĉiel'.

6. En la malproksima lando / laŭdos ni en sama ĥor', / kaj la saman Dian Patron / obeados ĉiu kor'.

7. Do, antaŭen, pilgrimantoj, / marŝu ĉiu kamarad'; / tra sufero, tra batalo, / ĝis la fina ripozad'.

8. Baldaŭ la mateno brilos, / venos fino de labor'; / ĉiu nubo dispeliĝos, / restos jam eterna glor'.

HE 150 — Bernhardt Severin Ingemann, 1789-1862
(en la Anglan tradukis Sabine Baring-Gould, 1834-1924)

## Blott en dag, ett ögonblick i sänder — 249

Tagon nur — Oscar Ahnfelt, 1813-1882

Ta-gon nur, mo-men-ton nur mi pre-nas, ki-o

ajn o-ka-zas, jen kon-sol'. Ĉi-on ja la Pat-ro ma-ne

te - nas, ĉu mi ti - mu do por li - a vol'? Li ha-

van - te por mi pat - ran ko - - ron, do - nas

—jen sa-ĝe-co trans i - mag'!- ĝo-jon kaj ri-po-zon kaj do -

lo - ron ĉi - u - fo - je nur por u - nu tag'.

2. Mem Li akompanas min ĉiame / en aparta temp' kun ties grac'. / Mian ŝarĝon Tiu portas ame, / kies nomoj estas Fort', Sagac'. / Gardi sian karan dum la plago, / tiun zorgon metis Li sur Sin. / „Via fort' sufiĉos por la tago", / ĉi promeso konsoladas min.

3. Helpu min do resti kaj kvieti / ĉe promesoj Viaj, kara Di', / ne konsolon de la fid' forĵeti, / kiun ĉerpu el la Skribo ni. / Helpu, Di', ke ĉiucirkonstance / prenu mi el Via patra man' / tagon nur, momenton, ĝis mi transe / vidos ĝoje bonan landon jam.

EK 19

Lina Sandell-Berg, 1832-1903

# All skapningen sukker



All skapningen

Ivar Widéen, 1916

Ĝe - ma-tas la_ kre - i - ta - ĵar' pro do-lo-ro. Jen_

ki - al so - pi - ras_ sen ĉes' ĝi - a_ ko-ro: Ĝin

pe - ze skla - vec' de pe - re - o sub - pre - mas. So -

pi - ras ĝi_ al li - be - - rec', ti - al ĝe - mas.

2. Post homa pekfalo, la Dia malbeno / ja ĉie resonis, ne nur en Edeno. / Ĝi eĥis al arboj, al birdoj en nestoj, / al fiŝoj en akvo, al floroj kaj bestoj.

3. De tio devenas arbpinta susuro, / ĝemspir' pro sopir' de la tuta naturo. / Pro tio miksiĝas la ĝoj' kaj ĉagreno / en birda kantad' je vesper' kaj mateno

4. Pri tio, se povus paroli la ŝtonoj, / aŭdiĝus el ili tutsamaj la sonoj: / sopiro al iam venonta mateno / kun vivo por ĉio sen pek' kaj ĉagreno.

5. Ĝis gloron de nia Sinjor' ni akiros, / la tuta naturo senĉese sopiros, / ĝis ĉiun kaj ĉion Li senkatenigos / kaj ĉion falintan kompate starigos.

6. Ŝafido kaj lup' tiam pace paŝtiĝos, / per fonto de viv' la soifo foriĝos. / Triumfe kantados infanoj de Dio, / Lin gloros, ĉar Li estas ĉio en ĉio.

Jørgen Moe, 1813-1882

# Tænk naar engang den Taage er forsvunden 251

(Tänk när en gang det töcken har försvunnit)

Berggreen (Alt) — Andreas Peter Berggreen, 1801-80

Pri - pen - su, ki - am ĉi ne-bu-lo fo - ros, nun ĉir - kaŭ -

an - ta vi - von per mal - lum', kaj tag' e - ter - na

por ni jam aŭ - ro - ros, kun Di-o kaj Ŝa - fi - do ki - el sun'.

2. Ho pensu, kiam ter-problem' sin solvos, / kaj foros ĉiu „Kial" de cerbum profundoj la kaŝitaj sin disvolvos, / kaj sur la Diajn vojojn falos lum'.

3. Ho pensu, kiam ĉesos ĉiu ploro, / silentos ĝemoj, kuraciĝos jam / la vundoj turmentantaj en la koro / pro Lia graco, Lia forta am'.

4. Ho pensu, kiam per okulo klara / mi Tiun vidos, kiun kredis mi / kaj sekvis tere. En feliĉ' senbara / mi en la alto staros antaŭ Li.

5. Ho pensu, tiam mi ne pekos, krimos / en mia penso, ago aŭ en vort', / ho pensu, pri pekemo ne plu timos / mi tiam, ĉar perdiĝis ĝia fort'.

6. Ho pensu, tie en la hal' de oro, / en lum' eterna Lin renkontos mi, / kaj mi parolos kun l 'amik' de l'koro / pri viv' sur ter' kaj pri la viv' ĉe Di'.

7. Savanto! Ĉiam venu kun konsolo / al mia kor' sur prema vivovoj'! / Kaj memorigu min pri Via volo, / ke tra la plor' ridetu Via ĝoj'!

Strofoj 1, 2, 4: (EK 36)
Strofoj 3, 5, 6, 7: (CH 86)

Wilhelm Andreas Wexels, 1797-1866
(el la Norvega en la Svedan tradukis
Elin Silén-Nordin, 1875- )

# Her fra mitt Sion jeg skuer **252**

(Städse på Sion jag tänker)

Barratt

T. B. Barratt, 1862-1940

Ĉi-am mi pen-sas pri Ci - on, be-la mi-rin-da es - per'. Ti-o su - pe-ras ja

1.-3. Le-vos ma - ten' de l'e - ter - no for la vu-a-lon de mi. Mor-to, mal - sa-no ne

Fine

ĉi - - on, ki- on mi vi-dis sur ter'.
es - - tos, vi-vo ĉi - a-mos ĉe Di'.

Trans la ka - ŝan-ta vu - a - - - lo lu-mas la

ur-bo en glor'. So-nas al mi en la va - - -

lo kan-to ĉi - - e-la tra plor'. D.C. al Fine

2. For nun la povo de l'morto,/ Kristo ja venkis kun brav'. / Golgota vi estas la forto / same por reĝo kaj sklav'. / Apud la koro de Dio / vivu la vivon kun Li. / Venkon Li donas en ĉio. / Jen la ripozo por vi. / Levos maten'...

3. Tentoj atakas survoje. / Ŝajne abundas malbon'. / Pikas la dornoj multfoje, / ŝiras piedojn de l'hom'. / Tamen pensante pri Cion / sentas mi flamojn el ĝoj'. / Ne plu mallevos mi vidon / al la mizero sur voj'. / Levos maten'...

EKA 37

T. B. Barratt, 1862-1940
(Tradukita el Norvega originalo kaj Sveda traduko)

# Korset vil jeg aldri svike



**Korset** — **Norvega popolmelodio**

Mi la kru-con ne for-la - sos, ki-es_ fi-no: be - a - tec'.

Se mi vo-las vi - vi,_ mor - ti ri - fu-zan-te kru-con por - ti,

sen re-kon'min pre-ter-pa - sos i - am_ Krist'en e-ter - neç'.

Mi la kru-con ne for-la - sos, ki - es_ fi - no be - a - tec'.

2. Post la tra dezert' migrado / ni alvenos al la cel'. / Do, laŭ nia konsidero estas sen gravec' mizero / en komparo kun kantado / pro ĝojego en ĉiel'. / Post la tra dezert' migrado / ni alvenos al la cel'.

Hans Adolf Brorson, 1694-1764

# Rock of Ages

Ajalon

Richard Redhead, 1820-1901

Rok' e-ter-na, Di - a Fil', es-tu Vi por mi a-zil'.
Es-tu l'ak-vo kaj la sang' el fen-di-ta Vi - a flank'
por la pek'du - o - bla pag'; sa-vu min de l'mor-ta plag'!

2. Faroj de la propra man' / ne min savos de Satan'. / Eĉ se regus min fervor', / se ĉiamus mia plor', / ne kompensus ĉio ĉi; / povas savi sole Vi.

3. Malplen-mana venas mi / al la kruc' sur Kalvari'; / povra, petas pri donac' / el la font' de Via grac'; / pek-makulojn lavu for, / pura estu mia kor'.

4. Dum mi vivas nun kun fort'; / je la hor' de mia mort'; / kiam en ĉiel-salon' / mi Vin vidas sur la tron': / Rok' eterna, Dia Fil', / estu Vi por mi azil'.

Augustus Montague Toplady, 1740-78

# Långt bortom rymden vida 255

Dahlöf

Julius Dahlöf, 1871-1913

For tra la vas-taj spa-coj, pre-ter la sun-or - bit',

trans la trem-bri-lon ste - - lan a - tin-gas en preĝ'spi -

rit'. Ĝi la flu-gi-lojn le - vas al-ten el pol-va sort',

Pat-ron kaj hej-mon ser - ĉas, fra - pan-te sur per - lo - pord'.

2. Preme malvastas mondo, / trompas amikfidel', / trovas anim' firmpunkton / nur ĉe la eterna cel'. / Nokto plej nigra helos, / ĉesos la larmofont', / kiam vi lernos iri / fidante sur preĝopont'.

3. Eta infan' preĝanta / vivas en plensekur', / fortas pli ol heroo / post lia kastela mur'. / Kie en mond' ni migras, / tenu ni en memor': / ĝem' de preĝanto iras / rektvoje al Patra kor'.

EKA 36

Augusta Lönborg, 1862-1900

# Childhood's years are passing 256

Cross of Jesus

John Stainer, 1840-1901

For-pa-sa-das la ju-ne-co, ler-no-ta-goj glitas for; ka-ŝas sin en es-ton-te-co viv-dan-ĝe-roj kaj do-lor'.

2. Kristo, kiu loĝis iam / en la mondo, kiel ni, / nin sanktigu, gardu ĉiam, / kaj nin tenu apud Vi.

3. Aŭdu! la Savinto vokas, / „Ho infanoj, sekvu Min!" / Eĉ se nin aliaj mokas, / ni fidele servos Lin.

4. Kiam tere ni neniam / plu kunvenos por ador', / en ĉielo ni por ĉiam / kantos kun anĝela ĥor'.

HE 260

W. Dickson, 1841

# Sun henkesi sateen alle

257

Karanko — Yrjö Karanko, 1883-1957/ar. T. Ilmari Haapalainen, 1967

Sub be - no de Vi - - a Spi - ri - - to mi so -

pi - ras ri - po - zon kun ĝoj', la vi - von en Ve - ra

Vi - - to kaj la lu - mon al kru - ca voj',—— la

vi-von en Ve-ra Vi - to kaj la lu - mon al kru-ca voj'.

2. Sufiĉas ne, kvankam mi iam / sangopluvon ricevis de Vi. / Mi havu la gracon ĉiam! / Reekflamos la kor' per ĝi.

3. Ne halti mi rajtas survoje / tra dezerto, krutaĵo sur rand'. / Daŭrigu mi foj-post-foje / — ĝis la celo: ĉiela land'.

4. Sub beno de Via Spirito / mi sopiras la pacon kun ĝoj'. / Mi preĝas Vin, Vera Vito, / Vin, la Lumo el Kruca voj'.

Vilho Rantanen, 1899-

## Hark! the sound of holy voices 258

Deerhurst

James Langran, 1835-1909

Aŭ-du vo-ĉojn de sank-tu-loj kan-ti_ ĉe kris-ta-la mar':
Ha-le-lu-ja, ha-le-lu-ja, Di-on laŭ-das ti-u ar'!
Ki-el ste-loj ne-nom-bre-blaj i-li sta-ras en la glor',
blank-ves-ti-taj pal-mojn svin-gas ĉe la tro-no_ de l'Sin-jor'.

2. Ili spitis persekutojn / firme staris tra sufer', / kaj sin lavis en la sango / de Jesu' el pek', mizer'. / Oni mokis kaj torturis, / vundis glave ĝis la mort'; / morton kaj Satanon venkis / ili per Jesua fort'.

3. Sub standardo de la kruco / marŝis ili al batal', / Vin sekvante, sian Reĝon, / malgraŭ perdo kaj skandal'; / gaje kantis sub minaco / plej kruela de la sort'; / firm-fidante la promesojn / pri la vivo post la mort'.

4. Reĝas ili nun en gloro, / vivas en la lum' de l'ver', / trinkas el la Di-donataj / ĝuoj, kvazaŭ el river'. / Amon, pacon gustumante / laŭ la volo de Jesu', / vidas ili la vizion / de l'beata Triunu'.

5. Di' el Dio, solnaskito, / lum' el lum', Imanuel', / kiu la sanktulojn ligas / kune nun kaj en ĉiel', / verŝu Vi el Via pleno, / ke ni ĉiam pli kaj pli / Vin adoru, Patro, Filo, / kaj Spirito, Sola Di'.

Christopher Wordsworth, 1807-85
Alternativa melodio: Lux Eoi, n-ro 72

## Ten thousand times ten thousand **259**

Alford — John Bacchus Dykes, 1823-76












2. Resonas halelujoj / el tero kaj ĉiel'; / kaj harpoj mil kuniĝis en / triumfokanta ŝvel'. / Ho tago atendita! / Ho ĝojo, kies glor' / antaŭan afliktaron / forviŝas el memor'!

3. Ho, kiel rava estos / la Kanaana glor'! / Amikoj re-renkontos sin, / ne plu disiĝos for; / okuloj iam plenaj / de larmoj pro malĝoj' / revidos la amatojn en / feliĉo sen aloj'.

4. Montriĝu Via savo, / de peko la pardon'; / la elektotojn voku nun, / kaj regu sur la tron'. / Sopiras ni la hejmon / post peno kaj dolor'; / ho, laŭpromese venu Vi, / Savanto kaj Sinjor'.

HE 184

Henry Alford, 1810-71

# Eternulo, grace benu

**260**

Melodio: Werde munter, mein Gemüte, n-ro 111

Eternulo, grace benu / kaj nin ĉiujn gardu nun. / Kontraŭ ni vizaĝon tenu, / ke surfluu nin la lum'. / Turnu Vin al ni kun grac'; / venu en la koron pac'. / Laŭdu danke mi, savito, / Vin, ho Patro, Fil', Spirito!

Originale verkita en Esperanto de Magda Carlsson, 1951
laŭ Nombroj 6:24-26

# Lord, dismiss us with Thy blessing



Dismissal

William Letton Viner, 1790-1867

Nin i - ron-tajn, Di - o, be-nu; pa - con do-nu al la kor';
a - mo — Vi - a nin sub-te-nu, sa - va — gra-co kaj fa-vor'.
Nin for-ti - gu, nin for-ti -gu, nun por ni - a viv - la - bor'.

2. Ni Vin petas, kun dankado / pro la Krist-evangeli', / ke la fruktojn de l'savado / en la vivo montru ni. /:Ho Sinjoro!:/ Kun ni ĉiam restu Vi.

3. Kiam fine en oreloj / sonos la alvoka kri', / per flugiloj de anĝeloj / ĝoje iru ni al Vi, /:kaj eterne:/ kun Jesuo estu ni.

HE 275

John Fawcett, 1740-1817

# Es segne und behüte uns 262

Rondkanto por 3 voĉoj

Hermann Stern, 1912-

1\. Nin be - nu kaj pro - tek - tu Di - o, 2. Pa - tro, Fi - lo

kaj Spi - rit'. 3. A - - - - - - - - - - - - - - men.

Kun afabla permeso de Verlag Merseburger, Berlin

## La Preĝo de la Sinjoro

*Patro nia, kiu estas en la ĉielo!*
*Sanktigata estu Via nomo.*
*Venu Via regno.*
*Fariĝu Via volo,*
*kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero.*
*Nian panon ĉiutagan donu al ni hodiaŭ.*
*Kaj pardonu al ni niajn ŝuldojn,*
*kiel ankaŭ ni pardonas al niaj ŝuldantoj.*
*Kaj ne konduku nin en tenton,*
*sed liberigu nin de la malbono.*
*Ĉar Via estas la regno kaj la potenco kaj la gloro, eterne.*
*Amen.*

# Indekso de Komenc-Vortoj en la Originalaj Lingvoj

Numero

# Agnosko de Kopi-Rajtoj

| | Numero |
|---|---|
| a) *Permeson por traduki vortojn donis:* | |
| * Chatto and Windus Ltd. and the Editor's Literary Estate, Brit. | 145 el *The Poem Book of the Gael* edited by Eleanor Hull |
| J. Curwen and Sons Ltd., Brit. | 3, 204, 246, 248 |
| The Fifeshire Advertiser, Brit. | 55 |
| S-ino Karin Hovden kaj paroĥestro Øystein Hovden, Norv. | 141 |
| Richard Lörcher, Sennestadt, Germ. | 74 |
| * A. R. Mowbray and Co. Ltd., Brit. | 47 el *The Cowley Carol Book* |
| * Oxford University Press, Brit. | 44, 51<br>146 el *The English Hymnal* |
| * A. D. Peters and Co. Literary Agents, Brit. | 209 |
| Svenska Missionsförbundet (Sveda Misia Federacio), Sved. | 24, 33, 35, 82, 88, 159, 161, 187, 191, 193, 213, 215, 219, 221, 230 |
| Episkopo K. Støylen, Norv. | 203 |
| Sinoda Oficejo de la Reformita Eklezio en Hungarujo | 5, 77, 118, 133, 185, 190 |
| b) *Permeson por uzi melodiojn kaj aranĝaĵojn donis:* | |
| Wald. Åhlén, Sved. | 215 |
| * Bärenreiter-Verlag Kassel — Basel — New York | 247 el *Bruder Singer* |
| * J. Curwen and Sons Ltd., Brit. | 248 |
| F. C. Duckworth, Brit. | 148 |
| R. A. Earnshaw, Brit. | 26 |
| Evangeliska Fosterlandsstiftelsen, Sved. | 213 |
| K. G. Finlay, Brit. | 184 |
| * L. de Kam, Nederlando | 91, 121 |
| Verlag Merseburger, Berlin | 262 |
| * A. R. Mowbray and Co. Ltd., Brit. | 47 (ar.) |
| * Nordiska Musikförlaget Stockholm, Sved. | 23, 28, 109 |
| * Oxford University Press, Brit. | 1, 3 (bazo por nia ar.), 51 (ar.), 93<br>231 el *The Oxford Book of Carols* |
| * Mary B. Rowlands, Brit. | 134 |
| Gottfried Schneider, Kassel, Germ. | 74 |
| Sinoda Oficejo de la Reformita Eklezio en Hungarujo | 5, 117, 118, 185 |
| Svenska Missionsförbundet, Sved. | 33, 35, 82, 161, 187 (mel.), 191, 221, 230 |
| Paroĥestro Sverre Sletten, Norv. | 186 |
| Virtemberga Evangelia Eklezio (Evangelische Landeskirche in Württemberg), Germ. | 18, 38, 43, 62, 63, 75, 101 el *Kleines Choralbuch 1912;* krome (kiel bazoj por niaj ar.) 40, 58, 85, 87, 98, 100, 166 |
| Dilys S. Webb, Brit. | 132 |

*(vidu ankaŭ la Antaŭparolon p. 4)*

# Listo de la Esperantaj Aŭtoroj kaj Tradukintoj

Ahlrén, Åke; n. 1918, Svedo, oficisto ĉe inĝeniera firmo. 35; 88; or. 107; 109; 111; 112; 159; 172; 176; 218; 219; 220; 225; 230.

Balshaw, J. A.; Anglo? 202; 245.

Beveridge, B. John; 1857—?, Skoto, pastro, unu el la tradukintoj de la Nova Testamento. 37.

Bicknell, Clarence; 1842—1918; Anglo, Anglikana pastro (sed forlasis la eklezion), D-ro pri matematiko, loĝis en Italujo. 7; 52; 58; 68; 72; 90; or. 105; 127.

Browne, Giles Leigh; 1883—1919, Anglo, lingvisto kaj poeto, Esperanta pioniro. 57; 142; 194.

Burkhardt, Adolf; n. 1929, Germano, pastoro Luterana, de 1961 prezidanto de KELI. 4; 5; 10; /11; 32; 46; 65; 66; 74; 75;/77; 85; /87; /97; 115; 116; /117; 118; 128; 129; or. 155; 185; 217; 223; /228; 236; /244; 247; 262.

Butler, Montagu Christie; 1884—1970, Anglo, muzikinstruisto, eldoninto de Himnaro Esperanta (5-a eldono 1966), membro de la Akademio de Esperanto. 15; 16; 22; 45; 47; 55; 60; 63; 80; 93; 101; 126; 131; 132; 137; 138; 146; 150; 153; 157; 164; 167; 173; 175; 184; 196; 205; 229; 239; 240; 243; 248; 259.

Butler, Thomas Robinson; 1846—1923, Anglo, Anglikana pastro, patro de M. C. Butler. or. 108.

Carlén, Erik; n. 1906, Svedo, direktoro de la industria kompanio Ytong, 1948—1955 prezidanto de KELI, multflanka aktivulo en la Esperanto-movado, vicprezidanto de UEA. 114, 1; 252.

Carlsson, Magda (= Magda Bohman); n. 1896, Svedino, instruistino. Multe tradukis el la Sveda literaturo („Sveda Poemaro", 1954), sed ankaŭ el Baudelaire. 33; 43; 69; 76; 82; 83; 106; /114,2; or. 125; 140; 143; 161; 169; 187; 191; 192; 201, 3—4; 234; 249; 251, 1.2.4; 255; or. 260.

Caw, Janet; n. 1884, Skotino, instruistino, poetino. 26; 232.

Christaller, Paul Gottfried; 1860—1950, Germano, profesoro de metia altlernejo, Esperanta pioniro. (224).

Conzeth, Alfred; Germano (81).

Curry, Arthur Llewelyn; 1870—?, Anglo, Anglikana pastro, kunlaboris en la „Eklezia Revuo". 17; 113.

Deans, Agnes B.; 17; 200; 261.

Downes, William John; n. 1892, Anglo, M.A., B.D., pastro Kongregacia, profesoro pri Hebrea lingvo kaj Malnova Testamento ĉe Western College en la universitato de Bristol, estrarano de KELI, membro de la Akademio de Esperanto. or. 1; 3; 6; or. 8; or. 12; 14; or. 18; /19; or. 25; 30; 39; 42; 44; 51; 64; 78; 92; 95; 104; 134; 136; 145; 148; or. 162; 165; or. 168; or. 170; /195; /197; 206; 209; or. 212; 222; /224; 226; 227; 231; or. 233; or. 237; or. 241; 242; /246; 254; 258.

Eland, R. W.; or. 21.

Sandgren, Karl Olof; n. 1925, Svedo, komunuma oficisto; en 1952 fondis literaturan mision „Esperanto-Missionen“; ĉefa laboranto de la Sveda KELI-sekcio, kun tre ampleksa aktiveco; kompilis kaj eldonis katalogon pri Religia Literaturo en Esperanto. 23; 24; 28; 29; 73; 189; /193; 208; 210; 213; 215; 221.

Schafer, Louisa Frederica Adela (= Ad. Ŝefer); 1865—?, Anglino, sol-kantistino kaj lingvo-instruistino. 156; 163; 199; 204.

Schreiber, Wilhelm; n. 1884, Germano, D-ro pri filozofio, pastoro Luterana. (87).

Tarao, Iĉiro; n. 1903, Japano, gimnazia instruisto, aktivulo de la Japana KELI-sekcio kaj en Kvakeraj rondoj. (97).

Varga, Julio; n. 1905, Hungaro, pastoro Reformita. 147.

Wilkinson, C. G.; or. 99.

*Klarigoj*

n. = jaro de naskiĝo
or. = originale verkita en Esperanto
( ) = ties teksto servis kiel bazo por la prilaboro en nia libro
/ = prilaborita formo de nia libro surbaze de ( )
Numero sen aparta signo indikas, ke la koncerna himno-teksto
estas ne aŭ nur iomete ŝanĝita por aperigo en nia libro

# Listo de la Melodi-Nomoj

# Indekso de Komenc-Vortoj en Esperanto

